XVa jaro. No 230 (10) ☆ Monata ☆ Oktobro 1919

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

**Ordinara eldono** . . . . . . . . . . . . . 5.— Frankoj
**Luksa eldono** . . . . . . . . . . . . . 6.25 Frankoj
*Svisa poŝtĉeko III.2600. — Oni akceptas nur tutjarajn abonojn*
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato*

REKLAMO

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . . . 0.50 Frankoj
**Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . 0.40 Frankoj
**Korespondado** (1 enskribo) . . . . . . . 0.50 Frankoj
*Rabatoj: 3 enpresoj 10%; 12 enpresoj 25%*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo kaj Administrejo: Museumsstrasse 14, BERN (Svisio)



NUNTEMPAJOJ

## LA LIGO DE LA RUĜAKRUCAJ SOCIETOJ

Lastatempe ekfunkciis en Ĝenevo la Centra Oficejo de la Ligo de la Ruĝakrucaj Societoj, kiu, kreita tuj je la fino de la milito, celas kontraŭbatali la mizerojn kaŭzitajn de la malsano kaj de la grandaj katastrofoj. Pri tiu bonfara kaj tiel necesa institucio oni trovos informojn en la suba artikolo. La ĝisnuna Ruĝa Kruco helpis al la homoj dum la milito; ni esperu, ke ĝi ne plu estos necesa: La estonta helpu al ili dum la paco. Nek la suferoj, nek la mizeroj mankas.

De kelkaj monatoj la trankvila ĉirkaŭajo de la Ĝeneva katedralo estas agitata de intensa vivo kaj laboro. En malnova domo, laŭ severa kaj nobla stilo, eklaboris homoj: tio, kion ili entreprenis, estas la plej grandega, la plej utila, la plej bela el la provoj faritaj por helpi, por servi la homaron.

Estas memkompreneble, ke Ĝenevo, sidloko de la Ligo de la Nacioj, ankaŭ gastigas ligon, kiu estas fariĝonta la konsekvenco de la unua kaj ludonta gravan rolon en la monda historio kiel disdonanto de la bonfarajoj de l' scienco. La movado, kiu komenciĝas, estas gravega por ĉiuj popoloj de l' mondo. Ĉies apogon, intereson kaj simpation ĝi meritas.

La Ligo de la Ruĝakrucaj Societoj havas kaj deziras ĉiam havi konstantajn kaj korajn rilatojn kun la internacia komitato de la Ruĝa Kruco, kies sidejo ankaŭ estas en Ĝenevo. Multaj personoj eĉ opinias, ke oni povas konfide atendi la momenton, kiam la monda situacio permesos unuiĝon de ambaŭ institucioj.

La Ligo de la Ruĝakrucaj Societoj juĝas, ke la internacia komitato de la Ruĝa Kruco kun sia neatakebla tradicia neŭtraleco estas necesajo en la mondo; netuŝebla ĝi devas resti. Sed la utileco, la urĝeco de la Ligo de la Ruĝakrucaj Societoj de nun kaj ĉiutage plievidentiĝas. Ĝi ne vivas el malproksimaj esperoj. Jam fruktodona estas la estanto. Ni havas la konvinkon, ke prospera estos ĝia estonto. Flanke de la Ligo de la Nacioj, unuigata kun ĝi per tre intimaj, kvankam ne statutaj rilatoj, servanta la humanajn interesojn de ĉiuj landoj, ĝi nedubeble helpos la grandan ligon kaj ebligos al ĝi malplilongigi la etapon, kiu devas konduki la mondon al la starigo de konstanta paco. Oni eĉ povus aserti, ke la kreo de Ligo de la Nacioj estus io malfirma, se ĝi ne koincidus kun granda socia movado.

Simpla estas la ideo de la Ligo de la Ruĝakrucaj Societoj kiel la plimulto el la grandaj ideoj. Ĝi venas de Ameriko. La iniciato de S-ro Davison kaj la malavareco de la Amerikana Ruĝa Kruco ebligis la efektivigon de la projekto.

Konstatante unuparte la grandegajn servojn plenumitajn de la Ruĝa Kruco kaj aliparte la kompatindan staton de l' mondo post tiu milito, S-ro Davison opiniis, ke anstataŭ malmobilizi, la Ruĝa Kruco devas daŭrigi inter la civila loĝantaro la lukton kontraŭ la suferoj tiel brave komencitan ĉe la armeoj, profitante la akiritajn spertojn, rimedojn kaj homan sindonemon. Por ke tiu adaptiĝo de la militista agado al la civila portu ĉiujn fruktojn, necesa estis la unuiĝo, kiu kreas fortecon, nome la kunlaborado de la ĉiulandaj Ruĝakrucaj Societoj. En la batalado kontraŭ la homa sufero, oni ne haltu kaj unuiĝu, jen la ideo en ĝia fruktodona simpleco.

Tre ĝuste S-ro Davison kredas, ke la momento estas unika. Pli ol iam antaŭe, la simpatia kaj kora atento de la popoloj iras al la Ruĝa Kruco. Por ĉiu batalinto, por la popolmaso suferinta de la milito, la Ruĝa Kruco estas amiko. Populara ĝi estas ĉie. Plie, por servi kaj flegi la homaron taŭga estas la momento, kiam la mondo fariĝis kvazaŭ sensanga elkonsumiĝinta viktimo. Ruinoj, malfeliĉegoj, epidemioj, neniam tia procesio de suferoj akompanis la mondon al ĝia destino! Ankoraŭ pli da malbono ol la milito faris la epidemio. Nur en Hindio, en dek-kvar monatoj, 6,000,000 homoj mortis pro la gripo: en kvar jaroj kaj duono, la milito povis pereigi proksimume nur 7,300,000 homojn.

* * *

La entuziasmo, la fido de S-ro Davison permesis al la ideo rapide trabori ĝian vojon. En la monato aprilo ĉi-jare medicinista konferenco okazinta en Cannes kaj partoprenita de sciencaj eminentuloj aprobis la projekton, perfektigante ĝin per laboroj plenaj de bonvolo kaj scienco. Oni konsentis, ke urĝega estas la kreo de internacia konsilantaro

kaj de centra saneca oficejo por kontraŭbatali la ondegon de homa sufero.

La 5 majo 1919 fondiĝis la Ligo de la Ruĝakrucaj Societoj, kies celo estas „unuigi la Ruĝakrucajn Societojn de la mondo je sistema penado por antaŭgardi, malpligrandigi kaj malhelpi la mizerojn kaŭzitajn de la malsano kaj de la grandaj katastrofoj". Vasta programo. Iuj pensis, ke tio estas idealista revo, unu el tiuj utopioj, kiuj en la nuna tempo eĉ ne plu estas laŭmodaj. Idealista, jes. Utopio, revo, ne. La verko estas reala kaj ebla. La kuraĝuloj ĝin entreprenantaj kredas, ke kun organizo, metodo kaj obstino oni triumfas ĉion. La celoj de la Ligo estas: 1e Instigi kaj favori ĉiulande la stariĝon kaj disvolviĝon de nacia Ruĝakruca organizajo, sendependa kaj leĝe permesita, celanta plibonigi la sanon, antaŭmalhelpi la malsanon kaj malpligrandigi la suferojn de ĉiuj popoloj, realigante por tio ilian kooperadon; 2e helpi al la bonstato de la homaro, funkciante kiel perilo por disponigi al la popoloj la utilon de la jam konataj faktoj, de la novaj sciencaj kaj medicinaj eltrovoj kaj ties aplikoj; 3e servi kiel perilo por kunordigi la klopodojn de la bonfaraj institucioj okaze de grandaj naciaj aŭ internaciaj malfeliĉoj.

El tio sekvas la neceseco de granda sinteza laboro, la kreo de fasko grupanta la disajn fortojn de la Ruĝakrucaj Societoj, la informojn, la metodojn, la eksperimentojn, la statistikojn, la esplorojn, la eldonaĵojn, la spertojn; ĉiu Ruĝa Kruco alportos sian parton por la komuna bono, la pli perfektaj helpos la malpli perfektajn.

De nun, kun siaj dudek-kvin naciaj societoj, la Ligo, kiu funkcias per sia Geneva centra oficejo, jam atingis rezultojn. Lastatempe misio estis sendita al Polio, kie helpbezono estis urĝa.

Oni tuj komencos metode lukti kontraŭ la tifo, la tuberkulozo, la seksaj malsanoj. La protekto de la infaneco kaj de la patrineco estas unu el ĝiaj ĉefaj taskoj. Unuvorte nenio koncernanta la homan sanon estos ekster la laborkampo de la Ligo; tiun laborkampon ĝi cetere devos senĉese plivastigi laŭ la bezonoj kaj cirkonstancoj, laŭ la turniĝoj kaj ŝanĝoj de la monda historio.

Ĉiu facile komprenas, kiom multaj kaj vastaj estas la konsekvencoj de tiu movado. Pere sed certe, la Ligo estos timinda kontraŭulo de la alkoholismo kaj de la diboĉo. Per la protekto de la patrineco ĝi favoros la progreson de la feminismo. Pere sed certe ĝi estos la potenca kunulo de ĉiuj homoj, kiuj tra la mondo batalas por la komuna bono.

La funkcio de la centra oficejo memorigas tiun de l' koro en la organismo: la informoj alfluas kaj elfluas, prizorgitaj konforme al la bezonoj. Ĝi estas oficejo, kie oni precipe penas ne burokrate agi, sed rapide respondi al la alvokoj. Ekzistas eldonaĵoj, broŝuroj, presaĵoj, sed antaŭ ĉio oni ŝatas la agadon kaj abomenas ĉion, kio restas nur surpapera. Oni konstante penas esti simpla por sin bone komprenigi de la popolo, por plibonigi aŭ komenci, laŭ la landoj, ĝian edukon pri saneco kaj higieno. Post la mortiganta milita scienco, venu la savanta kaj viviganta paca scienco. La Ligo kreos kaj funkciigos en Ĝenevo laboratorion por la eksperimentado de la novaj luktometodoj kontraŭ la infektaj malsanoj, muzeon, bibliotekon, esploroficejon, kiu servos kiel perilo inter la sciencuIoj kaj enregistrilo de iliaj plej lastaj laboroj. En Ĝenevon oni venos por serĉi kaj trovi la ekstreman limon de la sciencaj progresoj.

Sed, oni demandos, kiu pagos?

Ni diris, ke por komenci la laboradon la Amerikana Ruĝa Kruco liveris la necesajn monrimedojn. Ĝi tial meritas ĉies dankadon. Poste, la Ligo esperas esti subtenata de la landoj, kiuj estos konstatintaj ĝian laboron, sed politikan, registaran aŭ religian karakteron ĝi ne havos. Cetere, faktoj ĝin kuraĝigas. En Ameriko, en Japanio, la kelkmiloj da aliĝintoj al la Ruĝa Kruco fariĝis milionoj. Ĉie progresas la entrepreno. La registaroj havas la nepran devon priatenti tiun movadon; ankaŭ ĉi-rilate, ŝajnas, ke antaŭenpaŝo estas farita. En Anglio, ekzemple, jus kreiĝis ministerio de la publika sano, kaj oni eble estas proksime al la vero, opiniante, ke tiun decidon kelke influis la rezolucioj de la medicinista konferenco en Cannes. En tiu konferenco oni formulis la jenan deziresprimon: „Ni zorge ekzamenis la projekton penetrigi en ĉiujn mondangulojn la lumon de la scienco kaj la varmon de la homa simpatio. Ni havas la firman konvinkon, ke tiu movado, certe ĝuonta de sia komenco la moralan apogon de la civilizita mondo, estas kapabla grandege kreskigi la feliĉon kaj bonstaton de la homaro." La jus komencitan grandan verkon ĉiu homamanto emocie salutas.

*Georges Milsom.*

Trad.: *A. R.*

 SOCIA VIVO 

# La ĵurnaloj en antikva Romo

La vera prototipo de l' nuntempa ĵurnalo aperis unuafoje en la eterna urbo. En 753 antaŭ Kristo estis fondata la urbo de l' sep montetoj, kaj jam dum la sama centjaro, en 628 a. Kr., Pontifo Maxumus — la supera religia estro — zorgis konservi ĉion pri la vivo kaj la okazintaĵoj de l' idoj de Romulus kaj Remus. Jen kion diras pri tiu fakto la konata historiografo de l' Roma gazetaro Victor le Clerck: „La granda Pontifo, subtenata de kvar helpantoj, kolektis jare ĉiujn okazintaĵojn kaj aktojn, kaj ilin skribis sur lignaj blankaj tabuletoj, metalaj aŭ marmoraj platetoj, kiujn li pendigis antaŭ la elirejo de sia domo, por ke ilin legu la popolo."

Unue estas enskribitaj la nomoj de l' konsuloj kaj aliaj regantoj, kaj poste laŭ kronologia vico la publikaj okazintaĵoj kaj ĉefaj faktoj. Tiel estis dum la tuta periodo de l' Roma regado. Tiuj ĉi kronologiaj notoj estas konataj sub la nomo „Grandaj Analoj". Ili povus esti komparataj al niaj ŝtataj gazetoj, plenigataj per dekretoj, oficistigoj, rekompencoj kaj data elmontro de la kurado de l' regna meĥanismo.

Romo rapide disvolviĝis kaj baldaŭ sentis sin ĝenata sur siaj sep montetoj. Tiam komencas la triumfa flugo de la Roma aglo. Post Italio mem, Eŭropo, Afriko, falintaj sub la potencon de l' eterna urbo, venas la vico de Azio, kaj la fiera Romo atingas la limojn de mistera Hindio. La periferio de l' potenca regno estas senfina.

En la vivon de l' popolo mem, pro la granda kontakto kun fremdaj nacioj, enpenetras novaj religiaj, politikaj kaj etikaj ideoj, naskantaj novajn postulojn. Edukita en konstantaj politikaj luktoj inter patricioj kaj plebejoj, aŭ malpaciĝantaj triumviroj, konsuloj, kiuj celis sin anstataŭigi unu per la alia, ĉio ĉi igis la Roman popolon sin doni tute al la politiko kaj internaj luktoj. La militoj, farataj malproksime de Romo, en nekonataj landoj, ekscitis en la loĝantaro patriotan senton kaj soifon al novaĵoj. La armeestroj mem ne estis kontraŭ tio, ke la Roma popolamaso sciu eĉ iliajn plej malgrandajn heroaĵojn, tial ke ĉe ilia reveno en Romon povis atendi ilin triumfarkaĵoj. La regatoj de l' eterna urbo, dissemitaj en la provincoj, samkiel la administrantoj de l' nove akiritaj regionoj, volis detale scii, kion faras la Senato kaj kion pensas la Forumo. Romo fariĝas centro, kien ĉio enfluas kaj elfluas. Estis bezona io, kio reflektu la koloran

vivon, plenan je luktoj, popolaj aspiroj, klasaj interesoj, ambicioj de potencemuloj, kio povu ĉirkaŭpreni la diversspecajn politikajn okazintaĵojn, ekonomiajn demandojn, ĉion, kio estis la fiero de l' Romano, metita en la centro de l' tiama civilizo. Tiu ĉi peza informa tasko ne estis laŭ la fortoj kaj la spirito de l' „Grandaj Analoj".

Tiu io aperas apenaŭ en 131 a. Kr. kaj nomiĝas *Acta diurna* (tagaj faktoj). Tiu ĉi speco de gazeto venas el la Grandaj Analoj, sed ĝi estas pli movebla, pli perioda kaj proksimiĝas al la fizionomio de l' nuntempa ĵurnalo. Ĝi ne nur elmontras, sed incitas, indignas, kritikas. Sur la vojkruciĝoj, ĉe la muroj, sub la pordegoj la Romano tralegis la *diurni* — malgrandaj, kvazaŭ afiŝoj, gluitaj anoncoj enhavantaj tion, kio okazas en la mondo. Kaj la noblaj patricioj, donante sian vizaĝon al la zorgoj de la barbiro, eble kriis kiel nun: „Knabo, donu unu *diurna*!"

En 59 a. Kr. Julio Cezaro kiel unua konsulo aranĝas la regulan kaj oficialan publikigon de la *diurni;* post nelonge ili fariĝis ĉiutagaj gazetoj. La enpresigo de la protokoloj de la senataj kunsidoj donas al ili politikan karakteron, kaj la tuta kolora vivo de Romo estis belega materialo por ili. La politiko, la antaŭbalota lukto rilate intensecon neniel cedis al tiu de nia epoko.

P. Datz en libro pri la publikigado konigas al ni interesajn informojn pri la politika spirito de l' Romano dum la respubliko. La politikemeco atingis nekredeblajn mezurojn. En la plej malgrandaj *fundi* (urbetoj) la lukto dum la balotoj estis kruele gvidata. La kandidatafiŝoj koloris la murojn kaj barilojn ĝis tia grado, ke ofte oni renkontis surskribojn: „Malfeliĉon al tiu ĉi kandidato, kies nomo makulas miajn murojn!" La agitado estis gvidata diversmaniere. Sur la muroj de la detruita Pompejo estis trovataj ĉe la fosado malesperaj balotalvokoj:

— „Mi petas, ke oni turnu la atenton al la urbokonsilanto Vetius Firmus."

— „Voĉdonu por la nobla Felix."

— „La fruktistoj volas havi kiel ‚duumvir' Halconius Priscus."

— „Firmus voĉdonas por Marcus!"

— „La fiŝistoj, la indaj fiŝistoj estas por Poridius Rufus!"

Sendube ne estas malbonaj kandidatoj; ĉiuj estas honorindaj, honestaj, savantoj de Romo! Voĉdonu por ili! Ĉiuj tavoloj de la Roma popolo rajtis voĉdoni: kukistoj, legomistoj, ĝardenistoj, terkulturistoj, azenistoj voĉdonis, okupiĝis pri politiko, politikis, sin donis tute al la partiumeco. Nur la gladiatoroj, la sklavoj kaj . . . la tiamaj „sufraĝetinoj" estis senigitaj je voĉdono.

Post tiuj politikaj luktoj kaj fluoj, en tiu pasia parlamentarismo, per kiu distingiĝis la respublika Romo, en la luktado inter la diversaj partioj naskiĝis la *diurni* kaj rapide disvolviĝis.

De kio devenas la sukceso de tiuj malgrandaj skribitaj folioj? De la granda abundeco de materialo, plej diversa, inda je multaj nuntempaj ĵurnaloj. En la *diurni* vi renkontos „miraklojn, — mi citas laŭ Victor le Clerck — oficistigon de administrantoj, paroladojn de publikaj tribunoj, prezentadojn, brulojn, urbajn eĥojn, edziĝojn, naskiĝojn, enterigojn, juĝoverdiktojn, pluvon de ĉielŝtonoj, bankrotojn, informojn pri la vetero, novaĵojn el la militista vivo, konkurencadon inter veturigistoj de cirkaj ĉaroj, sukcesojn kaj fiaskojn de artistoj, k. t. p."

Kiel oni vidas, la Romaj gazetoj ampleksis ĉiujn faktojn de l' ĉiutaga vivo. La kolektado de simila materialo estas malfacila laboro, kaj ho ve, ankaŭ la Romaj raportistoj konis la tiel nomitajn „vostojn" (t. e. grandaj malveroj). Plino asertas, ke en 800 post la fondo de Romo, la *diurni* disvastigis la famon, ke venos *fenikso* por doni novan eron al la urbo. Ho ve, la fabela birdo preferis resti en la Araba dezerto por sin rosti sur fajro ne brulante, kiel diras la legendo. Kiu estas kulpa? Sed tiel la Romaj ĵurnalistoj prenis, certe, iom pli da mono dum tiuj tagoj de ĝenerala atendo.

Kia estis la tendenco de l' ĵurnaloj? Estas sciate, laŭ la vortoj de Dion Cassius, ke Tibero kaj Domiciano maltrankviliĝis pro la opoza lingvo de l' *diurnarii*-ĵurnalistoj. Ili estis ofte abomenataj de la regantoj. La unuaj imperiestroj enkondukas la leĝon de majestofendo por la ĵurnalistoj kaj libelistoj, aŭtoroj de *libellus,* malgrandaj satiraj kaj kalumniaj libretoj.

Karakterize estas, ke jam dum tiu tempo estis komprenita de la aŭtoritatoj la granda signifo de l' ĵurnalo. La kruela Tibero ordonis enpresigi en la *diurni* diversajn malokazintaĵojn kaj atakojn kontraŭ li mem, por havi pretekston akuzi tiun aŭ alian el siaj malamikoj pri konspiro kontraŭ sia persono. La politikaj intence faritaj „aferoj", helpataj de la registara gazetaro, ne estas elpensaĵoj de nia centjaro. La imperiestroj ne tre ĝenis sin pri la malriĉaj gazetistoj. La duonsaĝa Komodo estis ilia altrudita kunlaboranto. Fiera kiel nevenkebla atleto — kaj kiu ja kuraĝus lin venki? — luktanto kaj kronita bravulo, li tre ŝatis, ke estu publikigataj liaj kruelaĵoj, strangaĵoj kaj diboĉoj. La oficiala rubriko estis deviga. La senato ordonis, ke oni anoncu per laŭtaj frazoj la aklamojn kun kiuj estis akceptitaj Trajano aŭ Mark-Aŭrelio.

Vulcatius Gallicanus rimarkigas en siaj verkoj, ke en 438 la *diurni* anoncis al la popolo pri la enkonduko de l' Teodosia Kodo. La administraj aŭtoritatoj de Romo bone utiligis la informan kapablecon de l' *diurna,* kaj tiu ĉi faris al ĝi multegajn servojn. Ne estis ankoraŭ opoza gazetaro. Kial ne supozi, ke Suetono per siaj akre pikaj anekdotaj atakoj aŭ eĉ Tacito mem ne presigis en la *diurni* siajn fajrajn polemikojn kontraŭ la imperio? Ĉu Salustus kaj Titus Livius — homoj de l' tribuno — ne estis agrable impresataj vidante siajn paroladojn publikigitaj? Kaj ĉu Cicero ne trovis en la Romaj gazetoj bonan helpanton por siaj satiroj kontraŭ Cezaro kaj Antonio kaj atakaj paroladoj kontraŭ Fulbia, la edzino de tiu ĉi, des pli ke la granda oratoro konis nepre la *diurni,* tial ke li rakontas pri iu Crestus, kies folio „Compilatio" estis sufiĉe populara.

Sed la historio konservis al ni ankoraŭ unu nomon de Roma ĵurnalisto: li nomis sin Junius Rusticus, laŭ la vortoj de Tacito, kaj dum la regado de Nerono gvidis iun „Acta diurna", kiu estis multe konata.

La Romaj profesiaj ĵurnalistoj estis plej ofte homoj malriĉaj, spritaj, flekseblaj, por povi bone ruzi, sed ne kutimigitaj je sistema laboro. Ilia materialo estis liverata de tiu societa klaso, al kiu apartenis la „parazitoj", t. e. tiuj individuoj, kiuj sin nutris ĉe la patriciaj tabloj senpage, promesante ridigi kaj komuniki diversajn novaĵojn al la mastroj de la riĉaj domoj. Kaj vere, antaŭ la oficialaj *diurni,* la riĉuloj subtenis tutajn stabojn da similaj „parazitoj", kies rolo estis kolekti materialon, stenografi la senatajn raportojn, koncentrigi la urbajn famojn kaj klaĉojn kaj ligi ĉion ĉi en bultenon. Pli malfrue aperis aparta klaso de *diurnarii.*

Ĉe la plej lasta fosado de Pompejo, precipe tiu de la stratoj Mercurio kaj Abudantio, estas malkovritaj interesaj malgrandaj drinkejoj kun vendotablo kaj malantaŭaj fakoj por konatoj. Laŭ la konservitaj freskoj, kelkaj kliŝaĵoj de figuroj kaj surskribaĵoj, estas bone vidate, ke la vizitantoj estis plej diversspecaj homoj: soldatoj, vojaĝantoj kaj precipe adorantoj de Bacchus. Kelkaj el tiuj drinkejoj estis kunvenejoj de diversaj kluboj, societoj kaj bandoj, tiel abundaj en 79, jaro en kiu la malfeliĉa Pompejo post sia intensa ĉiutaga vivo estis superŝutata de la vulkana koto de

Vezuvio. Tie ĉi estas *dormientes* — asocio de la dormantoj —, tie kunsidas *seribibi* — „la homoj, kiuj malfrue trinkas", pli malproksime murmuras inter si ion *furunculi* — ligo de la po-malgrandaj ŝtelistoj. De tempo al tempo tiuj noktaj kluboj estis vizitataj de jaluzaj balotkandidatoj, kiuj kaptis kaj konvinkis la trankvilajn hometojn voĉdoni por ili, la popolsavantoj. Brilantaj politikaj programoj tondris meze de tiuj noktaj vizitantoj, tial ke eĉ ĝis nun sur muro de tiuj kafejoj aperas la konvinka frazo: „Proculus, voĉdonu por Sabinus, kaj poste li voĉdonos por vi." Inter tiuj noktaj klientoj trankvile glitis figuro, en malnova togo, sed efike surmetita kaj krispita. Tio estis la Roma jurnalisto, kiu kiel ankaŭ lia nuntempa kolego en luksa redingoto, iris kolekti raportajon.

Tia estis la politika atmosfero, meze de kiu naskiĝis la „Acta diurna" kaj suĉis sukon por sia rapida disvolviĝo. Baldaŭ ĝi fariĝis konata faktoro en la vivo de l' Romanoj, kaj ili devis atenti pri ĝia akra lingvo. Multaj rapidas ĝin uzi, fariĝi proksimaj al la *diurni* por vidi iam sian nomon presita, sento, kiu cetere ankaŭ nun ne perdiĝis. La donacinto eĉ de la plej malgranda oferdono je l' honoro de iu templo rapidis anonci al la *diurni* sian pian agon, ne forgesante diri sian nomon. La Romaj gazetoj komunikis ankaŭ, kiel nun ili komunikas en la kroniko, ke iu X. pagis tutajn 50 frankojn por apogseĝo profite de ia bonfara prezentado. Dion Cassius asertas, ke la elokventa Livi igis la al si konatajn jurnalistojn presigi la nomojn de ĉiuj senatanoj, kaj eĉ de netitolitaj homoj, al kiuj falis la granda honoro, esti akceptitaj matene por lin saluti.

Ankaŭ la Roma tiel modesta matrono ŝatis elprovi tiun agrablan tiklan senton, kiun oni sentas, kiam oni tralegas sian nomon presita, eĉ ĉe la plej malgrava afero. Agripina, patrino de Nerono, donis tre longajn raportojn pri siaj vizitantoj, pri tio, kion ŝi faras kaj kion ŝi opinias pri tiu aŭ alia demando. Tio memorigas pri la raportoj, per kiuj estas plenigataj la nuntempaj aristokrataj ĵurnaloj en Eŭropo, komunikantaj en specialaj rubrikoj ke grafino R. donis festvesperon, grafo D. forvojaĝis al Zanzibar por granda ĉaso, kaj la ĉarma markizino V. akceptas vendrede en sian ĉarman hotelon Bellevue, aŭ ke ŝi naskis nepre ĉarman knabeton. Ho ve, jam tiam en la malnova Romo, tiuj bagatelaj detalajoj el la intima vivo de la pli rimarkindaj personoj estis laŭmodaj.

Ĉu la Romaj jurnaloj havis grandan preskvanton? Pri tiu demando mi nenie povis trovi precizajn informojn. Oni diras, ke ĉe grandaj okazajoj kelkaj *diurni* atingis 2—3000 ekzemplerojn, kio cetere ne estas grava.

Fakto estas, ke ankaŭ la honorata Roma ĵurnalisto konis momentojn de sensacio, politika ŝtatŝanĝo, precipe dum la epoko de l' pretorianoj, aŭkcie vendantaj la tronon, aŭ la konstantaj minacoj de la barbaroj al Romo. En tiuj momentoj la duonmalsataj *diurnari* certe frotis siajn manojn pro la antaŭsentata granda gazetkvanto.

Pri similaj momentoj atestas diversaj historiistoj. Tacito diras, ke la popolo simple disrabis la *diurni* ĉe la sciigo, ke Trazis forestis intence ĉe la kondolencoj, esprimitaj al Nerono de la Senato okaze de la morto de Agripina, kio perdigis la vivon de la maltima senatano. Kiam la komandanto Germanicus mortis mistere — „venenita!", la popolamaso murmuris „mortigita!" de Piso, konspiranto kontraŭ la Aŭgustidoj, kaj kiam liaj legioj en Germanio ribelis kaj la publika opinio en Romo estis streĉata, tiam ĉiuj kuris al la *diurni*, por kontentigi sian scivolemon kaj ekkoni la veron.

Ne presmaŝinoj krakis, sed centoj da kopiistoj komencis grincigi siajn skribilojn sur maldikaj lignaj tabuletoj, kovritaj de vakso. Nur en Germanio estis senditaj mil ekzempleroj de ili.

Ho ve, okazis ankaŭ tagoj senkoloraj, malĝojaj, dum kiuj la jurnalisto elmordetas ne pli ol unu plumon, por elsaĝumi ion. Tiam la novajoj estas simplaj, seninteresaj, la jurnalisto serĉas klaĉojn, incitas, moralumas. Laŭ la vortoj de Plino en 27 post la regado de la Aŭgustidoj, multaj *diurni* notis la fakton, ke „iu Crispinus Hilaris venis en la templon por oferdoni, akompanata de siaj naŭ infanoj, dudeksep nepoj, ok nepinoj kaj dudek-naŭ pranepoj" fakto, kiu, se nun ĝi okazus en malmultnaska Francio, entuziasmigus ĉiun Francon, sed por Romo tio apenaŭ estis granda novajo.

La maldeca konduto de la Romaj aristokratinoj donis bonan materialon por la jurnalistoj. Seneko, pri kies historiista veremeco neniu dubas, rakontas al ni, kiel la Romaj sinjorinoj kaj plej respektataj matronoj, patrinoj de honestaj familioj, ne hontis plu pro siaj multnombraj eksedziĝoj kaj konstantaj familiaj skandaloj, kiuj estis konataj de la *diurni,* detale priskribataj kaj diverse komentariataj. Ŝajnas, ke tiaj numeroj estis ekstreme interesaj, ĉar la satiristo Juvenalo parolas pri Roma sinjorino, kiu pasigadis la tutan matenon legante jurnalon. Petrono memorigas al ni pri multaj regatoj de Nerono, kiuj dum tagmanĝo havis specialajn legantojn, por laŭte legi al ili la jurnalojn.

Tiaj estis la *Acta diurni* dum la epoko de Romo. Antaŭ dudek jarcentoj estis jam ne nur starigita, sed ankaŭ disvolvita la principo de l' nuna jurnalo. Ĝi ekzistis, kvankam ni ne havas konservitajn ekzemplerojn, sed la dokumentoj kaj notoj, kiujn ni renkontas pri ĝi en la diversaj verkoj de Romaj historiistoj, literaturistoj kaj filozofoj, donas al ni klaran ideon pri tiu prototipo de l' presita folio. Ankaŭ tiam la sportisto serĉis legi la fakon: lukto de gladiatoroj, sovaĝaj bestoj, disŝiro de Kristanoj, kiel nun la leganto sekvas la priskribojn de renkonto inter du bokso-ĉampionoj, la internacian vetkuradon de „foot-ball", ĉevalajn kurojn, k.t.p., kio konsistigas sufiĉe vastan sportan rubrikon en Eŭropa jurnalo.

La Roma teatramanto legis eble sian teatran fakon kun la sama intereso kiel nuntempa konanto de l' scenejo. La priskriboj de la artistaj manifestoj de Nerono — se ili ne estus mendataj de li mem, kio ne konvenas al ordinara respektinda homo, sed estas permesebla al imperiestro — la raportoj pri la diversaj literaturaj novajoj, la politiko, la sporto, la faktoj de l' ĉiutaga ordinara vivo, ĉio ĉi reflektiĝis en la *diurni.* Ili, kiom ajn ne perfektaj en teknika rilato, enhavis la elementojn de la nuntempa ĵurnalo.

Romo komencas esti minacata de la invado de l' barbaroj, kaj kun ĝi falas ankaŭ la antikva civilizo, arto kaj jurnalismo. Longe kaj ĵaluze la Kapitolo gardis la Grandajn Analojn kaj *Acta diurni.*

Pasis jarcentoj kaj jarcentoj, antaŭ ol la *diurna* reviviĝis, sed *diurna* ne senforta kaj manskribata, sed presata, kun sia potenca fera koro, batanta per pulso 100,000-foje en horo, kun tiu koro de l' nuntempa jurnalismo, nomita presmaŝino, akompanata de ĉiuj perfektaĵoj de la nuna presarto.

*Nik. F. Nikolaev.*

Trad.[1]: *Iv. H. Krestanov.*

[1] Tiu resumo estas tradukita el la verko pri la „Historia disvolvo de la jurnalismo", de nia samideano, Nik. F. Nikolaev, aŭtoro de la projekto pri internacia Banko de diskonto kaj informservo.

# Pri la Beduenoj de interna Arabio

Pli ol aliaj popoloj nin interesas la Beduenoj de interna Arabio, tiuj plej primitivaj Semidoj, la filoj de la fondintoj de l' iama Araba imperio, kiuj kiel veraj posteuloj de Ismael rememorigas al ni la vivkondiĉojn en la tempo de Abraĥamo. La nomo de la Beduenoj (el Badie, la dezerto) karakterizas ilin kiel dezertuloj, kiel nomadoj, kiuj — laŭ la sezonoj — trairas la dezertojn de Arabio de la nutra regiono al alia. Ĉe tiaj migroj de karavano kelkaj homoj observe rajdas antaŭen; armitaj rajdantoj sur ĉevaloj kaj kameloj formas la fronton de la granda procesio. Bredkameloj kun idoj sin paŝtas grandvice dum la marŝado. Kameloj kun tendoj kaj provizaĵoj sekvas. Virinoj kaj infanoj en lulilsimilaj, kovritaj portiloj sur kameloj finas la migrantan popolamason. La viroj rajdas inter ili; brutetaro postvenas ĝis du kilometroj.

En la interna lando la formado de la bivako sur printempaj paŝtejoj abundaj je dezertaj herbajoj estas alia ol sur la nutraj kaj akvaj regionoj ĉe la limo de la fruktodona lando, kiuj devas esti loĝataj dum la sekeco. Tie la tendoj estas grupigataj je tri aŭ kvar duonhoron malproksime, sed ĉi tie ili staras en rondo aŭ en unu linio kune. La tendo de la ĉejko (Araba ĉefo) staras okcidente. Ĉar de okcidente oni atendas fremdulon kaj malamikon, kaj ambaŭ devas unue esti akceptataj de la ĉefo, gastema aŭ militema. La tendoj (la Araba vorto signifas hardomon) estas oblongaj ortanguloj kun preskaŭ plata tegmento; ili konsistas el nepenetrebla nigra ŝtofo de kapraj haroj. Interne de la tendo troviĝas dekstre la vira parto, kiu servas kiel akceptejo, maldekstre la virina parto, en kiu estas krom la virinoj, infanoj, brulligno, buterbarelo kaj junaj brutoj.

La vesto de la Beduenoj estas preskaŭ la sama ĉe ambaŭ seksoj; unu aŭ du ĉemizaj vestaĵoj; super tiuj, dum malvarmeta aŭ pluva vetero, lana aŭ kamelhara malhela mantelo (abâ), en kiu oni sin ankaŭ envolvas dum dormado. La kapon kaj vizaĝon kovras ĝis sur la okuloj tuko, kiu devas ŝirmi kontraŭ suno, malvarma kaj varmega vento. Virinoj, viroj kaj infanoj portas ĉirkaŭ la nuda korpo firme vindita ĉirkaŭ okmetran rimenon de gazela ledo. La kialo de tiu moro ne estas eltrovebla. La ĉirkaŭzono de Johano la Baptisto estas ankaŭ citita de la Evangeliistoj. La Beduenoj portas la harojn en dekses kaj pli da plektaĵoj; jam ĉe Simson estas menciita tiu ĉi hararanĝo. Armiloj de Beduenoj estas la kvin- ĝis ses-metra rajdantolanco, la ĵetlanco, la ligna bastonego (la kapo kun fero) kaj la pafilo kun meĉajo, kiu rememorigas al la modeloj el la Burgunda tempo. Ŝirmiloj estas la ŝildo, la ŝirmbastonego nur el la trunko de la „slêb".

El la nutraĵoj de la Beduenoj ni citu la dolĉan panon, kiu disŝirita je flanoj, surverŝita per butero, estas manĝata ankaŭ miksite kun viandpecoj, kaj antaŭ ĉio la akridojn, kiuj ludas tie la rolon de niaj terpomoj. Ili estas manĝataj kuiritaj en sala akvo, poste sekigitaj en la aero kaj pistitaj je faruno, miksitaj kun salo kaj butero aŭ daktiloj. Dum manĝado la Beduenoj sidas sur la tero ĉirkaŭ la ligna vazo; ĉiu metas la tutan manon en la manĝaĵon, formas kuglon kaj direktas ĝin al la buŝo; kio restas superflue sur la manoj reiras en la vazon. Post la manĝo oni purigas la manon ĉe la barbo aŭ ĉe la tenda muro. Oni rakontas pri donema Beduenο: „Tiel gastema li estas, ke lia tenda muro estas malmola pro la surŝmirita graso."

La plej grava havaĵo de la Beduenoj estas la kamelo. Estas ilia transportrimedo por la dezertvojaĝoj kaj ĉefa interŝanĝilo por ricevi en la urboj farunon, daktilojn kaj rizon. La felo de la kamelo estas uzata por sandaloj, seloj, siteloj kaj sakoj, ĝia lakto kaj karno servas por nutraĵo. Do, ne estas mirinde, se la Beduena edzino ekkrias ĉe la morto de sia edzo: „Ho, mia vivspiro, mia okulo, ho, mia kamelo!" Malgraŭ la graveco de la kameloj ne ekzistas racia bredo. La laboroj de la kameloj estas mirigaj: rajdista kamelo faras 200 kilometrojn dum 30 horoj, 500 kilometrojn dum 5 tagoj. Kiam la dezerto estas kovrata per vegetaĵo, sufiĉas la sukaj herbaĵoj, kaj la besto povas resti 25 tagojn sen akvo. Sole la dezerta popolo Slêb aŭ Sluba havas la azenon kiel dombeston. La Slêboj estas maldike kreskintaj homoj; ilia deveno ne estas klara. De la Beduenoj ili estas malestimataj ĉar ili estas forĝistoj. Ili nomas ilin „hundoj de la dezertoj" aŭ „popolo de la azenoj".

Nek lego, nek skribo maltrankviligas la Beduenon. Sed li estas sperta pri naturo, precipe pri la stela ĉielo, kiu en tiu lando sin montras kun brilanta beleco. Li ne kunigas la stelojn en bildoj kiel ni, sed vidas en ili individuojn, kiuj agas kaj parolas kiel homoj. Bonege kulturata de la Beduenoj estas la poezio. Oni kantas ĉe la rajdado, ĉe la nokta amuzo, ĉe la rondodanco de la gejunuloj kun aŭ sen akompano de la unukorda liuto. La kantoj estas plej multe de praava, nekonata deveno. Ili montras perfektan formon kaj ĉarman enhavon; kelkfoje la aparta verso estas per si mem tuto, kiu ne ĉiam estas en harmonio kun la tuta kanto.

La eduko de la junularo ĉe la Beduenoj konsistas en tio, ke oni lasas la infanojn al ili mem. La nomdono kondukas al komparo kun la Malnova Testamento: plej multe oni donas nomojn por montri cirkonstancojn, kiuj estis ĉe la nasko, aŭ por esprimi dezirojn por la estonto de la novnaskito. Ekzemple, patrino, kiu naskis knabon dek tagojn post la forpelo, nomis lin „Mûhidz" t. e. tiu, kiu alportas malĝojon. Kamelo oni nomas filon, pri kiu oni esperas, ke li fariĝos forta kiel kamelo. Poligamio ne ekzistas ĉe la Beduenoj, kvankam ili havas laŭ la Islama leĝo la rajton al kvar virinoj. Tiel same ili ne konas la enfermon de la edzino kaj la aĉeton de la fianĉino. La fianĉaj kaj edziĝaj kutimoj estas simplaj. La amanto aŭ lia amiko petas la manon de la patro de l' knabino. Nenia filino edziniĝas sen sia konsento. La patro informas pri la decido kaj la edziĝotago estas fiksata. Je tiu tago la fianĉo sendas al la fianĉino tapiŝon sur kamelo, mantelon ornamitan per oro, ruĝan ĉemizon silkan kaj kaptukon. Nokte li buĉas ŝafon ĉe la patro de la fianĉino. La venontan tagon la patrino de la fianĉino alportas la edziĝotendon kun la donacoj de la fianĉino. La fianĉo buĉas ŝafon por la najbaroj kaj iras je noktokomenco en la edziĝotendon, kiu staras apud lia tendo. Stranga kutimo ĉe la nomadoj estas rajto je la kuzino. Kuzo malhelpas al sia kuzino edziniĝi kun alia. Sed se ŝi ne volas, li rifuzas dum jaroj la disiĝoformulon, sen kiu ŝi ne povas edziniĝi. Ŝia amanto devas instigi la fianĉon al cedo kaj donaci al li rajdkamelon. Ĉe la Beduenoj de la Sinai-duoninsulo la kuzo diras ĉe la cedo la formulon: „Ŝi estis mia pantoflo, kaj mi ŝin forĵetis!" Ni rememorigas al la libro de Ruth, kie la homo eltiras la ŝuon por certigi la cedon de la posedaĵo kaj de Ruth. Ofta ŝanĝo, kiu estas ebligita per la facila disiĝo, anstataŭas ĉe la Beduenoj la poligamion. La disiĝon rajtas nur la viro. Por tio sufiĉas diri certan formulon ne deklarante la kaŭzon kaj resendi la edzinon kun kamelino al ŝiaj parencoj. Por la virino la disiĝo ne estas honto; ŝi havas la infanojn ĝis ili estas plenaĝaj kaj resendas ilin al la patro. Se la edzino volas la disiĝon, ŝi iras sub la protekton de la parencoj, de kie la edzo ŝin ne devus perforte preni ne direktante al si ilian venĝon. Tamen la edzo povas ŝin devigi al senedza vivo ne dirante la disiĝoformulon; tiaj vidvinoj estas multaj en la dezerto. Maljunajn virgulinojn ne konas la Beduenoj.

La ordo de la komuna vivo estas ĉe la Beduenoj la

plej simpla kaj plej libera. La komuna ĉefo kaj la juĝistoj unuflanke kaj sanga venĝo aliaflanke ligas la komunumon. La rango de la ĉejko kaj de la juĝisto herediĝas, sed nur tiel longe kiel la fido de la gento aŭ de la komunumo sin ne turnas al pli kapabla. Kuraĝa, sukcesinta rabisto, kiu kaptas kamelojn kaj ĉevalojn, konkeras malamikan tendaron kaj ne estas avara ĉe la disdono de la konkerajoj, gajnas la korojn de la Beduenoj, kaj ili sekvas lin kiel sian ĉefon ĉe lia tendaro. Devigan potencon posedas nek la juĝistoj nek la ĉefoj; ordoni ili ne povas, nur konsili. La juĝistoj juĝas laŭ malnova buŝe tradiciita kutima rajto en formulaj esprimoj. Kiu gajnas la proceson, tiu devas pagi. Punoj estas nur monaj, ekzemple la monpuno por mortigita homo estas 2000, por virino 1000 frankoj. Ĉe malfacilaj kazoj oni vokas la ĉefjuĝiston. Li procedas per la Dia juĝo. La akuzito devas leki ardantan feron kaj estas kulpa, se lia lango montras vezikojn. Sed la juĝisto, por kuraĝigi la akuziton, tuŝas unue la feron per la lango; li ricevas por tiu peno 100 frankojn. Kiu estas kondamnita kaj rifuzas pagi la punon, estas elmetata al la sanga venĝo de la parencoj de la mortigito aŭ de la malhonorigito. Ili penas mortigi viron de la familio de la krimulo aŭ lin mem. Kiu estas sen familio, tiu estas senprotekta. Por tiaj, precipe por senedzaj virinoj kaj ties neplenaĝaj infanoj, estas petata amika protekto. Se tiu konsentas, li kaj ĉiu viro de lia familio fariĝas *wasi*, t. e. protektanto.

La Beduenaj gentoj estas senĉese interbatalantaj, ĉar la ĉiama deficito de la individuoj estas kovrata per granda kaj malgranda rabo, kaj la militoj devas konservi la ekonomian ekvilibron. La timo pri sanga venĝo, ankaŭ la taktiko de la subitaj kaj grandfortaj atakoj faras tiujn batalojn malofte kun multaj perdoj. Ataki dumnokte estas perfido.

La karaktero montras ĉefe la sekvantajn trajtojn: rabemo, sed neniam malfideleco kaj malsincereco. La donita vorto kiel ankaŭ la honordevo kontraŭ la gasto aŭ protektato estas sankta. Ili estas nelaboremaj kaj tre moderaj; kafo kaj tabako estas la sola lukso. Per kompatemo kaj dankemo kaj pli altaj moralaj komprenoj ili distingiĝas de la urbanoj de la Oriento. Ili estas inteligentaj, gajaj, spritaj kaj kelkfoje bonhumoraj.

Laŭ *Prof. D-ro J. J. Hess.*
Trad.: *Marg. Iv. Kr-ova.*

---

# Pri kosmotekniko

## II

Sed krom tio la nova teorio ricevas praktikan signifon, se ni ĝin iom pli proksime konsideras rilate al nia planedo, al la Tero.

Ni scias, ke la planedaj trajektorioj formas angulon kun la ebeno de la Lakta Vojo. Sed ĉar tiu ĉi, kiel ni vidis, estas kunigata kun la suno per glaciera arkaĵego, sekve ankaŭ la planedoj dum la rondirado devas ĉiujare dufoje trapasi la diritan arkaĵon.

Nun estus por ni tre interese scii, ĉu tiu ĉi okazaĵo povas iel influi nian planedon. La nova teorio jesas la demandon donante frapantan klarigon.

Estas fakto nediskutebla, ke okazas ofte, precipe en tropikaj landoj, teruraj hajlofaladoj. Hajleroj grandaj kiel ovo tute ne estas mirindaĵo, iafoje falas ankaŭ tiaj pezantaj eĉ 20, 30 aŭ pli kilogramojn. — Ne sufiĉe, sed ni pensu ankoraŭ al ciklonoj, tajfunoj kaj aliaj marventegoj, dum kiuj milionoj da ĉevalfortoj de energio estas ofte produktataj. Nun venas spontanea la demando: de kie la Tero povas preni tiom da energio? Estas tute neeble, ke sur nia planedo povu ekiĝi tiaj premdiferencoj en la atmosfero por kreiĝi tiom da energio.

Kosmotekniko kontraŭe atribuas la nomitajn fenomenojn al influo de la kosma glacio. La Tero altiras al si dum la trapasado de la glacia arkaĵo grandegan nombron de tiuj glacieroj. Oni devas pripensi, ke la universo havas temperaturon de 270° sub la nulo; kaj pro tio la glacio devas esti tre rigida kaj rompebla. Enfalante en la teran atmosferon, rilate multe pli varman, la glaciaj pecoj devas tuj rompetiĝi je malgrandaj eroj: kaj tio estas nenio alia ol la hajlo.

* *

Sed la ĉefa karakterizaĵo de la nova teorio estas, kiel mi supre diris, la dedukto, ke la trajektorioj de la ĉielkorpoj devas ĉiam pli mallarĝiĝi; kaj tio okazos ankaŭ por nia luno rilate al la Tero.

Se unuflanke la rondirvojo de la luno ĉirkaŭ la Tero fariĝas pli mallonga, tiam devas same okazi ankaŭ por la rondirtempo. Oni kalkulis, ke kiam la luno troviĝos je distanco de 7,5 teraj radioj de ni, la rondirtempo estos precize 24 horojn. De tio sekvas memkompreneble, ke la luno turniĝos kune kun la Tero en la sama tempo; per aliaj vortoj, la luno ne plu subiros por tiuj landoj, en kiuj ĝi estis videbla dum l' epoko de la atingo de la kritika distanco.

Ni scias, ke la luno estas ankaŭ kaŭzo de la tajdo. Se la luno restas ĉiam en la sama punkto rilate al la Tero, tiam ankaŭ la tajdo ne povas aliiĝi sian lokon, kaj pro tio ni havos sur la tuta tero nur du grandegajn tajdoaltaĵojn, t. e. la zenitan, pli altan, sur la duonsfero turnata al la luno, kaj la nadiran, pli malaltan, sur la kontraŭa parto. Oni facile komprenos, ke tiuj ĉi altaĵoj havas grandan profundecon, pripensante, ke tiam la luna altirforto devos esti, sekve de la proksimeco, multe pli granda.

Plie ni ne devas forgesi, ke la luno dum sia rotacio ĉirkaŭ nia planedo atingos punkton, kie la alirforto (pezeco) de la tero rilate al objekto sur la luno agos pli forte ol la pezeco de la luno mem. Sekve ĉio, kio ne estas tro firma sur la luna supraĵo, komencos malsuprenfaladi ĝis la tero. La maso de tiu lasta tiamaniere pligrandiĝos, la maso de la luno kontraŭe malgrandiĝos, tiel ke la fortproporcio fariĝos ĉiam pli malfavora por la luno.

La komencita katastrofo efektiviĝos kun senĉese kreskanta rapideco, ĉar la altirpovo de la tero fariĝos ĉiam pli granda, kaj la luno memkompreneble tute ekpeceтiĝos falante poste sur la teron. Ĉar la luno konsistas preskaŭ ekskluzive el glacia materio, la katastrofo renversiĝos sur nian planedon sub la formo de teruraj hajlo- kaj pluvofaladoj.

Depende de tiu ĉi disfendiĝo de la lumo, okazos sur la tero alia pereiga kataklismo. Mi diris, ke la luno per sia altirforto suprenlevigas dum la kritika epoko du tre grandajn tajdoceanojn. Se la luno pecetiĝante malaperas, ĉesos ankaŭ la kaŭzo de la tajdo; kaj kiel senpera konsekvenco de tiu ĉi okazintaĵo la du tajdoceanoj, jam de neniu ekstertera forto influataj, disfalos al ĉiuj direktoj.

Tiu malfeliĉo trafos kompreneble la regionojn kuŝantajn ĉe l' marbordoj de la du diritaj maroj kaj la tuta akvego enfluos en ilin; por tiuj landoj la kompleta fenomeno ŝajnos do kiel terura, seninterrompa pluvado kaj hajlado por la daŭro de multe da tagoj, dum samtempe la akvoj, kvazaŭ elsorĉitaj, elkreskos el la tero atingante ĉiahore pli altan nivelon.

Ke la tero jam travivis en la pratempoj tute similan katastrofon, rakontas al ni en sia komenca libro sufiĉe laŭvere la Biblio. La tiea diluvo estas do la historie dokumentita priskribo de l' disfalo de la tiama luno.

Kaj ankaŭ ne estas kredeble, ke la tero de si mem povus kaŭzigi tian kunfluadon da akvoj, kiom estas necesa por Biblia diluvo. Oni povis rimarki okaze de la plej grandaj superakvegoj, ke la akvo malofte superis la profundecon de kvin aŭ ses metroj. Kie la tero devus preni subite tiom da akvo por ebligi dum malmultaj tagoj la subakvigon de montĉenoj, valoj, regionoj? Sen la influo de ekstertera tre potenca forto, tia fenomeno estus absolute neebla.

Do, kiel ni vidas, laŭ kosmotekniko, por kaŭzigo de akva diluvo estas nepre necesa disfalo de la luno.[1] Sed tiu ĉi okazajo estas tro grava, por ke mi ne aldonu ankoraŭ kelke da vortoj pri ĝi.

La geologio pruvas, ke antaŭ la Biblia diluvo ekzistis glacia epoko. La nova teorio klarigas tion tre facile. Kiam la luno troviĝas en rilate malgranda distanco de la tero, ĝi agadas per sia altirforto ne nur rilate al la akvoj, sed ankaŭ al la atmosfero, kiu pro tio en multaj regionoj de l' tero fariĝas multe pli maldensa ol aliloke. Sekve la temperaturo devas tre malaltiĝi kaj neebligas tie ĉian vivadon. La glacio povas tiel ekposedi la landon. (Ni pensu nur, ke eĉ hodiaŭ en la Alpoj je alteco absoluta de proksimume 2700 metroj pro maldenseco de la aero jam komencas la glaciejoj, kie laŭsperte vivado estus tute neebla.)

La glacia epoko ekmalaperis nur kiam la atmosfero reakiris la originajn kondiĉojn kaj tial la temperaturo povis denove plialtiĝi; sed laŭdirite tio estas ebla nur post la luna disfalo.

La luno, kiun ni nuntempe admiras, ne estas do la unua, kiu akompanis la teron dum ĝia rondirado. Oni povas pruvi per facila kalkulo, ke la luno kaŭzinta la diluvon priskribitan en la Biblio devis esti multe pli malgranda ol la nuna.

La zenita tajdoaltaĵo (profunda proksimume 6000 m) troviĝis tiam super la hodiaŭa Afriko; ties marbordoj limtuŝis Anatolion kaj Mesopotamion, kiuj estis loĝataj. La nadira tajdoaltaĵo (profunda proksimume 4000 m) troviĝis super Suda Ameriko. La spaco plenigata hodiaŭ per la Atlantika oceano estis tiam seka kaj reprezentis la landon „Atlantis“ konata el la pralegendoj.

Certe oni ne devas reprezenti al si tiujn du tiel nomatajn tajdoaltaĵojn sub la formo de propraj akvaj montoĉenoj! Tute ne! Por la tiamaj terloĝantoj ili aspektis kiel la nuntempaj oceanoj. Pripensante, ke la zenita tajdoaltaĵo mezuris eble 6000 metrojn, dum la tera radio havas pli ol 6,300,000 metrojn, kaj desegnante ĝin proporcie al la ĵus diritaj ciferoj, oni facile konvinkiĝos kiel malgranda kaj tute nerimarkebla devis esti la kurbeco de tiu oceano.[2]

Kiam fine la luno eniris la lastan fazon de sia ekzistado ankaŭ la du tajdoceanoj disfluis. Oni ne devas konsideri tiun ĉi okazintaĵon kiel mallongedaŭran subitan katastrofon: ĉar la luno, pro ekpecetiĝo, perdis ĉian tagon pli sian altirforton rilate al la oceanoj, kiuj tiamaniere havis tempon malrapide sed senĉese subakvigi la proksimajn regionojn.

La superafrika maro eniris tial Mesopotamion kaj Anatolion kaŭzigante grandan superakvegon. Pri tiu ĉi katastrofo ni trovas sufiĉe precizan raporton en la Genezo.[3]

En la alia kontinento, en Suda Ameriko, la oceano ankaŭ disfluis aperigante la Kordilerojn kaj Andojn. Kaj la legendoj de la tiama Amerika loĝantaro, de la Inka popolo, certigas nin pri tio, rakontante, ke la dioj subite levigis la montojn el la akvoj.

Sed nun demandos min iu: Kiam enfalos la tero en la sunon, kiam okazos la disfalo de la luno?

Ni estu tute trankvilaj tiurilate, ĉar nek ni nek niaj idoj aŭ ididoj travivos la terurajon. Unue enfalos la luno sur la teron; sed ĝis tiam pasos ankoraŭ proksimume 80,000 (ok dek mil) jaroj!

Ĉar la nuntempa luno estas multe pli granda ol la lasta, ni devas veni al la konkludo, ke ankaŭ ĝia altirforto fariĝos rilate multe pli sentebla. Tial la tero suferos pro manko de la necesa kvanto da atmosfero, kaŭzota per la pliigata luna altirforto. Sekve de tio, kiel mi jam klarigis, la glaciejoj ekokupos iom post iom multe pli vastajn landojn ol dum la epoko antaŭ la lasta diluvo, altrudante al la homaro limojn rilate tro malgrandajn. La ĝeneralaj kondiĉoj de ekzistado fariĝos certe tiaj, ke vasta malpliiĝo de la homnombro estos neevitebla. Tamen la homaro mem tute ne eksentos ĝin kiel subitan okazajon, ĉar tiu malpliiĝo estos nur la efiko de preskaŭ nerimarkebla multcentjara procesuso.

Kaj kiel por ni hodiaŭ la neloĝebleco de la du polusoj estas tute komprenebla, tial por niaj posteuloj ne estos certe mirindaĵo, ke ekz. en Anglio aŭ Norvegio ne povos plu ekzisti vivaĵoj.

Ĉu malhelpaj baroj inter la nacioj povos ankoraŭ ekzisti en tiu komuna limigado, ni nature ne povos ekscii: sed mi ne dubas, ke ĉiuj terloĝantoj de la jaro 80,000 estos ankaŭ samtempe Esperantistoj!

La akvokvanto liverata de nia luno estas laŭ faritaj kalkuloj tiom granda, ke nenia montaro sur la tero povos eviti tiun detruantan subakvigon; kaj ankaŭ la estajaro devos tiamaniere perei en sia tuteco, dum nia planedo poste sin kovros per tre dika glacia krusto.

En la vico de l' jarmiloj ankaŭ Marso falos sur nian teron, kaj la tiel kunigita maso trovos finon en la suno.

Simile ankaŭ Jupitro, Saturno, Uranio, kaj Neptuno kuniĝos je unu sola glacia planedo, kiu siaflanke daŭrigos la rondiradon ĉirkaŭ suno. Tiamaniere ni denove alvenas al sistemo de fiksa stelo kun ĉirkaŭ ĝi rondiranta akvoplena trabanto. Kaj tio estas, kiel ni supre jam vidis, la prakondiĉo por la kreo de nova sistemo.

Farante la historion de nia suno kaj ĝiaj planedoj de la deveno ĝis ilia kompleta aliformiĝo, mi penis klarigi per malmultaj vortoj la ĉefajn supozojn de la nova teorio, ja, mi devas eĉ diri la pure astronomiajn; ĉar multaj estas la demandoj, precipe el geologio, solvotaj de kosmotekniko.

Inĝeniero Hoerbiger mem diras en sia libro, ke la de li jam farita laboro estas nur fundamenta ŝtono de malfacila, impona konstruaĵo, ĉar la fortoj de unu homo komprenebla ne sufiĉas por plenumi la tutan verkon. Nur la kunlaborado de multaj naturscienculoj, laŭ lia opinio, ebligos ĝustan respondon al la demandoj pri la deveno de la geologiaj tavoloj, pri la kialo de la fosilaĵoj entenataj en ili, kaj pri la formo de la nunaj montaroj. Kaj fine li esperas ne tre malproksima la tempon, en kiu laŭ kosmoteknikaj reguloj oni facile eltrovos la lokon de novaj ĝis nun nekonataj salokaj karbominejoj.

Se tio efektive iam ankaŭ okazos, ni havos la plej belan kaj konvinkigan pruvon pri la ĝusteco de la nova teorio.

Kiel ni vidas, la ĉefa merito de tiu ĉi genia viro estas la ĝenerala esplorado de l'universo laŭ tute praktika vidpunkto.

Li ne perdis sian tempon, kiel la filozofiuloj, por fari al si nerespondeblajn demandojn aŭ sin fordoni al spekulativaj konsideroj. Li ne interesiĝis pri la Povo kreinta de l'universo, aŭ pri la kialo kaj la celo de ĝia ekzistado; sed

[1] Interesa priskribo de tiu okazajo troviĝas en la ĵus aperinta verketo de nia samideano, sub la titolo: Spiridion Illuxt. Eine phantastische Erzählung von Max Valier. Innsbruck 1919 (3 Kr.).

[2] Sur cirklo, kies radio estas longa cent kvin centimetrojn, la zenita oceano atingus nur l'altecon de unu milimetro!

[3] Genezo, ĉap. VII, 11: ... disfendiĝis ĉiuj fontoj de la granda abismo kaj la aperturoj de la ĉielo malfermiĝis. (Trad. D-ro Zamenhof.)

kutiminte ĉiam vidi la aferojn de ilia praktika flanko, li konsideris nur la nunan staton de l'universo por eltiri la logikajn konsekvencojn.

La rezultato de liaj eksperimentoj kun la glacio en la ŝtalfandejo kondukis lin al la elpenso de la nova teorio. En 35-jara, senlaca laboro li studadis ĝiajn principojn, kaj nun li fine decidis konigi la novajon al la publiko ne nur per verkoj, sed ankaŭ parolade.

Tio, kion mi skribis, ne havas la pretendon esti absolute scienca artikolo: kontraŭe ĝi estas preskaŭ raporto pri tio, kion mi mem aŭdis el buŝo de kompetentulo.

Lasante komprenebIe al ĉiu liberecon juĝi kiel li plej bone opinias, mi certigas, ke, se mi estis eble iomete enuiga, mi ĝin faris tute senintence.[1]

*F. Glaser.*

[1] Se legantoj dezirus havigi al si pli detalajn konojn pri kosmotekniko, ili bonvolu sciigi pri tio la Redakcion, ĉar tiukaze mi volonte deklaras min preta laŭpove sekvigi aliajn artikolojn pri tiu ĉi temo.

# ✿ NOTOJ ✿

∴ **Internacia konferenco de edukado.** — Internacia konferenco de edukado organizita de la Oficejo de la Internacia Ligo de la Virinoj por Paco kaj Libereco okazis en Genève la 30—31 aŭgusto kaj 1 septembro.

Raportoj estis prezentitaj de S-ro Prof. Pierre Bovet (Genève) pri la Instituto J. J. Rousseau, de F-ino Rihouet (Parizo) pri la organizaĵo „la feliĉa infaneco", de S-ino Hélène Scheu-Riesz (Wien) pri la „interŝanĝo de spiritaj bienoj", de S-ro Prof. Claparède (Genève) pri „la instruado kontraŭ la edukado", de S-ino Anita Augspurg (München) pri „la ideala lernejo", de F-ino E. Rotten (Berlin) pri „la provoj de nova edukado en Germanio", de S-ro Cochius (Nederlando) pri „la edukado en la teozofiaj lernejoj", de S-ro Birukoff pri „la edukado en Rusio kaj la nuna situacio", de S-ino A. Jouve (Francio) pri „la nuna kaj estonta agado", de S-ino B. Volkart (Luzern) pri „provoj de edukado en la laboristaj medioj", de S-ro Ch. Baudouin (Genève) pri „la pedagogiaj ideoj de Tolstoj kaj ilia aktualeco" kaj de S-ro Gretor (Zürich) pri „la junularaj movadoj". El tiuj laboroj kaj diskutoj elvidiĝas jenaj principoj: Individua kaj ne „ŝafara" edukado bazita sur la psikologio de la infano. Disvolvo de la internacia sento per plilarĝigo de la amo al la naska lando; kontraŭago al la ŝovinista edukado. Disvolvo de l' individualismo per la konsilantaroj de lernantoj, per la kulturado de l' iniciatemo kaj de la respondeco. Por interrilatigi la diversajn edukajn organizojn, kiuj konsentas kun tiuj principoj, la konferenco esprimis la deziron, ke estu kreata centra oficejo por edukado kun listo de adresoj kaj informoj kaj katalogo de libroj kaj publikaĵoj edukaj por infanoj kaj plenkreskuloj. Ĝi ankaŭ decidis kunvoki por proksima somero internacian kongreson pri edukado, al kiu estos invitataj la ministroj de publika instruado, la profesiaj asocioj de instruistoj, la junularaj movadoj, la asocioj por eduko de la plenkreskuloj kaj bibliotekistoj.

∴ **La internacia sindikatista movado.** — Ĉe la lasta internacia kongreso de la laboristaj sindikatoj en Amsterdam, la jenaj landoj estis reprezentataj: Ameriko 3,600,000 membroj; Aŭstrio 500,000; Belgio 450,000; Bohemio 230,000; Britio 4,750,000; Danio 227,000; Francio 1,500,000; Germanio 5,400,000; Hispanio 15,000; Luksemburgo 21,000; Nederlando 220,000; Norvegio 123,000; Svedio 235,000; Svisio 200,000. Italio, kiu kalkulas 1,000,000 sindikatanojn, ne estis reprezentata. En la kongreso Germanio rajtis 6 voĉojn, Britio 5, Ameriko 4, Francio 2, ĉiuj aliaj landoj 1.

∴ **La unuaj aŭtomatoj.** — La modernaj aŭtomataj vendaparatoj, kiuj gigantnombre disvastiĝis tra la tuta mondo civilizita, dum malmultaj jaroj estis produktitaj unue de Anglo P. Everett, kaj ĉar la meĥanismo de li konstruita estis Angla patento oni ĉie kredis, ke tiuj geniaj aparatoj estas eltrovaĵo moderna. Tamen tio estas eraro, ĉar jam en griza pratempo estis uzataj similaj aranĝaĵoj. La veraj eltrovantoj de tiaj aparatoj estis Egiptaj pastroj, kiuj, kiel sciigas Heron de Aleksandria, uzis la superstiĉon de la popolo tiamaniere, ke ili metis mirindajn urnojn antaŭ la templo de la diino Isis, en kiujn oni ĵetis monon. La plej malnova vendaparato, pri kiu rakontas Heron, estas rimarkinda, precipe pro la genia komerca penso, kiu instigis al ĝia konstruo. La aranĝo mem estis sufiĉe primitiva; sed la homo, al kiu venis unue la penso, post la enĵeto de monero en aparaton, liveri komercaĵon, kiu al la pastroj nenion kostis, devis esti unuaranga komercista genio. Nome oni devigis la fidelan popolon, se ĝi volis, ke la preĝoj estu plenumitaj, sin aspergi per kelkaj gutoj de sanktigita akvo antaŭ ol eniri la templon de Isis. Sed la havigo de tiu ĉi akvo — kiel oni certigis, propre liverita de la diino — povis okazi nur per tio, ke oni oferis moneron. Tio okazis tiel, ke oni metis la moneron en malgrandan fendon, sub kiu estis tubeto, el kiu nun fluis la malmultaj multekostaj gutoj. Tiuj ĉi aparatoj estis dum jarcentoj fonto de gigantaj enspezoj por la Egiptaj pastroj, precipe ĉar estis leĝoj, kiuj malpermesis je mortpuno ĉiun esploron de la aranĝo.

En la verko de Heron estas detale priskribita la meĥanismo de tiu ĉi plej malnova vendaparato. La metita monero falis — tute kiel en niaj aŭtomatoj — per konduka tubo sur bone elbalancita stangeto, per kiu estis malfermita momente klapo ĉe la fundo de la ujo plenigita per la akvo, kaj elfluigis malmulte da akvo. De la Egiptoj la vendaparatoj venis pli malfrue al la malnovaj Eŭropaj kulturŝtatoj, kie ili estis aranĝitaj nur por livero de komercaĵoj, precipe de refreŝigaĵoj, kaj nur malmulte diferencas de niaj aŭtomatoj. Jam en la malnova Romo estis starigitaj sur placoj kaj stratoj tiaj aŭtomatoj. La plej multaj el ili elverŝis vinon kontraŭ enĵeto de monero; de tio devenas ankaŭ la moro de la Romanoj, ĉiam kunhavi dum promenadoj malgrandan pokalon.

∴ **Ĥirurgia kuracado de la tuberkulozo.** — La Dana profesoro Saugmann malkovris metodon de ĥirurgia kuracado de la pulma tuberkulozo. Tiu ĉi metodo konsistas en tio, ke oni entranĉas en la ripoj kaŭzante partan malfortiĝon de l' torakso, kiu haltigas la funkciadon de l' atakita pulmo. Tiu ĉi procedo venigus, laŭ S-ro Saugmann, kompletan resaniĝon.

∴ **La mirinda „lampo" de la lampiroj.** — Tiu ĉi estas fosforesca kaj estas kaŭzata de grasaj ĉeloj, al kiuj direktiĝas multnombraj kanaloj alportantaj la oksigenon necesan por la formiĝo de la lumo. Tiu ĉi produktado estas tiel eksterordinara kaj mirinda kiel tiu de la baterioj de l' elektraj fiŝoj. La homoj sukcesis produkti lumon per multaj manieroj, el kiuj plej lastatempaj estas la gaso kaj la elektro, sed ili ne kapablas produkti tiajn sen varmfonto, kiel ĉe la humila lampiro. Jen estas senkontesta supereco, kiun ĝi havas super la homoj.

La tuta energio, kiun ĝi uzas, servas al la produktado de la lumo kaj neniom perdiĝas en varmo. La virseksulo havas flugilojn, kaj oni lin vidas ofte fluganta dum la varmaj somernoktoj; li produktas sian lumon de tempo al tempo, sed nur dum mallongaj momentoj; la ino ne havas flugilojn, sed ŝi produktas la lumon pli longatempe ol la virseksulo, kaj aparte en la epoko de sia edziĝo; tiamaniere ŝi klopodas altiri multajn amantojn.

La lumo produktita de la lampiroj estas vere tre forta proporcie al ilia talio. Ĝia brilo permesas al ni tre bone legi presaĵojn en malheleco aŭ vidi la horon de nia horloĝo. Ekzistas multnombraj variaĵoj de koleopteroj produktantaj fosforescan lumon.

∴ **Por anstataŭi la radiumon.** — La oficejo de minoj en Usono konigas, ke estas malkovrita ekvivalento de radiumo, kiun oni nomis „Menothorium". Tiu ĉi metalo posedas la samajn propraĵojn kiel la radiumo, kaj aparte ĝian lumradiadon en la mallumo. Provoj estas faritaj por ĝia praktika utiligo, aparte en la lumigado de l' aviadiloj, la lumaj horloĝoplatoj, la kompasoj, k. t. p.; ili donis kontentigajn rezultatojn. Al tiu eltrovo estas alligata granda graveco.

 LITERATURO 

# Kontrastoj

de **Augustin Eugen Mužík** (el la ciklo „Mikrokosmos")

Mužík (kiu antaŭ nelonge fariĝis 60-jara) estas Ĉeĥa poeto de melankolio kaj de Kristana kompato. Lia melankolio havas tri fontojn: personan, nacian kaj homan.

Kia nova, bela, ĉarma libro, plena de bonodoro kaj suno, de amo kaj entuziasmo...! Kia juniga bano — plenanime enprofundiĝi en ĝiajn paĝojn kaj suĉi el ili vivon, senti en ili ion parencan, tiel konatan, kiel se mi mem en dolĉa raviteco estus verkinta tiun libron! En mia interno io tiel tremas, kiel se mi aŭskultus karan, jam longatempe ne aŭditan voĉon!

Sed iom post iom nova, fremda, maldelikata sono — kvazaŭ incita, impertinenta disonanco — entrudiĝas en mian revadon. Komence mi ĝin apenaŭ rimarkas, pli malfrue mi perceptas ĝin klare, sed ankoraŭ malzorgas ĝin; poste mi penas ĝin ne atenti, sed vane. Kaj fine jam forpelas tiu ekstera, ne ĉesanta malagrabla bruo mian revemon. La maldolĉa realeco atingas superregon. Sovaĝa, monotona, senhalta bruego de ekstere surdige penetras en mian kapon, en miajn sentojn, kvazaŭ bastonfrape ilin mortigante. Mi streĉas la atenton kaj komprenas jam: ĝi estas maldelikata kriado de veturigisto al turmentata ĉevalo, vipobatoj, tiaj siblaj, teruraj batoj sen kompato, tiaj obtuzaj batoj, kiuj pluvefalas sur la disvunditan haŭton de la maljuna besto. Ekstere sin trovas dekliva vojo, kaj ĉevaloj trenantaj ŝarĝoveturilojn estas tie vipataj senĉese.

Mi penas legi pluen — sed se oni ekstere la ĉevalon tiom batas!

Mi rifuĝas al piano kaj volas ekludi. Tutan novan grandegan mondon de belo mi prezentas al mi. Beethoven kaj Mozart, Gluck kaj Smetana — ho, vi senlima majesteco de arto, per kiu homo proksimiĝas al Dio! Ho, la plej alta ekstazo de la homa interno, vi, mistera lingvo de mortintoj, kiuj sole per muziko al vivantoj parolas, vi, fonto de spiritoj kaj estaĵoj neekzistantaj kaj nenaskitaj — — sed se oni ekstere la ĉevalon tiom batas!

Mi alpaŝas al la Rafaela Madono, kiun pentris la Amo, mi penas imagi la vizaĝojn de Reni, belajn kiel printempa tagiĝo, la vervon kaj kreoforton de la majstroj, la tutan vivon enkorpiĝintan en la diaj vizitoj, la fruktojn de epokoj kaj nacioj. Ho, vi revaj sopiroj pri la bildigo de idealo! Ho, oro kaj rubenoj, floroj kaj haroj, flamoj kaj ridetoj de belaj virinoj kaj de viglaj infanoj! Vi dolĉa malsanemo de koro, kaj kvieta forto de rezignoplena spirito — — sed se oni la ĉevalon ekstere tiom batas!

Mi alsaltas al la fenestro kaj rigardas eksteren. Aro da scivolemuloj ĉirkaŭas la veturilon, kaj neniu el ili helpas la kompatindan beston, kiu tie staras kun vaste malfermitaj okuloj kaj kun kruroj tremantaj pro doloro kaj timo! Sed ĉu *mi* estas pli nobla — ĉu eble *mi* kuras, por ĝin helpi? Ho, mizera malkuraĝeco — kiom da malbono vi jam kaŭzis, pli kaj pli multe ol ĉiuj sovaĝaj instinktoj kaj krimaj pasioj... Ho, aliri nun kaj per unu bato faligi tiun veturigiston! Sed ĉu ankaŭ li ne estas nur tia maljuna, trolaborinta, frapevundita ĉevalo sub la vipo de la sorto? Unu kiel la alia — ambaŭ devas aŭ suprenveni aŭ fali — trenu, nur trenu, kaj tie supre sekvos la lasta bato, kaj fino, fino al ĉio! Ho! kiel senpotencaj, ridindaj, abomenaj estas la arto, scienco, socio kaj religio, kiuj ne povas forigi, eĉ ne superbrui ĉi tian doloron! Ho, ĉarmaj infanoj, ho, feliĉaj geamantoj sur la tero, ho, beataj sanktuloj en la ĉielo — — se oni ekstere la ĉevalon tiom batas!

Trad.: *Miloš Lukáš.*

# Versaĵoj en prozo

De **Casimir Tetmajer**

Casimir Tetmajer, nuntempa konata Pola poeto. La unuan parton de tiuj „Versaĵoj en prozo" ni publikigis en la marta N-ro de „Esperanto".

## Amo

Ŝajnis al mi, ke mi vidas ĉiujn horojn, kiujn mi havis ankoraŭ por vivi, malrapide pasantaj antaŭ miaj okuloj, kiel aro da mevoj ĉe sunsubiro en varma tago.

La flugiloj de ĉiuj horoj el mia vivo, pli frue blankaj, estis makulitaj de sango, de mia propra sango; nur de la lasta horo el mia vivo la flugiloj estis blankaj kaj puraj.

Kaj mi pensis: almenaŭ mia morto estos belega kaj trankvila...

En tiu ĉi minuto aperis ŝi, tiu virino, kiun mi amas; vidinte, ke la horoj, kiujn mi havis ankoraŭ por vivi, estas ĉiuj sangmakulitaj kaj nur la lasta horo estas pura kaj blanka — ŝi diris:

— Mi volas, ke ankaŭ tiu horo estu kiel la aliaj.

Mi ne demandis ŝin kial.

Post tio ŝi demandis:

— Sed de kie mi prenu sangon?

Mi montris al ŝi mian koron, donis al ŝi la ponardon kaj diris:

— Frapu.

Kiam ŝi levis la manon por min frapi, mi pensis nur tion: ĉu mi povos haltigi mian ekĝemon, por ne timigi ŝin, — kaj kiam ŝi frapis, mi ne ekĝemis, kvankam la doloro estis terura.

La sango, kiu elŝprucis el mia koro, makulis la flugilojn de la lasta horo de mia vivo, blankajn kaj purajn. Kaj mi pensis: eĉ mia morto estos malgaja kaj timiga, sed mi ne demandis, kial tiu ĉi virino kondutis tiel.

Ŝi volis tiel — kaj mi ŝin amas.

## Feliĉo

Ni ne parolu pri la feliĉo, al kiu ni pasie sopiras, ni ne parolu pri ĝi...

La feliĉo estas kiel malgranda birdeto, ĝi facile timas.

Ni atendu trankvile, ni ne parolu pri ĝi, eĉ ni ne pensu... En la trankvilo de nia koro, en ĝia profundo ni pasie deziru la feliĉon, kaŝante antaŭ nia propra penso tiun pasian deziron.

Ĉar la feliĉo estas kiel lumo inter la nuboj: ĝi aperas momente, briletas kaj ree rapidas kaŝiĝi.

Ni ne voku la feliĉon, ni ne celu al ĝi, ni ne luktu por ĝi; kiel infanoj, kiuj je Kristnasko songâs, ke Kristo alportos al ili donacojn, kaj ili atendas lin alarme, senbrue, en maltrankvila timo — atendu ankaŭ ni.

Se devas veni, ĝi venos...

La feliĉo estas kiel la suno, pri kiu revas la floroj vivantaj nur unu tagon... ili ne povas iri al ĝi, ili atendas ĝin.

Se la tago estas klara, ĝi venos... Se nuboj kovras la ĉielon, ili atendas ĝin vane...

Ili velkos kaj ne vidos la sunon. La vesperon, en la minuto de l' morto, ili diros: vane ni malkovris niajn kronetojn por ĝi, ĝi ne venis...

Ni trankvile atendu la feliĉon... ĝi estas por la koro tio sama, kio estas la suno por la floroj vivantaj nur unu tagon... se devas veni — ĝi venos.

Ni ne parolu pri la feliĉo, al kiu ni pasie sopiras, ni ne parolu pri ĝi... ĝi timas kiel birdeto.

## Abio

Mi veturis foje en la krepusko sur dezerta vojo al la arbaro. La vento blovis de la montoj, kaj la alta bela arbaro de pinoj kaj abioj mallevis la malluman linion de siaj pintoj. El la montoj venis

malhelaj pluvnuboj, kaj ili kvazaŭ levis kaj portis grandiozajn pecojn de ŝtonrokoj. La glitveturilo glitis trankvile sur la mola neĝo. Ĉirkaŭe estis nenio alia ol la arbaro skuata de l' vento kaj la ŝtonrokoj klinitaj ĉi tie de miljaroj. Morta silento. Je tia malĝojo estas plena ĉi tiu arbaro, kvazaŭ la animo de l' naturo estus mortinta ĉi tie. La koro de l' tero ne povas frapi sub tia dezerto. Tie ĉi estas la fino de l' vivo.

La vojo kondukis en la mallumon, en la tranĉitan linion de arboj, kaj la pinoj kaj abioj malleviĝis kaj leviĝis sub la vento, kiel grenkampo. Sed, apogita sur la branĉoj de iu abio, mallevis pinton al la tero alia abio, de la neĝo kaj ventegoj preskaŭ eltirita kun la radikoj. Ĝi vivadis ankoraŭ, sed velkadis, kaj el tiu tuta muro de luliĝantaj akrapintaj arboj nur ĝi montris antaŭen sian kapon, kiel knabino, kiu atendas la morton sur la ŝultro de sia kamaradino. Kaj ĉirkaŭe mallumo, pluvnuboj kaj kolosaj sin portantaj en la abismon de l' nebulo kaj mallumo masoj kaj krutegaĵoj de la Tatroj.[1]

Mian animon kaptis malĝojo.

Trad.: *Iv. H. Krestanov.*

---

# „Kial?“

*Respondo al la artikoleto de Zanoni*[2]

de **H. Nieborowski,** kapelano

Unue mi atentigas, ke la ekzemplo de la formikoj estas ja lerte elektita por plifortigi la impreson de la „Kial“, sed ke nepre ne estas konvene, egaligi la kapricon de bubo kaj la volon de Dio. Jam per tiu ĉi ekzemplo la „Kial“ estas respondita en maniero malamika al Dio.

La aŭtoro nun donas la sekvantan ekzemplon, kiu ŝajnas pruvi, kiel arbitra estas la volo de Dio rilate al la homoj:

„La fulmo frapis domon kaj cindrigis tutan urbon. La homoj murmuris kontraŭ sia Dio. La plej saĝaj inter ili diris: ‚Jen meritita puno pro via malpia konduto! Rigardu en vian koron kaj ŝanĝiĝu, por ke Dio kontraŭ vi ne plu koleru!‘ Ili do preĝis tage kaj nokte kaj eĉ konstruis novan majestan katedralon; sed baldaŭ poste tertremado forglutis la tutan landon kune kun la preĝejoj kaj la homoj. Kial?“

La demandanto ne diris, kiam kaj kie tio okazis. Per tiu ĉi ekzemplo li aludas, ke Dio, malgraŭ pento kaj pliboniĝo, malgraŭ bonaj faroj, aljuĝas novajn punojn, ja eĉ neniigon al la malfeliĉaj homoj. Kial? — Estu jam nun dirite, ke tiu ĉi „Kial“ tute ne povas esti respondata por tiuj homoj, kiuj ne kredas al Dio. Sed se la aŭtoro kaj la legantoj staras sur diokredema vidpunkto, oni povas doni sufiĉajn klarigojn. Tute ni ja neniam komprenos la volon de Dio, ĉar lia senlima intelekto antaŭdecidas ĉiujn okazintaĵojn laŭ kaŭzo kaj efiko por miljaroj, dum ni per nia limigita intelekto apenaŭ komprenas laŭ kaŭzo kaj efiko la aferojn nin ĉirkaŭantajn. La aŭtoro ne diris al ni en sia ekzemplo, ĉu ĉiuj faris penton. Ni supozu la pli multajn. Tiamaniere per la tertremo la nepentemuloj ricevis sian punon, sed la pentemuloj perdis la vivon nur por ricevi en la alia vivo la rekompencon por sia pliboniĝo. Certe okazas ofte en la vivo, ke senkulpuloj devas suferi kun la kulpuloj. Sed ĉe tio la homo virto sin ofte montras en admirinda grandeco; tio estas, kio precipe plaĉas al Dio, kaj per kio la senkulpuloj pentofaras pro propraj malbonaĵoj kaj pro tiuj de siaj gepatroj, por atingi despli grandan rekompencon. Mi memorigas pri la pacienca Jobo, kiu malgraŭ la plej teruraj afliktoj diosindone parolis: „La Sinjoro donis ĝin, la Sinjoro ĝin prenis, la nomo de la Sinjoro estu benata.“ — Mi povus ankoraŭ citi multnombrajn ekzemplojn, mi povus mencii, kun kia pia rezignacio kaj kun kia heroa karaktero la katolikaj Hispanoj eltenis la preskaŭ senekzemplan aflikton pro la tertremo en la jaro 1884, mi povus mencii, kiel Dio transformas la malfeliĉon al la bono (la Egipta Josefo), sed mi timas, ke la estimata redakcio ne donos al mi tiom da spaco, kaj tial mi resumas: Por la diokredema Kristano la solvo de la enigmoj pri la volo de Dio estas donata de la kredo, kompletan klarecon ni atingos nur en la eterneco.

Trad.: *Walter Knopf.*

[1] Montoj en Galicio — *La trad.*

[2] Vidu „Esperanto“, majo 1919, paĝo 77 (9).

---

# Monedo kaj Aeroplano

El *„La Dorna Karesilo“* de **Bela Manto**

La du jenaj verspecoj estas eltiritaj el la originala verko de nia pseŭdonima samideano Bela Manto, kiu estas recenzata en ĉi tiu numero.

*Preskaŭ preta, en uzin',*
*Staris nova flugmaŝin',*
*Per okulo esplorema*
*Ĝin rigardis la Moned'*
*Kaj kun longa fraz' jentema*
*Diris plena je malkred':*
*„Kia vanto memkonfida!*
*Tiu brut' flugilrigida*
*Kun tordilo sur la bek'*
*Volas flugi — kia pek'!*
*Ĉu sin levis dum jarmiloj*
*Iu bird' el nia rang'*
*Ne per svingo de flugiloj,*
*Sed per tordo de la lang'?*
*Tiaspeca flugveturo*
*Simple spitas al naturo*
*Kaj meritas sen kompat'*
*Akran vorton de malŝat'!“*
*Ĝi apenaŭ finis frazon,*
*La maŝin' ektordis nazon*
*Kaj post paso de moment'*
*Pendis jam en firmament'.*
*Flugis ĝi sen trem', sen skuo*
*Kaj kun tia krak' kaj bruo,*
*Ke pro timo kaj terur'*
*La Moned' sin kaŝis nur.*
*Se vin kaptos skeptikec'*
*De simila birda spec',*
*Vin kuracu de malkredo*
*La ekzemplo de l' Monedo.*

---

# Nevola Jupitro

*En fizikistan kabineton,*
*Kun pen' tuŝante la pargeton,*
*Tra pord', okaze malŝlosita,*
*Eniris gasto seninvita:*
*Kortanasino;*

*Per ŝancelmarŝo plenmerita,*
*Glitante sur pargeta planko,*
*Skuante sin de flank' al flanko,*
*Ŝi, kiel komercistedzino,*
*Ennaĝis*
*Kaj kun scivolo de virino,*
*Al iu elektrizmaŝino*
*Staranta en la ĉambrofino*
*Tuj ekvojaĝis.*

*Kun mir' ĉe iu rado haltis,*
*Sur iun fluidajon saltis*
*En bankuveton,*
*Maldekstren, dekstren nazon*
*strekis,*
*Butonon iun blankan bekis*
*Kaj puŝis ne krieton,*
*Sed tian krion,*
*Ke mi kompatas Dion.*

*Ĉar ĉirkaŭ ŝi ekkrakis fulmoj*
*Ekblovis iaj kupraj pulmoj*
*Ekgrincis iu vitro,*
*Kaj en la kron' de flam-*
*serpentoj*
*Ŝi estis, kiel Di' de gentoj*
*Jehovo, — aŭ Jupitro.*

*En embaras' de ĉiuj sentoj*
*Vidante ĉi flamjeton,*
*Ŝi jam ne kriis, ŝi jam blekis*
*Kaj per tumulto ŝi revekis*
*La tutan kabineton.*

*Se ne alkurus profesoro*
*Al ĉi tumult' subita,*
*Malsaĝa Anjo en ĉi horo*
*Jam estus jonizita.*

* * *

*Ni ankaŭ ofte fimizerojn*
*Al nia kap' altrenas,*
*Ĉar ni nin miksas en aferojn,*
*Kiujn ni ne komprenas.*

# Por la vivo de UEA

Fervora samideano momente loĝanta en Bern kaj kelkfoje vizitinta la Centran Oficejon petas, ke ni presigu la ĉi-suban memvole verkitan artikolon pri la proponita plialtiĝo de la kotizaĵoj al UEA, nun submetata al la voĉdonado de la Delegitoj.

Atente mi legis en la lasta numero de Esperanto la artikolon de S-ro Stettler pri la situacio de UEA. Laŭ la spertoj, kiujn mi faris dum miaj vizitoj en la Centra Oficejo mi nur povas plene substreki tion, kion diras la Direktoro. La laboro en la oficejo estas tiel ampleksa kaj la nombro de la oficistoj tiel nesufiĉa, ke mi ofte miris, ke la administraj aferoj estas ankoraŭ tiel rapide farataj. La oficistoj povas sin okupi nur pri administrado, pri tio, kio rilatas nur al la funkciado de la Oficejo. La tiom necesa propagando, la repreno de ĉiuj antaŭaj servoj, la disvastigo de la agadkampo de UEA ne povas esti prilaborataj. La salajro, kiun ricevas la oficistoj, tute ne estas tro alta. Kiu iomete restis en kontakto kun la vivo kaj la vivokondiĉoj, tiu certe ankaŭ konsentos, ke la socia bonkonduto postulas, ke la oficistoj estu sufiĉe pagataj. Oni ne devas ekspluati la laborantojn, kiel trafe diras S-ro Stettler en sia raporto.

Mi estas konvinkita, ke la plialtigo de la kotizaĵoj estas absolute necesa, se la disfalo de UEA volas esti evitata. Neniam estis kutimo de UEA altigi la kotizaĵojn, se la neceseco tion ne *nepre* postulis. Ĝi ja ne estas gajnema entrepreno, sed ideala kun idealaj celoj kaj eĉ idealaj, oferemaj laborantoj. Neniam oni povis elpagi por la interesataj personoj eĉ unu centimon da gajno; kontraŭe ĉiuj helpantoj devis elspezi ankoraŭ monon por ebligi la ekziston de la asocio. Se la pioniroj de UEA ne estus konvinkitaj, ke ilia laboro estas vere en la intereso de la homaro, ili certe neniam oferus sian monon kaj tempon por florigi tiun entreprenon. Kaj ni ĉiuj, kiuj sampensas kun la kreintoj de UEA, ankaŭ ni devas uzi ĉiujn niajn fortojn por akceli la klopodojn de ĉi tiu internacia institucio de vere internacia valoro. La kotizaĵoj, kiujn oni projektas estonte postuli, eĉ tiam tute ne estos tro altaj. Se lokaj grupoj jam postulas 75 monunuojn de sia landa mono (ekzemple la laborista grupo de Frankfurt 75 pfenigojn pomonate) tiam la jara kotizaĵo por UEA tute ne estas alta. Sed ne estas allasebla, kompari UEA kun naciaj lokaj grupoj. Kiu volas doni al ĝi nur la valoron de loka grupo, tiu tute miskonas la veran signifon de UEA.

UEA estas io supernacia, io, kio ĝuste en la nuna epoko estas la simbolo de la spirito de la nova tempo. La ideoj ŝanĝis. Ne plu devas ekzisti unuavice la nacio, sed kontraŭe la homaro, tio estas la supernacieco, la internacieco. Kien nin kondukas la tro granda akcentado de la nacieco aŭ la ŝovinismo, tion montris al ni la epoko depost 1914. La kosmopolitismo estas la stelo, kiu nun lumas tra la mondo. Ni devas kompreni unu la alian, kaj ni devas harmonie vivi unu apud la alia. Tio estas atingebla nur, se ekzistas vere internacia institucio, kiu faciligas kaj praktikas la internaciajn rilatojn. Kvankam tia institucio ekzistas depost multaj jaroj en nia UEA, ni tamen ofte forgesis niajn devojn kontraŭ ĝi. Ni ĉiam nur postulis pli vastajn servojn, sed preskaŭ neniam ni koncentris niajn fortojn por havigi al UEA la eblecon je plivastiĝo. Ni ne havigis al ĝi la monon, sen kiu nenia fruktodona agado estas ebla. La kelkaj oferemuloj, kies donemon mi volas ĉi tie publike laŭdi, faras escepton. Sed tro granda nombro da personoj montris indiferentecon kontraŭ la ĉefa problemo por UEA, la monoproblemo. Ni povas fari multon se ni volas. Kiam la milito furiozis, tiam troviĝis certa nombro da personoj, kiuj laŭforte subtenis kondamnindan aferon — la militon. Por ĝi fluis kaj rulis ne nur la miloj kaj milionoj sed eĉ la miliardoj. Ĉu ne estas trovebla ankaŭ certa nombro da personoj, kiuj nun agos sammaniere por laŭdinda kaj hominda afero? Ĉu inter ni Esperantistoj ne troviĝos la certa nombro por koncentrigi nun niajn fortojn al la subteno kaj prosperigo de nia UEA?

Neniam devas manki la centrejo, kien kunfluas ĉiuj vejnoj de la Esperanta movado. Je la ekzisto de tia entrepreno ni ĉiuj havas tiel grandan intereson, ke ni eĉ devas malatenti la prosperon de aliaj malpli gravaj institucioj. Unue devas vivi nia UEA, kiu depost pli ol jardeko faris por la Esperanta movado la plej grandajn servojn. Jam tro ofte ni konstatis, ke „internaciaj" entreprenoj, nove fonditaj, pereis post kelktempa ekzistado. Tiaj entreprenoj ne estas avantaĝo por la movado, sed ili multe malutilas. Kaj preskaŭ ĉiuj internaciaj Esperantaj asocioj turnas sin al la sama rondo da personoj, al tiuj, kiuj vere estas Esperantistoj. Per starigo de troaj internaciaj organizajoj oni disigas la fortojn, kaj nenio valora povas esti atingata. Ankaŭ la nombro de gazetoj estas tro granda. Unu granda gazeto, kun tre multe da abonantoj, valoras pli ol cent kun po kelkaj legantoj. Kuracu la ĝisnunan malsanecon de la Esperantista agado. Se vi ekscias, ke samideano havas la intencon fondi novan gazeton — „sendube ĝi estas necesa laŭ la pretendoj de la fondonto" — tiam instigu lin, ke li donu la monon, kiun li intencas elspezi por la gazeto, al UEA kaj ke li samtempe oferu sian laborkapablon al la sama institucio noblamaniere, sen ambicio, gloramo kaj fanfarono.

*Ekkonu fine, samideanoj, la necesecon unuigi ĉiujn fortojn je unu punkto, je unu afero,* kiu meritas la plej grandan helpon kaj kiu promesas pro sia organizo kaj sperto fruktodonan rikolton. Subtenu nian UEA. Helpu, kiam helpo estas ankoraŭ ebla, kaj ne lasu disfali ion, kio jam tiel multe utilis al la tuta Esperanta movado.

UEA devas esti kaj resti la ruĝa fadeno, enteksita en la tuta reto de la Esperantistaro — ĝi devas esti la kondukilo por nia kultura veturilo.

La Delegitojn mi petas insiste, voĉdoni por la altigo de la kotizaĵoj — kiel proponite — por ke nia UEA povu daŭrigi sian laboron. Ĉiu ankaŭ varbu novajn membrojn, ĉiu klopodu alporti monon senavare, ĉu per varbado de subtenantoj, ĉu per donacoj aŭ alimaniere. Nur se ĉiuj uzas siajn tutajn fortojn, nur tiam ni povas atingi kontentigajn rezultatojn. Al la laboro do, vi ĉiuj, kiuj ne ankoraŭ perdis la intereson por Esperanto. Pensu al la interna ideo de Esperanto, al la taskoj de la nuntempo, al la instruoj de la pasinto kaj al la esperoj, kiujn ni havas por la estonto. Se vi tion faros, tiam vi ankaŭ fervore batalos por ideo, en si mem bonega.

*A. Omlor.*

*PS.* Post kiam mi mem vidis la malagrablan situacion de UEA mi tuj fariĝis subtenanta membro kaj ankaŭ decidis fariĝi garantianto. Mi tute ne estas riĉa, mi devas gajni mian monon per laboro, kaj ĉar la gajno ne estas granda, mi devis ŝparegi por havi la necesan sumon, sed post kelke da tempo mi povis transdoni al la Centra oficejo la necesan sumon. Mi ne diras tion por fanfaroni, sed por montri, ke oni povas helpi se nur la volo ekzistas. Kaj nun mi estas fiera, ke mi povis alporti mian obolon.

# Inter ni

*En Varsovio vidiĝas ĉe poŝtoficejo granda surskribaĵo en lingvo Esperanto kaj same ĉe stacidomo kaj urbocentro de Lodz. Tuj trovas iu fremda samideano tiamaniere la adreson de la Delegito kaj ekinteresiĝas la skeptika vojaĝanto pri utileco de nia movado.*

*Efektive pri tuja uzebleco estas plej necese, ke ni insistu per agado kaj propagando. „Igu la lingvon ĉiam pli perfekta!" ripetas kelkaj. „Igu ĝin ĉiam pli utila!" ŝajnas al mi pli ĝusta devizo. La lasta jarlibro de UEA estas ofte pli efika propagandilo ol plej bona teoria broŝureto.*

*Pri teorio ĉiuj povas malkonsenti, sed pri faktoj praktikaj pli facile estas akordiĝi. Ni do zorgu por plivastigi tiun kampon en nia movado. Nova internacia vivado nun restariĝas inter okcidento kaj novaj orientaj ŝtatoj. Kion do atendas ekzemple Britaj Esperantistoj por informiĝi per UEA pri bezonoj de Pola kaj Ĉeĥoslovaka komercoj kaj ilin konigi en sia lando? Kion ili atendas por disvastigi per Esperanto en Praha, Varsovio kaj Lodz proponojn de Britaj firmoj?*

*Niaj Delegitoj havas nun mirindan taskon por ludi gravan rolon en tiu starigo de novaj interrilatoj. Same pri kronikoj por gazetoj: nenio estus pli facila ol ricevi regulajn raportojn pri ĉiaj okazintajoj kaj ilin traduki por ĉiutagaj jurnaloj. Kial do lerni la lingvon se nur por ĝin uzi ĉe festkunvenoj de niaj grupoj?*

*Lerni Esperanton estas laŭdinda servo al homaro, sed vana kaj nesufiĉa sen tujposta celo. Ĉiu Esperantisto devus aliĝi al UEA kaj alpreni sur sin unu specialan taskon por helpi per Esperanto iun aŭ ion ajn, ĉu sian landon, ĉu amikojn, ĉu homaron, ĉu societon, ĉu ideon, ĉu sin mem.*

*Nun ĉie kreiĝas novaj internaciaj organizajoj kun noblaj celoj. Kial ne traduki Esperanten iliajn prospektojn kaj ilin disvastigi eksterlanden? Kiam tiaj Ligoj ricevos multajn leterojn kaj aliĝojn per nia lingvo, ili ĝin tre baldaŭ alprenos kiel oficialan komunikilon.*

*Edmond Privat.*

# ESPERANTO-KONGRESOJ

## Dek-dua Nord-Amerika Esperantista Kongreso

La unuan fojon la jara kongreso de la Esperanto-Asocio de Nord-Ameriko (E. A. N. A.) okazis ne en Usono, sed en Kanado, en la urbo Montreal je la 9—13 julio. Kompreneble, pro la distanco, la partopreno ne estis tre multnombra, sed tamen la sukceso estis tute kontentiga.

La laborkunvenoj okazis en hotelo Windsor kaj estis tre viglaj. Ĉefa diskutajo estis ŝanĝo je la konstitucio de E. A. N. A., konforme al plano de S-ro James F. Morton. Diversajn proponojn kaj sugestojn faris S-roj H. D. Phizicky, el Montreal, R. E. Blackstone, el San Francisco, Joseph Silbernik, el New York, G. W. Lee, el Boston, k. a. La amendita konstitucio estis unuanime akceptita. La jena estraro estis elektita: Edward S. Payson, prez.; Ch. F. Bardorf, vicprez.; E. F. Dow, sekr.; B. P. Mann, kas.

Sukcesa ekskurso estis aranĝita ĉe la rivero St. Lawrence kaj, dimanĉe, okazis tre ŝatita Diservo, kondukita de S-ro Pratley tute en Esp. Granda propaganda kunveno, kie paroladis Prof. H. W. Hetzel, el Philadelphia, A. P. Beauchemin (la unua Kanada Esp-isto, fondinto de „La Lumo“ en 1898), D-ro D. O. S. Lowell, el Roxbury, kaj F-ino Stœppler, el New York, vekis multe da intereso inter la loĝantaro de Montreal.

La jurnaloj de Montreal detale raportis pri la kunvenoj, eĉ kun ilustrajoj; la kongresanoj estis ankaŭ filmitaj. Oni ne dubas, ke tiu sukcesinta kongreso favore efikos la propagandon en Kanado.

## Oka Kataluna Esperantista Kongreso

Post kvinjara dormado vekiĝis la Katalunaj Esperantistoj. Tion pruvis la oka kongreso en la industria urbo Manlleu. La kongresanoj estis akceptitaj de la urbaj aŭtoritatoj. Poste oni iris al la urba domo, kie la urbestro kaj S-ro M. Sola, prez. de K. E. F., bonvene salutis ilin. Kun la ĉeesto de la regiona deputito kaj de aŭtoritatuloj malfermiĝis vespere la kongreso en la teatro Gurcia.

Laborkunsido okazis post ekskurso al la famaj profundegaĵoj de la rivero Zer. Inter aliaj aferoj oni diskutis la reorganizon propagandan de la Kataluna Esp. Federacio post la milito. La naŭa kongreso okazos en Gerona, antikva kaj historia urbo.

En la urba preĝejo estis meso je la memoro de la Esperantistoj mortintaj dum la milito, post kiu kun grava soleno kaj antaŭ tre granda ĉeestantaro oni festis la internaciajn florajn ludojn en la klasika velsalono. La gajninto de la natura floro, S-ro I. Irau, el Barcelono, elektis kiel reĝinon de la festo la ĉarman urbestran filinon. Sekvis oficiala festo en la ĝardeno de hotelo Magi.

La kongreso estis vera reviviĝo de Esp. en Katalunio, ĉar la 200 ĉeestintoj promesis labori kaj propagandi senĉese kun la kredo, ke pli bonaj tagaj alproksimiĝas.

# KRONIKO

La komunikoj por la kroniko estu sendataj ĉiumonate *antaŭ la 20ª*. Oni bonvolu ilin redakti kiel eble plej koncize.

Mallongigoj uzataj: *Esp.* = Esperanto; *Esp-isto* = Esperantisto; *L. I.* = lingvo internacia; *prez.* = prezidanto; *vicprez.* = vicprezidanto; *sekr.* = sekretario; *kas.* = kasisto; *rev.* = revizoro; *bibl.* = bibliotekisto; *l.* = lernanto; *m.* = membro; *p.* = persono.

## Aŭstrio.

*Graz:* „Neue Roman-Zeitung“ enhavas ĉiam Esp. angulon. „Grazer Urania“, kiu celas la disvastigon de natursciencaj kaj teknikaj scioj, akceptis la Stirian Esp.-societon kiel membron. La societanoj nombras 153, kun Leoben 204. — *Neuberg:* S-ro Lidl paroladis. Kurso, 16 p. — *Wien:* S-ro Jakobsen eldonos monatan gazeton „Esperanta Kantado“. La Ĉeĥaj Esp-istoj rekunvenas, pri kio kelkaj Wienaj Ĉeĥaj gazetoj raportis. Ĉeestis 25 p. Kursoj kaj propagando estos aranĝataj. Internacia laborista societo „Frateco“ revekiĝis.

## Belgio.

Okazis en Bruxelles komitata kunveno de la Belga Ligo Esp. sub la prezido de S-ro A. J. Witteryck. Oni decidis rekomenci viglan agadon kaj revivigi la Belgan Ligon. Estis aranĝataj fakoj por propagando, por revuo, por instruo, por kooperativo. „Belga Esperantisto“ reaperos kiel eble plej baldaŭ. La venonta Belga kongreso okazos dum Pentekosto 1920; la urbo ne estas ankoraŭ difinita. La 7ª kaj 8ª kongresoj okazintaj en Anglio estas konsiderataj kiel oficialaj. La komitato konsistos el S-roj A. J. Witteryck, prez.; Cogen kaj Champy, vicprez.; Petiau, sekr.; Mathieux, kas. S-ro Delvaux, el Charleroi, estis elektita membro de la Ligo. — *Bruxelles:* Malfermiĝis denove la senpaga oficiala informoficejo, Place de la Bourse. Oficestro estas S-ro Piens. En blindulejo de Wohuve kurso por 25 p. — *Gent:* „La Progreso“ organizis ekspozicion, kiu estis tre bone vizitata, kaj kies sukceso ne malmulte estas ŝuldata al favora artikolo en jurnalo „La Flandre Libérale“.

## Britio.

*Canning Town:* La skoltoj kun trupestro kaj subrotestro lernas Esp., dezirante aliĝi al la Skolta Esp. Ligo. — *Edinburgh:* Ekspozicio ĉe la konferenco de la Skota Eduka Instituto vekis kreskantan intereson ĉe la instruistoj. — *London:* Interesa kunveno ĉe la Nacia Biblioteko por la blinduloj en Westminster. F-ino H. E. Boord faris rimarkindan paroladon pri la ĝis nun atingitaj rezultatoj. La Biblioteko jam enhavas 500 volumojn de Esp. literaturo. Sekvis paroladoj de F-ino Candy, F-ino Stacy (blindulino), S-roj Harrison Hill, W. M. Merrick (blindulo) kaj de S-ino Blaise. — *Manchester:* Kursoj. — *St. Andrews:* S-ro D. J. Young paroladis sukcese antaŭ 60 instruistoj ĉe la universitato.

## Bulgario.

La Bulgara Esp. Societo eldonas denove „Bulgara Esperantisto“. Informoj el la provinco pri fondo de novaj aŭ restarigo de malnovaj grupoj konstante alvenas en la Centra Propaganda Komitato.

## Ĉeĥoslovakio.

*B. Leipa:* Kunveno de la „Landligo de Germanaj Esp. societoj en Bohemio". S-ro Scholz paroladis pri propagando. La ligo laboros kun la Ĉeĥaj organizajoj por enkonduki Esp. en la Ĉeĥoslovakajn lernejojn. — *Olmütz:* La gazeto „Völkerbund" luktanta por „La Ligo de la Nacioj" (tiu ĉi subtitolo staras ankaŭ en Esp. sur la 1a paĝo) enhavas regulan Esp. rubrikon. — *Postrum:* Esp. reviviĝas en Germana Bohemio. Refondo de la „Ligo de Germanaj Esp.-grupoj en Bohemio" estas projektata. — *Schönberg:* S-ro Tutsch paroladis en scienca societo „Kosmos". — *Tetschen-Bodenbach:* Laŭ peto de la socialista organizo malfermiĝis tie kurso por 28 p. el laboristaj rondoj.

## Danio.

*Kolding:* Okazis la 9a Dana jarkunveno samtempe ankaŭ ĝenerala kunveno de Centra Dana Esp. Ligo je la 3—4 aŭgusto. La komitato konsistos el S-ro M. Blicher, prez.; F-inoj L. Asmussen, A. Jörgensen, A. Rybo kaj S-roj A. Christensen, Heilskov, G. Hinrichsen, Israelsen, Mejndor, Wulff kaj Taumose. Oni estis kontenta je la laboro de „Centra", sed bedaŭris, ke ĝi ne plu eldonas „Esp. Raporto". Sed komprenante, ke pro ekonomiaj kaŭzoj estas saĝe ĉesigi la eldonon, la kunveno aprobis la aranĝon havi „Esperanto" kiel organon. Oni ne havos kunvenon en 1920, sed instigos la Danajn samideanojn partopreni je la 2a Skandinava kongreso en Kristiania. Multaj gazetoj raportis pri tiu jarkunveno.

## Germanio.

*Achim:* La intereso por Esp. fortiĝas. Kurso finiĝos. „Kreisblatt" aranĝos Esp. angulon. Ĉiuj komunumaj administraj oficistoj scipovas Esp. — *Auerbach:* En la lecionplano de la popola altlernejo estas akceptita Esp. — *Berlin-Steglitz:* S-ro Wichert paroladis dum monata kunveno. Kurso estos aranĝata. — *Beuthen:* Kurso kun 20 p. el la unuiĝo de katolikaj junuloj. Fondiĝis „Frateco", societo de katolikaj Esp-istoj kaj pacamikoj. — *Coethen:* En „Friedrichs-Polytechnikum" paroladoj pri Esp. — *Dresden:* Aŭstra samideano reveninta el Aŭstralia kaptiteco, S-ro W. Giukowky (Moor), faris ĉe la kunveno de UEA du paroladojn interesplenajn. — *Eisenach:* La grupo aranĝis amuzvesperon. Ĉeestis pli ol 100 p. Ekskurso kun 45 p. Dua kurso komenciĝis. La grupo havas 60 m. — *Erfurt:* Kurso kun 15 p. — *Essen:* Bonsukcesinta vesperfesto. Paroladoj de S-roj Pillath kaj Klein. — *Forst:* Kurso kun 25 p. „Volkszeitung" kaj „Freier Volkswille" akceptas mallongajn Esp. notojn pri la socialista movado. Skribu! La Del. tradukos la artikolojn. — *Frankfurt a. M.:* Esp. estas instruata en la blindul-instituto. Formiĝis Esp. blindula rondo. — *Godesberg:* La grupo ofte estis vizitata de Kanadaj, Francaj kaj Anglaj Esp-istoj. S-ro Hawking el Plymouth raportis pri la 10a Brita Kongreso. — *Hirschfelde:* En „Südlausitzer Nachrichten" estas Esp.-angulo enkondukita de S-ro Pfennigwerth. „Zittauer Nachrichten" aranĝos tian. — *Mannheim:* Kurso kun 55 p. — *München:* La Esp. Ligo aranĝis vesperfeston. Parolado de S-ro V. de Jankó. Kurso por 12 p. — *Mylau:* S-roj Streidt kaj Gerisch paroladis dum la ĉefkunveno. Loka gazeto aperigas Esp. angulon. Kurso kun 20 p. 25 gazetoj de la regiono enhavas ĉiudimanĉe Esp. angulon. Reprezentantoj de ĉiuj grupoj de la Vogtlanda Esp. Ligo ekskursis. S-ro Teltschik faris serion da paroladoj. — *Offenbach am Main:* Kurso por 12 p. — *Plauen:* Esp. estas en la tabelo de la prelegoj en la popola altlernejo dum 1919/1920. Instruanto S-ro Guido Otto. Kursoj por senlaboruloj. — *Worms:* Esp. vivo vigliĝas. Kurso.

## Finnlando.

*Isokyrö:* Vesperfesto, dum kiu paroladis S-ro H. Salokannel. Kurso aranĝata.

## Hispanio.

*Barcelona:* Okaze de la 32a datreveno de la apero de unua Esp. lernolibro „Paco kaj Amo" aranĝis feston.

## Hungario.

*Budapest:* Estas organizita Esp. Skolta movado. S-ro M. Páll enkondukis Esp., kaj sub lia gvido skoltgrupo sub Esp. flago marŝis tra la urbo.

## Italio.

*Bologna:* Kurso preparata. — *Casalbuttano:* Reviviĝis la grupo. — *Cremona:* La grupo sendis al diversaj oficejoj de l' Paca Konferenco en Parizo propagandan artikolon de Prof. Carolfi, tradukitan en Angla, Franca kaj Esp. — *Genova:* Komerca instituto Volta instruas Esp. — *Greco Milanese:* Du kursoj, 130 p. — *Milano:* La novelektita estraro de la Esp. societo „Esp. Domo" decidis eldoni monatan revuon. Kursoj kun bonegaj rezultatoj finiĝis, novaj komenciĝos. Firmo „Sonzogno" eldonis Esp. gramatikon. — *Padova:* En la specimena foiro estis montritaj Esp-ajoj. — *Pola:* Kurso, 80 p. — *Potenza:* Kursoj. — *Sampierdarena:* Societo reviviĝis. Kurso kun 40 p. — *Terni:* Klubo restariĝis. — *Verona:* S-ro M. Vaona paroladis.

## Litovio.

*Kovno:* Post parolado de S-ro P. von Medem 24 p. enskribiĝis por kurso. Esp. vivo kaj agado reviviĝas. S-ro von Medem fondis novan libraron, ĉar la preskaŭ 2000 librojn enhavanta bonega biblioteko tute malaperis dum la milito.

## Polio.

*Lodz:* Post disdono de diplomoj la lernantoj donacis al la societo pentritan bildon kaj kolektis 68 Mk. por la „Zamenhof-Biblioteko". Okaze de la vizito de S-ro Privat estis aranĝita kunveno, en kiu paroladis S-roj Zimmermann, Ilimovič, Kriŝtal kaj F-ino R. Rozen. En longa parolado dankis la gasto kaj respondis al la demandoj faritaj al li. Komuna trinkado finis la vesperon, kiu lasis bonan impreson kaj propagandis. Kunveno loka okazis por fondo de „Literatura Rondo". Decido estis ekrilati kun „Literatura kaj debata Societo" en London. Loka gazeto aperigis artikolojn pri S-ro Privat kaj pri Esp. eksperimentoj en Anglaj lernejoj.

## Portugalio.

*Evora:* La monata revuo „O Informador" enhavas ilustritan fakon en kaj pri Esp. — *Lisbono:* Grava movado ĉe la socialistoj, pri kiu ni raportas aliloke. Kursoj en la sidejo de la socialista asocio, 75 p., en la kvartalo Castelo, 30 p., en la popola universitato, ĉe la grupo „Verda Stelo", k. a. La ministro por publika instruado dekretis la nedevigan instruadon de nia lingvo en la elementa komerca lernejo, ĝin rekomendante al la 800—1000 gelernantoj de tiu lernejo.

## Svedio.

*Sandviken:* Kurso por 12 p. Parolado antaŭ 80 instruistoj. Oni faris petskribon por enkonduki Esp. en teknikan kaj popolan lernejon. La urbestraro proponis subteni la instruadon en teknika lernejo per 200 Kr. — *Stjarnsund:* Parolado antaŭ 60 p.

## Svisio.

*Bellinzona:* Post la kurso fondiĝis grupo kun 15 m. La estraro de la „Popoldomo" aliĝis al la Esp. movado. — *Bern:* Pagata kurso en la fabrikejo de D-ro Wander (Ovomaltino), instruas S-ro Krestanov. — *Chiasso:* Kurso. S-ro Albertini klopodas fondi grupon. — *Locarno:* S-ro Pedrazzini fondis Svisan eldonan societon „Espero", kies katalogeto aperis. Estas iniciatata la kreo de Laborista Esp. Ligo. Kursoj aranĝotaj — *Turgi:* Vigla propagando. Afiŝoj, kurso. — *Zürich:* La societo „Veritas" malfermos kurson.

## Malgrand-Azio.

*Smyrna:* Fondiĝis „Helena Esp. klubo".

## Japanio.

*Osaka:* Esp. progresas. Okazis kurso por 13 blinduloj.

## Argentino.

*Bahia Blanca:* Du kursoj por viroj kaj virinoj aparte. — *Buenos Aires:* La propagando ne ĉesas, precipe inter la komercistoj. Okazis eksterordinara ĝenerala kunveno por reorganizi A. E. A. laŭ nova statuto. — *C. Pringles.* S-ro J. Merlotti gvidis kurson kaj baldaŭ fondos grupon. — *Medanos:* F-ino Cyra Rodriguez gvidas kurson por fraŭlinoj. — *Talleres:* Artikoloj aperis en kelkaj lokaj gazetoj. Kurso en publika lernejo.

## Brazilo.

*Ceará.* Fondiĝis grupo „Nova Samideanaro". — *Sergipe:* En la normala lernejo kurso kun 40 p. Du aliaj kursoj aranĝataj. — *Rio de Janeiro:* Lokaj gazetoj publikigis artikolojn pri Esp. En lernejo estas enkondukita Esp. 30 p. Du novaj kursoj. Okazis ĝenerala kunveno de „Brazila klubo Esperanto".

---

# DIVERSAĴOJ

∴ **Esperanto en la lernejoj.** — S-ro W. M. Page, redaktoro de la gazeto „Esperanto Monthly", komunikas al ni la jenajn interesajn informojn pri la progresoj de nia lingvo en la Britaj lernejoj. Oni konigu tiujn faktojn per la nacia gazetaro:

„Dum la Someraj Lernejoj por instruistoj en la Universitato de *St. Andrews* paroladoj pri Esperanto de S-ro W. M. Page, Edinburgo, redaktoro de „Esperanto Monthly", kaj de S-ro D. J. Young, M. A., ĉef-instruisto en Foulford Lernejo, *Cowdenbeath,* antaŭ la studentoj vekis multe da intereso pri la lingvo, kaj kiel rezulto multe da studentoj kaj ankaŭ la direktoro komencis lerni ĝin. Edukaj Komitatoj tra la tuta lando subtenis oficialajn vesperajn kursojn.

„En la unuagradaj lernejoj por infanoj estas kontentiga progreso. Esperanto estas nun instruata en *Green Lane Council School. Patricroft,* por la kvara jaro, kaj la direktoro, S-ro Sanderson, pro la granda sukceso laŭ eduka vidpunkto decidis, ke *ĉiuj* infanoj en la lernejo, 350, *devos* lerni Esperanton.

„Estas nun du kursoj en *Holycroft Boys' Council School, Keighley.* kaj kvar kursoj en *Eastwood Girls' School, Keighley. Donaldson's Hospital, Edinburgh,* kaj *Gallowflat School. Rutherglen,* finis duan jaron de Esperanto kun kontentigaj rezultoj. Dum sia vizito al Skotlando, S-ino Cense, S-ino Tiard kaj F-ino Gérard, el Parizo, ĉeestis la kurson en *Donaldson's Hospital* kaj parolis al la infanoj, kiuj kantis kaj deklamis al ili en Esperanto kaj prezentis komedion. La infanoj tre ĝuis la sperton interparoli kun alilanduloj kaj aŭskulti al ili.

„La ĉef-instruistino de *Northcote Girls' School, Armley, Leeds,* skribas: ‚La Esperanto-leciono restas unu el la plej popularaj en nia lecionaro kaj havas, mi estas firme konvinkita, plej altan edukan valoron.'

„Sed la plej grava nuntempa kurso estas la eksperimenta kurso ĉe la *Girls' County School, Bishop Auckland,* kiu estas subvenciita de la Registara *Board of Education.* La eksperimento ankoraŭ ne finiĝis, sed S-ino D-rino Fisher, la direktorino, raportas, ke ĝis nun la progreso de la lernantinoj estas rimarkinda. Ŝi diras, ke la *Board of Education* permesis la instruadon de Esperanto en tiu lernejo, ne pro ĝi mem, sed kiel bazo por la instruado de modernaj lingvoj. La *Board* almetis kondiĉojn, inter kiuj estis *a)* ke la instruistino bone sciu la lingvon kaj povu skribi kaj paroli ĝin flue, kaj *b)* ke la sama instruistino en la sekvanta jaro instruu modernan lingvon al tiuj, kiuj lernis Esperanton, kune kun tiuj, kiuj ne lernis ĝin, por ke oni povu konstati, ĉu la lernintoj de Esperanto gajnis iun avantaĝon. La ideo de la *Board* estis, ke Esperanto povus doni al la lernantoj pli klaran scion de la gramatiko, ol tio, kion povas liveri la Angla lingvo. La aĝo de la lernantinoj estas 11—12.

„La direktoroj reklamis por instruistino, sed neniu kandidato prezentis sin; do ili estis devigataj *fari* instruistinon el la instruistinaro de la lernejo. Ili elektis F-inon Pearson, profesorino de la Franca lingvo, kiu komencis lerni je la 1 novembro kaj en la fino de decembro gajnis la *ateston* de B. E. A. ***kun distingo!***

„F-ino Pearson komencis instrui la lingvon en januaro, laŭ la rekta metodo, uzante la lernolibron „Tra la Jaro". La infanoj tuj entuziasmiĝis pri la leciono, kaj kelkaj tiom interesiĝis, ke ili instruas la lingvon al siaj familianoj kaj aĉetas librojn kaj vortarojn.

„Ili daŭrigos lerni Esperanton ĝis decembro 1919, kaj en januaro 1920 ili komencos lerni Francan aŭ Germanan lingvojn. Oni povos tiam konstati, kiom da helpo ili ricevis de Esperanto.

„La Reĝa Inspektoro kaj aliaj, kiuj vizitis la kurson, forte impresiĝis pri la entuziasmo de la lernantinoj. Ĉu la sukceso devenas de la fakto, ke ili konscias pri la konkurado kun aliaj knabinoj, kiuj ne lernis Esperanton, aŭ de la belaj sonoj de la lingvo kaj la facileco, laŭ kiu ili asimilas ĝin, oni ne scias, sed la fakto estas, ke ili ŝatas la lecionon kiel „lud-lecionon", kaj eniras en ĝin, kun la sama ridetemo kaj plezuro, kiujn ili montras kiam ili estas ludontaj. Eĉ la malpli lertaj infanoj faris bonegan komencon.

„Ni atendas kun espero la rezulton de la eksperimento post plua jaro da sperto.

„Esperanto estas instruata en kelkaj aliaj lernejoj, sed ne oficiale. — *W. M. Page.*"

∴ **Esperanto kaj socialistoj.** — En *Portugalio* tre vigliĝas la movado ĉe socialistoj, dank' al la agado de la Portugala Esp. Socialista Asocio („Pesa"), kies membraro triobliĝis de la fino de majo (nun 200). Ĉe la sudregiona socialista kongreso, S-ro Pires Barreira prezentis raporton pri L. I., kiu estis unuanime aprobita. Tiu raporto estos ankaŭ prezentata al la Portugala Soc. Kongreso. Pluraj kursoj por socialistoj okazas en Lisbono. Baldaŭ malfermiĝos kurso por la eminentuloj de la socialista partio, kiel deputitoj, konsilantoj, k. a. La jurnaloj laboristaj kaj socialistaj estas tre favoraj. „O Combate" havas du Esp. fakojn, gvidatajn de S-roj Pires Barreira kaj Pereira Junior. „A Batalha" ankaŭ presigas propagandajn artikolojn kaj „Avante!" publikigas kurson. Baldaŭ okazos Laborista Portugala Kongreso, al kiu S-ro A. Numes prezentos raporton pri Esp. kaj la rilatoj inter la tutmonda laboristaro.

∴ **Esperanto kaj komerco.** — En *Germanio,* okaze de la grava internacia importfoiro en Frankfurt a. Main (1—15 oktobro 1919), la Esp. grupo eldonis en nia lingvo la invitcirkuleron pri la foiro. Ĝi starigis specialan propagandan komitaton. Interesuloj sin turnu al la foiroficejo, Festhalle, Frankfurt a. Main.

En *Polio,* laŭ la iniciato de S-ro J. Ĥimoviĉ, el Lodz, fondiĝis komitato por komuna komerca lingvo, kiu celas: 1e propagandi Esp. inter la komercaj Polaj rondoj kaj faciligi la eksterlandan komercon per Esp.; 2e malfermi informejon, kie la lokaj komercistoj povus ricevi diversajn ofertojn, katalogojn kaj ankaŭ peradi leterojn en Esp. al eksterlandaj firmoj. La komitato konsistas el S-roj Ĥimoviĉ, Abramoviĉ, Seiler, Berman, Cymerman, Krysztal, Waksman, Rosenthal kaj Ĥmielinski. Pluajn informojn donas S-ro Ĥimoviĉ, Dluga 90, Lodz.

∴ **Esperanto kaj blinduloj.** — El *„British Esperantist"*: „Preskaŭ tuj post la kongreso en Liverpool venis tute neatendita helpo al la tutmonda blinda Esperantistaro. La ĉefkomitato de la Nacia Instituto por Blinduloj, Londono, unuanime dediĉis monsumon laŭbezone ĝis £250 al la subtenado de „Esperanta Ligilo", ĉiumonata tutmonda revuo por blinduloj, eldonata de S-ro Thilander en Stockholm. La donaco ripetiĝos ĉiujare ĝis la komitato decidos alie.

„Jen la plej grava antaŭenpaŝo iam farita de ia asocio por la universala instruado de neviduloj. Jen efektiva pacmonumento, ekzemplo sekvinda de ĉiu pacema nacio.

„Ĉi tiu malavara donaco certigas la ĉiumonatan aperon de la „Ligilo" en tia financa pozicio, ke ĉiu, kiu povos legi ĝin, povos ricevi ekzempleron, eĉ se li ne povos malŝpari la malgrandan abonprezon. Esperanto do fariĝos utila al ĉiuj blinduloj, kiuj volas lerni ĝin: jen la plej efektiva propagandilo inter ili!

„Por profitigi la aferon, necesas, ke oni instruu la lingvon al kiel eble plej multaj inteligentaj blinduloj. Ili troviĝas en ĉiu urbo, kaj la legantaro de la „B. E.“ povas antaŭenpuŝi la aferon, serĉante lertajn blindulojn, kondukante ilin al grupkunvenoj kaj ĉiel interesante ilin pri Esperanto. Tion farante, oni baldaŭ trovos, ke lerta blindulo ne apartenas al „suferanta klaso“, sed ke li ne estas nur ordinara lertulo, kiu ne vidas.“

Pri ĉiuj informoj oni sin turnu al S-ro W. Percy Merrick, Woodleigh, Shepperton.

.˙. **Esperanto kaj maristoj.** — Okaze de hidrografiista konferenco organizita de la Brita registaro en Londono (8 julio), nia samideano, S-ro Rollet de l' Isle, aranĝis propagandan paroladon antaŭ maristaj oficiroj, reprezentantoj de la Amerika, Belga, Dana, Franca, Itala kaj aliaj registaroj. S-ro Rollet de l' Isle parolis en Esperanto kaj S-ino Blaise tradukis Anglen. Multaj demandoj estas faritaj de la delegitoj, kiujn tre impresis la facileco, belsoneco kaj praktikeco de nia lingvo. Dum la sekvantaj tagoj granda intereso estas vekita ĉe aliaj delegitoj. La demando pri la utiligo de nia lingvo ne estas diskutita dum la konferenco pro manko de tempo; sed la ĝenerala demando pri lingvoj uzotaj en la estonteco estas sendita por ekzameno kaj konkludo al komitato speciale difinita por studado de demandoj ne esploritaj dum la konferenco. S-ro Rollet de l'Isle, kiu estas membro de tiu komitato, intencas proponi oficialan alprenon de Esperanto aŭ tuj aŭ post mallonga eksperimentado.

El la salutvortoj ni citu la jenajn liniojn:

„Nia revuo volas servi al la internacia komerco, kaj sekve ĝi ne povas atendi ĝis la subskribo de la packontrakto, ĉar komerco kaj industrio devas zorge prepari la vastan laborkampon de l' paca tempo. Certe, ne estas simpla, facila paŝo de milito al paco! La postmilita mondo havos multe alian vizaĝon ol la antaŭmilita. Sole, kiu kun malfermaj okuloj kunvivis la naskon de la nova tempo kaj kiu ĝustatempe preparis por ĝi, sole li rikoltos la plej fruajn kaj plej bonajn fruktojn de la paca laborado... „Nia revuo, kiu ja estas redaktata tute en Esperanto, sendube estas unu el la plej konvinkaj pruvoj por la praktika uzeblo kaj plena praktika sufiĉo de la lingvo. — Ni publikigos en ĉiu numero specialan propagandan artikolon nacilingvan kaj plie ni donos samlingvan tradukon de nia konstanta „Kroniko de Esperanto“. Ni komencos per la Angla lingvo kaj daŭrigos per la Franca, Germana, Hispana, Holanda, Itala, Portugala, Rusa kaj Sveda.“

La unua numero, neriproĉebla el lingva kaj presa vidpunktoj, enhavas Anglan artikolon pri la lingvo de la Ligo de la Nacioj, Esp. informartikolojn pri San Salvador, pri Bulgario, pri la Svisa specimena foiro en Basel, pri la komitato por la komuna komerca lingvo, kronikon, terminologian paĝon k. t. p. Al la nova revuo ni deziras prosperon kaj rapidan kreskon. Ju pli Esp. estos konata en la komerca sfero, des pli ni alproksimiĝos al la celo.

.˙. Aliaj gazetoj ricevitaj:

*„Antaŭen“* (majo ĝis septembro), *„Argentina Esperantisto“* (junio-julio), *„Brazila Esperantisto“* (aprilo-junio), *„Esperanto-Monthly“* (septembro), *„Esperanto-Praktiko“* (septembro-oktobro), *„Esperanto-Raporto“* el Danio (junio), *„Esperanta Finnlando“* (julio-aŭg.), *„German-Pola Esperantisto“* (septembro), *„Itala Esperantisto“* (aprilo-julio), *„Monataj Raportoj“* de la Esp. Soc. Danubio“ (aŭgusto), *„Nederland-Esperanto“* (N-ro 41—48), *„Progreso“* (septembro), *„La Unuigita Tuthomaro“* (septembro). *I. H. K.*

# TRA LA GAZETARO

.˙. *„British Esperantist“* (septembro) publikigas en aldono la Esp. tradukon de la kondiĉoj de la armistico por montri la taŭgecon de nia lingvo ĉe diplomataj aktoj. Leteroj por aŭ kontraŭ la landnoma sufikso *-io* de S-roj Bernard Long, Hodler, Privat, M. C. Butler, W. Haydn Staveley.

.˙. *„Germana Esperantisto“* (aŭg.-septembro) aperigas interesan Germanlingvan artikolon de S-ro F. Pillath pri la lingvoj en nova Eŭropo kaj Esp., kaj de H. S. pri la klerularo kaj Esp. Oni plendas pri la malatento kun kiu la „kleruloj“ rigardas nian lingvon kaj ĝin flanken metas per frazoj, kiuj kaŝas la nescion. Alvoko de la Saksa Esp. Instituto al kunlaborado de Germanaj Esp-istoj por la starigo de kompleta vortarego Germana-Esperanta, laŭ la propono de nia samideano P. Bennemann. Bonan sukceson meritas tiu grava entrepreno. Ni tamen opinias, ke antaŭ ol fari vortaregojn naciajn-Esp., cetere tre necesajn, oni devas unue kompletigi la Esp. radikaron kaj oficialigi multajn vortojn, kiuj kvankam ofte uzataj estas nek en la Fundamento, nek en la Aldonoj.

.˙. En *„Svisa Espero“* (aŭg.-septembro) nia fervora samideano W. Perrenoud faras varman alvokon al la samideanoj aliĝi al UEA — la sola komuna ligilo inter ĉiuj Esperantistoj:

„Pripensu, samideanoj; aliĝante al UEA, vi donas pli fortikan apogon al nia tuta afero; vi profundigas kelkajn radikojn en la grundon, kaj permesas al nia arbo internacia ĉerpi iom pli el la teraj sukoj, kiuj donas al ĝi la forton potence disbranĉiĝadi kaj radie floradi. Aliĝante al UEA vi mem persone progresas...“

.˙. *„Le Travailleur Espérantiste“* (septembro) publikigas tre interesan leteron de la fama aŭtoro de „Fajro“ kaj „Klareco“, Henri Barbusse, kiu aprobas kaj laŭdas nian movadon. Estas ankaŭ legindaj artikoloj pri “Esp. en la lernejo“, „Kurso de Esp.“, „Socia movado en Francio“, „Kelkaj utilaj vortoj“ k. t. p.

Novaj gazetoj:

.˙. **„Internacia Komerca Revuo“**. Monata organo ilustrata por komerco, industrio kaj internacia ekonomio. Jara abono: 5 Fr. Formato: 15×23 cm, 20 p. + IV. Redaktanto: D-ro Hj. Unger. Administrejo: Hauptpostfach 6104, Zürich, Svisio.

# TRA LA LIBRARO

**El la Proksima Oriento** *(De Ukrajnio ĝis Georgio)*. Kun etnografia karto. *Ivan H. Krestanov.* Bulgara Esperanto-Biblioteko, Serio II, N-ro 2. 68 paĝoj, 13×20 cm. Prezo: Fr. 2.50.

Konigante al ni sian patran landon, Bulgarion, S-ro Krestanov nun kondukas nin al la landoj formiĝantaj el la disfalo de l' antaua Rusa imperio, al regionoj nemulte konataj de ni okcidentuloj, sed kiuj, akirante memregecon, certe progresos pli rapide kaj pli altiros la atenton de l' komercisto, de l' industriisto, de l' instruitulo.

La legantoj de „Esperanto“ jam interese legis tiujn priskribojn, sed ŝatos havi ilian praktikan kompletigitan kolekton, kaj niaj aliaj samideanoj taksos je alta valoro tiun fonton de sciencaj, geografiaj, historiaj, lingvaj kaj etnografiaj konoj.

La aŭtoro nin vojaĝigas agrable tra *Ukrajnio*, grenejo de Rusio, kun ĝia fruktoporta nigra tero, tra *Litovio*, kies malnova lingvo, laŭ Max Müller, transportas nin al la lulilo de la aria raso, tra *Blankrutenio*, kun ĝiaj malriĉaj kamparaj isba'oj timplenaj, muŝsvarmaj, hom- kaj bestkorpojn odorantaj, tra *Letonio*, kie mildaj diligentaj vilaĝanoj tiel suferis sub jugo de Baltaj baronoj, tra *Estonio*, tero melankolia, malvarma kaj malseka, sed paciencе laborita de energia gento, tra *Finnlando*, la millaga lando, tiel progresinta malgraŭ malfavoraj klimataj aŭ politikaj kondiĉoj, tra la lando de *Tataroj*, tiomfoje invadinta, ligilo inter la Kristana kaj la Mohamedana mondoj, tra *Georgio*, riĉe naturdotita per produktaj kampoj kaj belrasa tipo.

La historio de ĉiuj priparolitaj popoloj estas sinsekvo de militoj, konkeroj, detruoj, ribeloj, sklavigoj; ĉiuj de longe sopiras pri paco, pri trankvila vivado, pri lingva, religia kaj politika libereco. Povu la nuntempo realigi tiujn rajtajn esperojn.

Ne estas necese diri, ke la nova verko de S-ro Krestanov estas tiel konscience ellaborita, kiel liaj antaŭaj. Stilo flua, korekta, klara kaj preciza, tute konvena al serioza laboro. Neniu lingvonovaĵo, neniu preseraro ektedas la leganton.

Se kritikon oni nepre devas fari, ĝi rilatus al la multnombreco de l' propraj nomoj, precipe de l' aŭtoroj por ĉiu lingvo. Tiuj listoj celas montri la jam riĉan literaturon de l' diversaj popoloj, sed, por

ne klerega leganto, malpli da fremdaj nomoj kaj pli detalaj analizoj de verkoj estus pli interesaj. Verdire ankaŭ, tiun metodon ne permesas facile la limoj de libro, kiu ne oportune fariĝus pli ampleksa, pli laboriga kaj ankaŭ pli kara.

Se, pere de sia verko, S-ro Krestanov forigas kelkajn antaŭjuĝojn kontraŭ nesufiĉe konataj gentoj, se li igas nin pli favoraj al ilia proprecoj, al ilia plua prospero, se aliflanke, riĉigante nian literaturan fakon, li plifirmigas nian Esperantan movadon, liaj plenmeritaj klopodoj estos trovintaj sian taŭgan rekompencon. — *G. S.*

**La Dorna Karesilo,** de *Bela Manto.* Varsovio 1917. 32 paĝoj, 11 × 17 cm. Prezo: 0.40 kop. (Aĉetebla ĉe Adolfo Oberrotman, str. Krak. Przedm. 10—13, Varsovio.)

Sub tiu antiteza titolo, pseudonimulo kolektis po dudek originalaj versaj fabloj, laŭ formo similaj al la ĉie konata fablospeco, sed tute modernaj laŭ la enhavo. Talenton postulas tia entrepreno kaj maltimon de la neevitebla komparo kun famaj naciaj verkoj; sed tiun vetprovon kvazaŭ lude gajnas la autoro, kiu antaŭas kaj difinas sian laboron per tiu verskvino:

„Al homa ridindeco
De plej diversa speco
El tuta sia koro
Fikirojn de l' humoro
Dediĉas la autoro."

Pri la fabloj mem oni legu la unuan kaj la lastan, represitajn en tiu sama numero; ili sufiĉe pruvos la mirigan lertecon de poeto Esperantista, por kiu ĉiuj eblecoj de nia lingvo estas kutimaj.

La verketo estas belaspekta (nur kelkaj preseraroj ĉagrene surprizas); la diverslongaj versoj, viglaj, bonsonaj, malpezaj, akordiĝas kun la senco, kaj kiel en naturaj lingvoj, facile atingas sonimitecon interesan:

„Jen el la akvo plenriproĉe
La Ranoj kvakas kvardekvoĉe
Kva kavakva akvokavo,
Ve, seka estas kaj sen havo!"

Por fini ankaŭ per dorna karesilo, mi aldonos, ke flankan profiton havos la ofta apero de tiaj bonegaj poezioj ĉiuspecaj: la komunaj sentalentaj poeziemuloj, pro la komparo, aŭ perfektiĝos, aŭ silentos; ili mem decidu inter ambaŭ solvoj. — *G. S.*

---

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Celo:** *Plifaciligi per Esperanto la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter diverslandanoj. Disvastigi la uzadon de la lingvo Esperanto. Krei internaciajn praktikajn servojn por turistoj, komercistoj, studentoj, junuloj, virinoj, k.a.*

**Membrorajtoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn, parolajn aŭ skribajn, de la Delegitoj kaj uzi ĉiujn servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron. (Provizora adresaro aperis dum 1919.)*

**Voĉdonado pri la novaj kotizajoj.** — Je la 23 septembro ni sendis al la Delegitoj la dokumentojn por la voĉdonado pri la novaj kotizajoj, nome: al la 543 Del. presitaj en la Adresaro, malpli 9, pli 18, do entute: 552. Ĉiu sendajo enhavas cirkuleron pri la voĉdona procedo, raporton pri la financa situacio, stampitan voĉdonilon kaj respondkoverton. Por ŝpari ni povis sendi ilin nur kiel presajojn, anstataŭ en rekomendita letero, kiel decus. Se do kelkaj dokumentoj perdiĝos, ni sendos novajn al la Delegitoj, kiuj laŭhonore certigos, ke ili ne ricevis la unuajn. Valoras la voĉdoniloj el Eŭropo, se ili alvenas ĝis la 15 oktobro; el ekstereŭropaj landoj, se oni enpoŝtigis ilin antaŭ la 15 novembro. La Del. uzu nur la oficialan koverton kaj afranku kiel leteron aŭ presaĵon nefermitan. Respondoj ne sufiĉe afrankitaj ne estos akceptataj!

En la venonta N-ro de „Esperanto" aperos la rezultatoj de la voĉdonado en Eŭropo.

**Nova agado.** — Kelkaj Delegitoj jam konsentis letere pri la nova kotizajo, deklaris sin pretaj sendi la 12. 50 Fr. aŭ petis informojn pri la enkasigo ĉe la membroj. Dankante ilin, ni petas, ke ili uzu la oficialan voĉdonilon, la sole valoran. Pri la sendo de mono k. t. p. ili bonvolu atendi ĝis la oficiala akcepto de niaj proponoj. Tuj poste ni sendos al ĉiuj Delegitoj detalan cirkuleron pri la prezoj, la kurzoj, la enkasigo, la nova aranĝo kun la abonoj de „Esperanto", la Esperantiaj Entreprenoj, anoncoj en la jarlibro, k. t. p. Ni ankaŭ intencas liveri por 1920 novajn membrokartojn al ĉiuj membroj, sendotajn ne kiel ĝis nun kun la jarlibro, sed tuj post la aliĝo.

**Laŭlanda statistiko de la Delegitoj.** — La lastatempe aperinta Oficiala Adresaro de UEA por 1919 montras, ke en la komenco de junio 1919, UEA estis reprezentata en 501 lokoj, jene dispartigataj laŭ la landoj: Aŭstrio 4, Belgio 8, Britio 63, Bulgario 4, Ĉeĥoslovakio 27, Danio 6, Estonio 1, Finnlando 18, Francio 65, Germanio 87, Hispanio 27, Hungario 12, Islando 1, Italio 23, Jugoslavio 3, Nederlando 17, Norvegio 4, Polio 5, Portugalio 2, Rumanio 1, Svedio 17, Svisio 23, Ukrajnio 1, nacia aparteno ankoraŭ necerta 3, *Eŭropo:* 422. — Usono 43, aliaj Amerikaj landoj 13, *Ameriko:* 56. — *Afriko:* 10. — *Azio:* 8. — *Oceanio:* 5. — Sume: 501.

Tiu nombro estas duone malpli granda ol la antaŭmilita, sed oni devas atenti, ke: 1ᵉ kun Rusio kaj kelkaj aliaj orientaj landoj, la poŝtaj rilatoj nun ne estas eblaj; 2ᵉ sufiĉe multaj Delegitoj estis ankoraŭ mobilizataj, kiam aperis nia demandaro; 3ᵉ dum la milito multaj Delegitoj ne povis sin okupi pri Esperanto kaj nur iom post iom estas revarbeblaj. Kiam la cirkonstancoj fariĝos rec normalaj kaj internacia korespondo estos tute libera, UEA certe reatingos la antaŭmilitan nombron. Oni devas rimarki, ke la Adresaro enhavas nur la nomojn de la Delegitoj, kiuj respondis al nia demandaro sendita dum printempo 1919; ĝi do prezentas maksimuman fidindecon.

**Garantia Kapitalo.**

*Listo de garantiantoj* (Dua parto)

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 5625 |
| 46. S-ro W. Bevan, Seacombe (Anglio) | 125 |
| 47. S-ro W. Bayes, Leicester (Anglio) | 125 |
| 48. S-ro R. Maraury, Huesca (Hispanio) | 125 |
| Frankoj | 6000 |

*Rimarkoj.* — *a)* Jam dum aŭgusto alvenis pliaj mendoj de atestoj, kaj la publikigo en la septembra N-ro de „Esperanto" rapidigis diversajn promesintojn, kiuj pro la malbona kurzo de sia mono hezitis pri la plena pago. Sekve la cifero de elvendeblaj atestoj, antaŭvidita en la komitata decido, estos superata. Kiel ni jam konigis per rekomendita letero al tiuj promesintoj, la lasta tempolimo estas la 15 decembro. Se ĝis tiam la 125 Fr. Svisa valoro ne estas ĉe ni aŭ la Kantona Banko, UEA ne plu liveros la atestojn je tiu prezo. Partopagoj estos resendataj aŭ, kun la konsento de la sendinto, konsiderataj kiel donacoj.

*b)* Pliaj atestoj de Garantiantoj. Diversaj personoj, kiuj jam estas Garantiantoj, esprimis la pretecon akiri duan aŭ trian ateston, se ni estos iom malpli severaj pri la kurzo. Konsiderante, ke tiuj pliaj atestoj ne havigas al la akirintoj pliajn rajtojn aŭ al UEA pliajn elspezojn, ni kredas agi en la intereso de nia Asocio, se ni elvendas la restantajn atestojn al tiuj personoj por 100 Svisaj Fr., anstataŭ 125.

Por eviti ĉiun eblan dubon, ni atentigas, ke alineo *a)* koncernas nur la personojn promesintajn aŭ partopagintajn antaŭ la 15 septembro kaj alineo *b)* la personojn jam havantajn ateston. Al aliaj ni ne plu liveros la ĝisnunajn atestojn, sed volonte akceptos promesojn kaj pagojn por la novaj je 300 Fr.

**Subtenantaj membroj.** — Estas subtenanta membro de UEA ĉiu persono, kiu por helpado al la Asocio bonvolas pagi minimuman kotizaĵon da 5 Frankoj.

*Sesa listo:*

132. S-ino F. C. Rhodes (Keighley, Anglio). — 133. S-ino Aus der Au (Soduno, Ticino, Svisio). — 134. J. van Dam ('s-Gravenhage, Nederlando). — 135. C. Coigne (New York). — 136. T. Thorsteinsson (Rejkjavik, Islando). — 137. G. Jönssen (Hellefors, Svedio). — 138. A. Norris (Alvarado, Usono). — 139. A. Maertens (Gent, Belgio). — 140. F-ino Y. Thooris (Brugge, Belgio). — 141. E. Verbeke (Brugge). — 142. R. Bailey (West Somerville, Anglio). — 143. H. Harris (Chicago). — 144. A. Oberrotman (Varsovio). — 145. Selten (Breslau). — 146. D-ro Ollendorf (Breslau). — 147. Freund (Breslau). — 148. S-ino Freund (Breslau). — 149. S-ino Zepler (Breslau). — 150. Sackur (Breslau). — 151. J. Borel (Vaumarcus, Svisio). — 152. S-ino A. Tuschinski (Danzig). — 153. F-ino K. Tuschinski (Danzig). — 154. F-ino Peckover (Wisbech, Anglio). — 155. S-ino J. Rolleston (London). — 156. W. Harrisson (Portsmouth). — 157. Chauncy Case (Warren, Usono). — 158. L. Tell (Stockholm). — 159. D-ro Maillard (Bourg-la-Reine, Francio). — 160. J. Fonolla (Antofagasta, Ĉilo). — 161. L. Boyer (Châlons sur Marne, Francio). — 162. Dornier (Bellegarde, Francio). — 163. Desvignes (Lyon). — 164. M. Schafroth (Burgdorf, Svisio). — 165. A. Bowker (Sheffield, Anglio). — 166. H. Moy Thomas (London). — 167. F-ino A. Lincoln (Brooklyn, Usono). — 168. L. de Vine (New Llano, Usono). — 169. M. Matthey (Locle, Svisio). — 170. S-ino N. Pulsifer (New York). — 171. G. Graf (Turgi, Svisio). — 172. D. Yassemis (Alexandrie, Egipto). — 173. O. Haller (Rorschach, Svisio). — 174. W. Hirszowski (Varsovio). — 175. E. Perrusson (Champforgeuil, Francio). — 176. J. Bare (Anderlecht, Belgio). — 177. H. Horsnail (Strood, Anglio). — 178. A. Tallgren (Helsinki, Finnlando).

**Kotizajoj por 1919.** — Je la 31 aŭgusto estis enkasigitaj 2664 kotizaĵoj (el kiuj 178 subtenantoj). Krom tio estas 198 dumvivaj membroj. Sume: 2862. — *Esperantiaj Entreprenoj*: 50.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato aŭgusto:

Ricevitaj: 646. — Forsenditaj: 793. — Tuta sumo: 1439. (Antaŭa monato: 1364.)

**Delegitoj.** — Delegitoj estas elektitaj en la jenaj lokoj:

*Bayreuth* (Germanio, Bavario). — D.: S-ro D-ro Alfred Seeberger, profesoro, Burgerreutherstr. 17/II.

*Cambron-St-Vincent* (Belgio, Hainaut). — D.: S-ro Alphonse Gaudissart, poŝtisto, 6, Grand'place.

*Karachi* (Hindio). — D.: S-ro Peshoton S. G. Dubash, c/o Pestonjee Bhicajee, Keamari.

*La Plata* (Argentino). — D.: Angel Tagliaferri, filatelisto, Calle 3/537—39.

*Leoben* (Aŭstrio, Stirio). — D.: S-ro Alexander Hawell, Seegraben-Judendorf.

*Lipton* (Kanado, Saskatchewan). — D.: S-ro Chester H. Crossman, instruisto.

La adresoj de la jenaj Delegitoj ne povis aperi en la Adresaro pro tro malfrua ricevo de la respondilo:

*Graudenz* (Germanio, Westpreussen). — D.: S-ro L. Segers, Pohlmannstr. 8.

*Halifax* (Anglio, York). — D.: S-ro Edgar Depledge, 42, Newstead Ave.

*Leepaja* = *Libau* (Latvio). — D.: S-ro J. Kaplan, Seestr. 20.

*Lulea* (Svedio, Norrboden). — D.: S-ro K. E. Franson, policano, 18, Nygatan.

*Maceio* (Brazilo). — D.: S-ro Paulino Santiago, 9, rua Nova. — VD.: S-ro Pedro Cacalcante Lima, rua de Alfandega (Jaragua).

*Moundsville* (Usono, West Virginia). — D.: S-ro Herbert M. Scott, muzikisto, 1312, Purdy Ave.

*Nice* (Francio). — D.: S-ro Celestin Roncati, 23, rue de Lépante.

*Prostejov* (Ĉeĥoslovakio, Moravio). — D.: S-ro R. Fridrich, 10, ul Rejskova. — VD.: S-ino M. Havrankova, instruistino, 32, Pod Kosirem.

*Tallinn* = *Reval* (Estonio). — D.: S-ro Jakob Rosenberg, Uus-Kalamaje uul 29 k. 2.

*Topeka* (Usono, Kansas). — D.: S-ro H. Fazel, 724, Taylor St. — VD.: S-ro D-ro W. J. Robb, kuracisto, 612, Kansas Ave.

*Warwick* (Aŭstralio, Queensland). — D.: S-ro C. C. Dornbush, arkitekturisto.

*Whangarei* (Nov-Zelando). — D.: S-ro David Tilly, administranto de la gasejo.

Ŝanĝoj.

*Berlin* (Germanio, Brandenburg). — D.: S-ro A. H. Kretzschmann, komercisto, Marktstr. 1, Berlin-Rummelsburg.

Provizore ne plu estas Delegitoj en jenaj lokoj:

*Bridgeport* (Usono); *Lewisburg* (Usono).

Adresŝanĝoj:

*Bruxelles* (Belgio). — VD.: S-ro Maurice Van Aelst, 107, rue Emile Féron, St. Gilles.

*Chemnitz* (Germanio, Saksio). — D.: S-ro D-ro Fritz Wicke, instruisto, Kaszbergstr. 40 I.

*Hull* (Anglio). — D.: S-ro A. E. Hepton, Norvega Konsulejo, 9, Scale Lane.

*Washington D. C.* (Usono). — D.: S-ro John A. Shell, 503, Sixth St. NE.

---

Ni atentigas nian legantaron, ke „ESPERANTO" havas nenion komunan, krom la sameco de la presejo, kun la gazeto „ESPERANTIDO", redaktata de Antido, kies agadon ĝi tute malaprobas.

---

# Esperantista Parolejo

## Pri financa helpo al nia movado

Kun vera ĝojo mi legis la artikolon „Inter ni" de samideano Edmond Privat en junia numero de „Esperanto". Ĉiuj Esp-istoj bone konscias, ke la tempo nun estas sufiĉe favora por eliri kun Esperanto en la mondon kun realaj kaj kuraĝaj proponoj. Vere ni senlace propagandis Esperanton tridek-du jarojn, sed nun post kvinjara hombuĉado, kiam forestas jam la baroj inter popoloj ni *devas* efektivigi la noblajn ideojn de nia karmemora Majstro.

Ni devas are kolektiĝi ĉe nia verda standardo kaj komenci nian pacan ofensivon. Volonte plivigligi nian movadon en la tuta mondo, ni ankaŭ devas posedi grandajn monrimedojn. Kaj trafe ĝin pripensis nia eminenta samideano E. Privat. Lia propono estas aprobinda, sed pli malfacile ĝi estas efektivigebla.

Por fondi tian grandan kapitalon, mi kuraĝas proponi la jenon:

Ĉiu nacia Esperanto-societo aŭ grupo sin devigas ĉe la fino de ĉiu bilancjaro dekalkuli minimume 10 % de la neta sumo, kiu estis enkasigita de membroj, kiel regula jarkotizaĵo. Krome, la supredirita sumo povas esti pligrandigata per bonvolaj oferdonacoj de niaj samideanoj. Tio ĉi estas nur skizo de mia propono, kaj se ĝi trovos aprobon, mi detale skribos en „Esperanto" pri la plua organizo k. t. p.

*J. Ĥimoviĉ* (Lodz, Polio).

## La unua ero de la miliono

Konsenta kun la propono de nia neniam laca samideano Edmond Privat en la antaŭlasta N-ro de „Esperanto" mi rapidas sendi al vi la dek frankojn. Mia deziro estas, ke nun la 99,999 ceteraj samideanoj kaj amikoj de nia movado sekvu, por ke la Centra Oficejo ricevu sian milionon! Ke ĉiuj, kiuj ne tro baraktas en la malfavoroj de la ekzisto memoru la malegoismon de nia mortinta Majstro kaj helpu laŭ sia povo. Ke Antido lasu nun la reformojn kaj oferu sian monon kaj sian laborforton al la nuna kaj sola celo: La disvastigo de nia lingvo!

Vere, *nun* estas la momento de la agado; nun oni donu la necesan monon al nia Centra Oficejo, por ke ĝi ne estu tro mallarĝigata en siaj klopodoj. Se iam, *nun* la Esperantistoj devas moviĝi!

*F. Müller*, Lyss (Svisio).

Imitinda ekzemplo!

Ni atendas la respondon de la 99,999 ceteraj!

## Pri Esperantista kostumbalo

Mi interese legis en la antaŭlasta N-ro de „Esperanto" la raporton pri la deka Brita Esperanto-Kongreso. Mi tre ĝojis, ke la Esperantistaro „soifis por spirita rerenkontiĝo post tiuj teruraj jaroj de naŭziga interbuĉado", kaj ke la kongreso sukcesis, sed kontraste malpli plaĉis al mi la karnavala festo samtempe okazinta.

Oni ja pli trae plendis pri la fantaziaj kostumoj viditaj dum la baloj de niaj internaciaj kongresoj. Se veraj naciaj kostumoj portataj de enlandanoj efikis por pentrinde montri la internaciecon de la ĉeestantaro kaj la ĉarmojn de helpa lingvo, ĉu aliflanke Araboj de Germana deveno, Hindoj de Londono aŭ ruĝhaŭtuloj de Franca familio ne iom ridindigis niajn festojn?

Nun mi konstatas, ke en tiu nacia kongreso la fantazio iĝis ankoraŭ pli granda, ĉar krom kostumoj, kiuj prezentas nunan nacion aŭ rason, oni povis vidi „Maŭron, Amoron, Kleopatra, Kvakeran patrinon, Reĝan petoliston kaj kostumojn de la Ŝekspira periodo!" Mi tre timas, ke se tiu unua sufiĉe grava kongreso postmilita denove tion allasas, la balo de la proksima internacia kongreso estos komparebla je la konata Pariza „Bal des Quat'z'arts".

Mi esperas, ke la samideanoj, kiuj scias, kiajn malfacilaĵojn nia lingvo renkontas en ĉiuj medioj por ĝia serioza famo kaj disvastigo, klopodos por eviti estonte tiajn strangaĵojn ne indajn je alta celo kiel tiu de helpa lingvo.

*Konvinkita Esp-isto.*

Ni ankaŭ akceptos de la balemuloj respondon al la ĉi-supra protesto, se ili opinias tion utila. — *Red.*

## Esperanto kaj la elektra industrio

La laboro de la praktikuloj, kiuj celas la enkondukon de Esperanto en la komercon internacian, ankoraŭ alportas kontentigajn rezultojn. Dum preskaŭ unu jaro la „World Salesman" (Jokohama) aperigis Esp. fakon, kaj nun, ŝajne kiel rezulto de tio, ni sciiĝas, ke la „Journal of Electricity" (San Francisco) intencis dediĉi kvarkvin paĝojn al nia lingvo en sia aŭgusta numero. Antaŭ kelkaj tagoj la C. C. L. C. London ricevis tre afablan kaj interesan leteron de S-ro Robert Sibley, la redaktoro, kune kun ekzemplero de la „Journal". Kiel metia aŭ profesia gazeto, ĝi estas modelo de bonstila presarto; la centopa paĝaro enhavas multe da bele desegnitaj kaj okulfrapaj anoncoj de la plej gravaj firmoj en Usono; la teknikaj informoj kaj artikoloj liveras veran edukadon al ĉiuj interesatoj pri elektraj aferoj.

Al ĉiu Esperantisto-elektristo ni ne povas ne diri: „Akiru ĝin, prunte, ŝtele aŭ abone, sed nepre ĝin posedu, precipe kiam aperos en ĝi Esperanto." Elektristoj, kiuj deziras pluan informon, skribu al S. R. Marshall, Hon. Sekr., C. C. L. C., (ĉe Cook), Ludgate Circus, London, E. C. 4.

---

# Esperantista Vivo

**Naskiĝo.** — Al Ges-roj *Léval*, membro de UEA en Boulogne s. Seine (Francio), naskiĝis filo *Robert*.

**Fianĉiĝoj.** — S-ro *A. K. Örn*, Del. de UEA en Enköping (Svedio) kun F-ino *Gullan Svensson*.

S-ro *Antonio Khirer*, Del. de UEA en Nagykörös (Hungario), kun F-ino *Giznjo Lajo*.

**Edziĝoj.** — S-ro *Hans Tressel*, Del. de UEA en München, kun F-ino *Luisa Heinrich*, dummilita Vicdel. de UEA.

S-ro *Harry A. Epstein*, antaŭa Del. de UEA en Londono, kun F-ino *Julia Jonas*.

S-ro *Rudolf Rupčic*, Del. de UEA en Split (Dalmatio), kun F-ino *Aranza*, el Dubrovnik-Ragusa.

S-ro *Karl Gumbinger*, el Offenbach a. M. (Germanio), kun F-ino *Elsa Ruhr*.

**Honorigo.** — Nia samideano, S-ro *Wouter Lutkie* en Rijen (Nederlando), estis nomita sacerdoto de la Katolika Eklezio.

# Niaj Mortintoj

Kun bedaŭro ni ricevis la informon pri la morto de la jenaj samideanoj:

**Fraŭlino Odile Florent,** instruistino en Sebourg (Francio, Nord). Tre afabla kaj sperta Esp-istino, kiu ĉeestis kelkajn internaciajn kongresojn.

**N. G. Ghinescu,** Rumana samideano.

**Tadeo Grabowski,** filo de nia eminenta samideano S-ro Antoni Grabowski, el Varsovio, al kiu ni sendas la esprimon de nia kora simpatio.

**Herbert Harris,** el Chicago, fidela membro de UEA kaj abonanto, estis aŭtoro de kelkaj Esp. muzikaĵoj kaj de la rakonto „Stranga Idilio", tre simpatia samideano, kies perdo estas plorinda.

**Louis Alfred Kearney,** Del. de UEA en Portland (Usono, Oregon.

**H. J. Nieuwenkamp,** Del. de UEA en Zwolle (Nederlando), fervora kaj agema samideano.

**Roberto Paternolli,** Vicdel. de UEA en Gorizia (Italio), mortis dum la okupo en 1916.

**J. Paulet,** fervora samideano en Barcelona.

**August Talleur,** membro N-ro 1270 en Danzig.

**Josef Vidal,** Vicdel. de UEA en Tarragona (Hispanio), prez. de la Tarragona Esp. Societo. Li estis entuziasma adepto de nia afero. Membro de UEA depost 1912, li sincere subtenis ĝiajn celojn. La grupo en Tarragona honoris lian memoron per funebra kunveno.

**Pastro Robert Wood,** fervora Esp-isto el Bridlington (Britio).

* * *

## D-ro Stanislav Schulhof

La 18 aŭgusto mortis je meningito en Praha D-ro Stanislav Schulhof, Del. de UEA kaj prez. de la Esp. Klubo en Pardubice (Ĉeĥoslovakio). Li naskiĝis dum 1864 en Lipka apud Trhová Kamenice, studis gimnazion en Rychnov nad Kněžnou kaj universitaton en Praha. Sinsekve li estis kuracisto en Dobruška, Červený Kostelec kaj lastfoje dentisto en Pardubice.

La mortinto estis unu el la ĉefaj Ĉeĥoslovakaj Esperantistoj. Per sia poemaro „Bohemaj granatoj", kie li talente estas tradukinta antologion el la Ĉeĥaj verkistoj, li montris al la Esp. fremdlando, kiu ĝin denove tradukadis nacilingven, ke la Ĉeĥaj literaturaj „Granatoj" valoras esti enmetitaj en la kronon de la monda literaturo. Liaj originalaj Esp. poemaroj: „Per espero al despero", 1911, „Kion

la vivo alportis", 1911, kaj „Aŭtunaj floroj", 1912, troviĝas en la biblioteko de ĉiu fremdlanda samideano. Sennombraj estas liaj propagandaj artikoloj en la Ĉeĥaj kaj eksterlandaj ĵurnaloj kaj multaj liaj kursoj.

La Ĉeĥoslovakaj Esperantistoj perdas en li honestan pioniron de la movado en Ĉeĥoslovakio, la eksterlandaj sinceran amikon, kies nomo kaj laboro restos por ĉiam kunigita kun la historio de Esperanto. — *Aug. Pitlik*, VD. de UEA en Praha.

La funebraj ceremonioj okazis en Praha, kie de la mortinto adiaŭis S-ro Aug. Pitlik, je ĉeesto de la delegitoj de la Prahanaj kluboj, kaj en Pardubice, kie antaŭ la ornamita vagono kun la ĉerko okazis funebra soleno per ĥorkantoj kaj paroladoj, inter ili Esp. parolado de dir. v. Poppe, Del. de UEA.

En la sekvinta kunveno de la Esp. Rondeto en Pardubice paroladis S-roj Poppe kaj Berger pri la mortinta prezidanto, kolego kaj amiko. Anstataŭ florkrono sur la ĉerkon de D-ro Schulhof estis difinita 50-krona helpdonaco al malsana, maljuna Esperantisto. Plue estis decidita fondo „je la memoro de D-ro Schulhof" por helpa agado rilate al literaturaj kaj humanaj bezonoj en Esperantismo.

La lokaj gazetoj enhavis nekrologojn pri la de ĉiuj ŝatita kaj kiel dentkuracisto multe konata D-ro Schulhof.

# Lingvaj Studoj

## Pri la landnomoj

Responde al noto pri la kongreso de B. E. A., aperinta en la julia N-ro, S-ro M. C. Butler, sekretario de B. E. A., petas nin presigi la jenan leteron jam aperintan en „British Esperantist":

*Estimata Samideano.* — Mi dankas vin pro via letero de la 12. 7. 1919 kaj bedaŭras, ke pro foresto mi ne respondis antaŭ nun. En via letero vi diras, „Vian rimarkon, ke mi eraras pretendante, ke la L. K. favoris eksperimenton per ‚io', mi ne akceptas. Mi ne kutimas ion aserti sen pruvo. Bonvolu legi la broŝuron ‚Pri la transskribo de la propraj nomoj' eldonitan de la Esperantista Centra Oficejo, kaj vi vidos (paĝ. 59—60), ke la L. K. ne sole konsideris la proponon pri la sufikso ‚-io', sed eĉ akceptis tiun-ĉi per granda plimulto . . . Mi bedaŭras, ke la gvidantoj de B. E. A. instigis proteston antaŭ ol sufiĉe informiĝi, kaj mi almenaŭ esperas, ke ili bonvolos publike konstati la fakton. La protesto de la B. E. A. kredigas, ke mi estas mensogulo, asertante, ke la L. K. rekomendis la sufikson ‚-io'."

Ne, kara amiko, neniu diras „mensogulo". Tamen, kvankam bonintence kaj bonfide, vi certe eraras.

Ricevinte vian leteron, mi tuj min turnis al la nomita broŝureto kaj al la „Oficiala Gazeto" por precize kontroli la faktojn, ĉar mi ja miris, ke kvankam L. K.-ano mi pri la decido de la L. K. pri afero tiel grava nenion sciis. Nenion mi trovas, kiu konfirmas vian aserton. Jen la faktoj laŭ la citita broŝuro. S-ro Moch en 1906 verkis tezon pri la Esperantigo de Propraj Nomoj. Ĝi traktis multajn temojn, inter kiuj estis propono anstataŭigi „-ujon" per „-io". Sian tezon li sendis al ĉiu membro de la L. K. (ĝuste kiel de tempo al tempo dissendis similajn proponojn S-roj de Saussure kaj Sentis). El la 150 (?) tiamaj L. K.-anoj 50 esprimis[1] al la aŭtoro sian personan opinion pri tiu aŭ alia el liaj proponoj.

Rilate la proponon pri „-io" ni legas, ke el tiuj 50, 37 „ne esprimis malaprobon". Oni ne diras, kiom el la 37 ĝin aprobis, kaj kiom simple ignoris aŭ tute ne traktis ĝin. S-ro Moch mem kun tri (dube 4) aliaj estas la solaj cititaj kiel aprobantoj.

Ĉiuokaze, la respondintoj parolis por si mem, kiel privataj individuoj, kaj neniel por la L. K.

Iom poste, en la Cambridge'a Kongreso, la L. K. difinis Sub-Komitaton konsistantan el S-roj Beaufront, Bein, Matton, Millidge, Moch, kaj Schröder, por konsideri la demandon pri propraj nomoj en Esperanto kaj prezenti raporton. (Oni notu, parenteze, ke, eĉ se tiu raporto estus unuanima, ĝi ne estus citebla kiel la *decido* de la L. K.) El tiuj ses: Beaufront forlasis Esperanton; Millidge ŝajne nenion respondis; kaj Matton, protestinte pro principo kontraŭ la agado de la Sub-Komitato, rifuzis ĝin partopreni. La tri restintaj membroj ne povis interkonsentiĝi, do fine oni eldonis liston de propraj nomoj, kiu montras iliajn interkonfliktantajn personajn preferojn. El ili, du (Bein kaj Schröder) rekomendis „*ujo*", kaj nur unu (Moch, la originala proponinto) subtenis „*io*". Baldaŭ poste Moch forlasis Esperanton.

S-ro Boirac ja diras antaŭparole, ke la publiko rajtas *eksperimenti* kun novaj formoj kaj uzi ilin, se ili troviĝos praktikaj. Sed tio neniel signifas, ke la L. K. oficiale sankciis ŝanĝon en la Fundamento.

Resume: la L. K. neniam privoĉdonis, aŭ eĉ konsideris la demandon pri „io"; kaj la aserto, ke la L. K. ĝin „rekomendis" estas simpla eraro. Ŝajnas ja, ke nek laŭ la unua, nek laŭ la reviziita regularo, la L. K. iam ricevis peton esplori la demandon. Certe, ĝi neniam aperis sur la protokoloj.

Ne temas nun pri la meritoj de iu alia formo, sed nur ĉu la L. K. iam faris oficialan decidon aŭ rekomendon pri la afero.

Nedisputeble, la L. K. neniam tion faris.

Se iam la L. K. konsideros la demandon, mi estos preta prezenti argumentojn por mi plene decidiĝajn favore de „*-ujo*" kaj kontraŭ „*-io*", sed mi estos preta lojale cedi mian personan bontrovon, *se* la L. K. iam tion rekomendos.

La enkonduko de nova sufikso kiel „-aĉ" aŭ „mis-" ne estas sama afero kiel ŝanĝo de formo jam parto de la Fundamento.

Vi defendas vin dirante, ke jam multaj Esperantistoj sekvas vian ekzemplon. Ili tion faras, grandaparte, erarigite de via gazeto pro lojaleco al la *supozita* decido de la L. K. Pri tio vi mem estas responda. Multaj Esperantistoj uzas la formon „-iĝita," aŭ forgesas la akuzativon. Se individuo malbone uzas la lingvon, li tion faras proprariske. Sed la Redaktoro de Gazeto (kaj aparte de gazeto, kiu proklamis sin ekster lingvaj diskutoj) ne rajtas proponi ŝanĝojn en la lingvo kaj eĉ malpli rajtas ilin perforte trudi.

Oni scias, ke Zamenhof ripete diris, ke li ne volas regi la lingvon; kaj ke eĉ kontraŭ sia propra bontrovo li discipline kaj volonte sekvus la regule voĉdonitan rekomendon de la L. K. pri lingvaj aferoj. Tamen en „Lingvaj Respondoj" (el Oficiala Gazeto, III., 1911, paĝo 291) Zamenhof pritraktas ĝuste ĉi tiun demandon kaj kategorie malrekomendas la anstataŭigon de *-ujo* per *-io*, krom se la L. K. decidos alie. Se la L. K. efektive decidis por *-io*, estas ja neklarigeble, ke eĉ kvar-kvin jarojn poste D-ro Zamenhof mem nenion sciis pri tiu decido, kaj ke nur nun dek du jarojn poste oni aŭdas pri ĝi por la unua fojo!

Mi petas, ke vi presigu ĉi tiun leteron en la venonta numero de via ŝatata gazeto responde al viaj vortoj rilate la sintenon de la britaj Esperantistoj.

Vi jam diris, ke vi ne estus farinta la ŝanĝon en la lingvo sen la rekomendo de la L. K. Mi do esperas, ke konstatinte, ke la L. K. neniam ĝin rekomendis, vi revenos al la formoj Esperantaj kaj ĉesos provi trudi al ni formojn nepre neakcepteblajn. *M. C. Butler.*

Kun la argumentado de S-ro Butler ni ne povas konsenti. La aludita raporto de S-ro G. Moch pri la propraj nomoj tute ne estas simila al proponoj tiaj, kiaj estas de tempo al tempo dissendataj de S-roj de Saussure kaj Sentis. Kiel ni legas en la antaŭnoto de tiu raporto (paĝo 1), S-ro G. Moch estis komisiita de la prezidanto de la L. K. verki raporton pri la demando de la propraj nomoj. Tiu raporto aperis kiel oficiala dokumento de la L. K. kaj estis sendata al ĉiuj komitatanoj por ke ili donu sian opinion pri la faritaj proponoj. Pri la rezultatoj de tiu konsultado ni legas sur paĝo 60-a: „Resume, el 50 komitatanoj, nur 7 defendis la sufikson *ujo*, unu eĉ kun ia bedaŭro, 40 aprobis aŭ ne malaprobis ĝian anstataŭigon per *-io*, kaj 3 proponis aliajn solvojn". Tio estas eltirita el oficiala eldonaĵo de la L. K. Tamen S-ro Butler pretendas, ke „la L. K. neniam privoĉdonis aŭ eĉ konsideris la demandon pri *io*"! Komprenu tin, kiu povas!

Nia korespondanto asertas, ke „la respondintoj parolis por si mem, kiel privataj individuoj, kaj neniel por la L. K." Tio ne estas ĝusta. Nur la membroj de la L. K. ricevis la raporton de S-ro Moch, kiu estis komisiita por ĝin verki; ili do respondis ĝin kiel membroj de la L. K., ne kiel iuj ajn privatuloj.

Ke la L. K. ne decidis anstataŭigi la malnovajn formojn per la novaj (kion ĝi cetere ne rajtus fari), ni tre bone scias, sed ke ĝi permesas kaj eĉ favoras la eksperimentadon de la sufikso *-io* ne estas duba, se la supre aludita konsultado havas ian sencon. Tion klare montras la prezidanto de la L. K., Rektoro Boirac, en la antaŭparolo de la raporto: „Ŝajnis al mi tute konforme al la spirito kaj labormetodo de la L. K. publikigi la laborojn de ĝiaj komisioj aŭ sekcioj, sed nur por gvidi la evoluadon de la lingvo, nenion trudante nek dekretante. La Subkomitato pri la Propraj Nomoj opiniis, ke estus bone traduki la proprajn nomojn jenamaniere; nek ĝi nek la L. K. trudas tiun opinion al la publiko; ili nur ĝin publikigas por gvidi la publikon, sed al tiu ĉi ja apartenas, se ĝi deziras, ekprovi *tiujn novajn formojn* (ni substrekas. *Red.*), ilin eksperimenti, kaj konstante uzi, se ĝi trovas ilin praktikaj". Tion ni faris, ĉar ni opiniis ilin pli praktikaj ol la ĝisnunaj duoblaj formoj *ujo* aŭ *lando*, kaj tio estas nia rajto.[1]

Rilate la opinion de nia Majstro, ni rimarkigas, ke li persone estis favora al la sufikso *-io*, sed li timis, ke dum la tiama Idista krizo ĝia enkonduko elvokus diskutojn.

Oni alifianke ne forgesu, ke la alpreno de novaj vortoj aŭ de novaj sufiksoj tute ne estas atenco kontraŭ la Fundamento. Ni ne

[1] Tiu proporcio ne estas miriga, se oni rememoras, ke en la unua L. K. partoprenis personoj, kiuj ne interesiĝis pri lingvaj aferoj kaj ne respondis la oficialajn komunikajojn, pri kio ofte plendis la tiama gazetaro. — (*Red.*)

[1] Jen kion skribas pri tiu demando nia samideano Edmond Privat en la septembra N-ro de „British Esperantist" . . . „Ĉiu ja rajtas esti pli rojalista ol la reĝo kaj malaprobi L. K., sed neniu rajtas trudi sian privatan opinion al la ceteraj, kiuj libere sekvas la konsilojn de L. K. Malprave kulpigi man tiel sindoneman amikon redaktoron de „Esperanto" je ŝanĝema tendenco estas grave, ĉefe kiam oni ne penis ĝuste informiĝi antaŭe. Tio estis efektive uzurpo kontraŭ L. K. kaj kondamnebla ofendo kontraŭ neriproĉebla samideano."

anstataŭigas la sufikson *-ujo* per *-io* en ĉiuj ĝiaj signifoj (tio ja estus kontraŭ la Fundamento), sed nur limigas ĝian uzon al objektoj. Tion jam faras la multaj samideanoj, kiuj skribas ekzemple „pomarbo“ anstataŭ „pomujo“, „Ruslando“ anstataŭ „Rusujo“; simile agas rilate vortojn la personoj, kiuj limigas la signifon de la radiko „ŝanceliĝi“ al la materia senco kaj por la morala uzas la neologismon „heziti“. Anstataŭigi unu vorton aŭ unu sufikson per alia en ĝia *plena* signifo estas certe ago arbitra kaj tial kontraŭfundamenta, sed diferencigi, ĉu per nova vorto ĉu per nova sufikso, *malsamajn sencojn* de vorto aŭ de sufikso ne estas kontraŭ la Fundamento, kiu, kiel klare rimarkigas D-ro Zamenhof en la antaŭparolo, ne devas malhelpi la evoluon de la lingvo. Ke oni rajtas enkonduki novajn sufiksojn, montras la ekzemploj de *-aĉ*, *-ism*, *-end* kaj aliaj, ofte uzataj de la plej fidelaj Esperantistoj. Fine, ni rimarkigas, ke multaj landnomoj finiĝantaj per *-io*, kiel ekz. *Bulgario, Italio, Rumanio, Serbio*, k. a. estas tute internaciaj kaj kiel tiaj apartenas jam al la Esperanta vortaro.

La Fundamento, ni tion ofte diris, estas necesa al la unueco de nia lingvo, kaj ni nepre devas ĝin konservi, sed oni ne devas interpreti ĝin kun mallarĝa konservativega spirito, kiu povus kredigi, ke ĝi estas vera baro al la evoluo kaj pliriĉigo de nia lingvo, kiel asertas kontraŭuloj de Esperanto. La necesa respekto al la Fundamento ne devas malhelpi la pliboniĝon de nia lingvo konforme al la bezonoj de la praktiko, pri kiuj povas plej bone juĝi la personoj uzantaj la lingvon en siaj internaciaj rilatoj. La Esperantistoj ne devas pensi nur pri si mem kaj pri siaj ĝisnunaj kutimoj; ili ankaŭ pensu pri la varbota publiko kaj evitu, ke la lingvo al ĝi proponota enhavu strangaĵojn aŭ apartaĵojn, kiujn la racio ne povas pravigi. Nedubeble estas, ke la sufikso *-ujo* por la landnomoj estas tute arbitra kaj estas ne ŝatata de multaj, ĉar ĝi ne estas plaĉa al la orelo kaj strange kripligas la fizionomion de multaj tute internaciaj nomoj.[1] Aliparte vortoj kunmetitaj kun *lando* plej ofte ankaŭ ne estas oportunaj pro sia longeco (Italiando, Ĉeĥoslovaklando!) Kio pli simpla kaj pli internacia ol *-io*, kies taŭgecon montras la kreskanta disvastiĝo?

Fine ni rimarkigas, ke ni ne „perforte trudas“ la novan sistemon, kiel S-ro Butler riproĉas al ni! Ni nur provas ĝin. La sola maniero eksperimenti novajn formojn, kaj vidi, ĉu ili estas oportunaj aŭ ne, estas uzi ilin en tekstoj. Tion ni faras. Sed se verkinto de artikolo esprimas la deziron uzi en ĝi la malnovajn formojn, ĉar li opinias ilin preferindaj, ni volonte allasos ilin. For la maltoleremo kaj fanatikeco!

*H. H.*

[1] S-ro B. ignoras la fakton, ke jam de pluraj jaroj kelkaj Esperantistaj gazetoj, versajne ne sen kaŭzoj, sisteme anstataŭigis *„ujo“* per *„lando“*.

---


# REKLAMO

## KORESPONDADO

*TARIFO:* Unu enpreso: Fr. —.50. — Tri enpresoj: Fr. 1.25. — Dek-du enpresoj: Fr. 4.50.

*MALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarko sur bildflanko.*

Por faciligi la serĉojn, ni klasigis la korespond-anoncojn laŭ landoj.

### Aŭstrio

**Graz.** — S-ro Ignaz Wallner, Stempfergasse 8 (kun ĉiuj landoj).

### Belgio

**Anvers.** — F-ino Lucette Janssens, 17, rue Nottebohm, L, PI (kun ĉiulandaj spertaj sam-anoj).

**Anvers.** — S-ino Gabrielle Janssens, 17, rue Nottebohm, L, PI (kun ĉiulandaj sam-anoj).

**Bruxelles.** — S-ro J. Neybergh, 151, Ave. de Jette, PI, L.

### Bulgario

**Sofia.** — S-ro Panajot Kolev, Regentska 19, liberiĝinta en bona sano de la militservo kaj kelkmonata kaptiteco, salutas siajn antaŭmilitajn korespondantojn kaj esperas ricevi baldaŭ novaĵojn.

### Britio

**Bolton.** — S-ro H. Orrell, 19, Thorn St., 18-jara, PI, L (kun samaĝuloj krom Anglio).

**Leeds.** — S-ro Geoffrey Crowther, 16, Monkbridge Road, Headingley, PI, L (kun knaboj kaj plenaĝuloj de ĉiuj landoj).

**Newcastle-upon-Tyne.** — S-ro Wallace Mackay, biblioteka oficisto, 25, Breamish St., L (kun bibliotekoficistoj), PI (kun ĉiuj landoj).

**Paisley.** — S-ro R. B. Mac Callum, „Claremont“, L (pri politikaj kaj literaturaj temoj kun samideanoj en Skandinavio, Polio, Rumanio, Bohemio, Italio, Jugoslavio, Grekio).

**Preston.** — S-ro W. H. Staveley, muzikisto, 15, Lune St., L, PI (kun muzikistoj kaj aliaj personoj en ĉiuj landoj).

**Wallsend-on-Tyne.** — S-ro J. H. Murray, 13, Beech Grove, L, PI, bfl (kun ĉiuj landoj).

### Ĉeĥoslovakio

**Hradec-Kralóvé.** — S-ro O. Sklenĉka, Zivnostenska banka, L, PI, PM (preferas korespondi kun spertaj Esp-istoj pri la movado, kluba vivo, propagandaj manieroj, kursaj metodoj, k. t. p. Kolektas Esp. propagandilojn kaj specimenojn de Esp. gazetoj; kelkajn intencas aboni por si mem kaj kelkajn por sia klubo).

**Horn-Neusattl bei Karlsbad.** — S-ro Hermann Paul, fabrikoficisto, L, PI (speciale kun fraŭlinoj pri socialismo).

**Kladno.** — S-ro Otomar Koĉi, Kladno 983, PI, PM, Esp. gazetoj, gvidfolioj, gvidlibroj (kun ĉiuj ekstereŭropaj landoj).

**Moravany.** — Bohema Esperanto-Servo (B. E. S.), PI kaj interŝanĝas ĉiuspecajn Esperantaĵojn.

**Opava.** — S-ro Alois Zednik, oficisto de la Bohema Industria Banko, PI, bfl (kun ĉiuj landoj; peras komercajn rilatojn).

**Plzeň.** — S-ro Innocenc Gross, Houškova 32, L, PI, L, PM, glumarkoj, poŝtkartoj kun naciaj tipoj, Esp. gazetoj kaj div. Esperantaĵoj.

**Prostějov.** — F-ino Marie Havrankova, faka instruistino, ul. Pod Košírem 31, PI (kun ekstereŭropaj sam-anoj, precipe Ĉinaj kaj Japanaj), L (kun ĉiuj, kiuj amas arton, lingvojn kaj literaturon).

**Prostějov.** — S-ro R. Fridrich, profesoro, Rejskova 10 (pri politikaj kaj literaturaj temoj kun anoj de malgrandaj nacioj).

**Slatiny p. Miličeves.** — S-ro B. Šperlink, PI, PM (kun ĉiuj landoj).

### Estonio

**Narva.** — S-ro J. Fridrichsmann, soldato, Väike Alevi uul. 7, PI, L, PM.

**Revalo.** — S-ro Leopoldo Altman, poŝtkesto 103, PI, bfl (vidindaĵoj), L (kun ĉiuj landoj).

### Finnlando

**Helsinki.** — S-ro Arvo Joh. Ahti, kontorestro, Mikonk. 23—14, salutas siajn antaŭmilitajn gekorespondantojn, PI, gazetoj, PM (en enskribitaj leteroj, kun ekstereŭropaj sam-anoj).

**Helsinki.** — S-ro Ejno Salminen, Kristiinankatu 3 J. 41 (kun filatelistoj).

**Pori.** — S-ino Lyyli Nuotio, Yrjönkatu 15 (kun junaj Esp-istinoj).

**Pori.** — S-ro Tauno Nuotio, Yrjönkatu 15 (kun junaj Esp-istoj).

**Terijoki.** — S-ro Vilho Kantanen, Yhteisk, PI, PM.

### Francio

**Neuilly s. Seine.** — S-ro J. R. Higot, 3, rue de l'Eglise, PI, L.

**Paris.** — S-ro Lucien Bannier, 106, rue de Menilmontant, L (kun ĉiuj landoj pri socialismo).

### Germanio

**Eisenach.** — S-ro Erich Weidner, Karolinenstr. 11, Pl, L, PM.

**Eisenach.** — S-ro Fritz Blaschke, Karolinenstr. 11, Pl, L, PM.

**Eisenach.** — S-ro Pegenau, Rennbahn 9, Pl.

**Eisenach.** — S-ro J. Zinganell, Georgenstr. 6, Pl.

**Eisenach.** — S-ro Aug. Zinganell, Georgenstr. 6, Pl.

**Esslingen i. W.** — S-ro Friedr. Dorner, Berkheimerstr. 18/II, Pl kaj gazetoj, duone Esperante kaj nacilingve.

**Gustavsburg** (Hessen). — S-ro B. Michalik, komercisto, L, PK (entreprenas tradukadon el kaj en la lingvojn: Esperante, Germane, Pole, Ĉeĥe, Ruse, Serbe, Bulgare, Finne, Angle, France, Itale, Hispane kaj Portugale; skribas ankaŭ stenografie Gabelsberg, Germane kaj Esp., pri lingvaj demandoj).

**Hirschfelde i. S.** — S-ro Rob. Pfennigwerth, L (kun lertaj Geesp-istoj).

**Lübben** (N. L.). — Gesellschaft für Schrift und Sprache, Lindenstr. 10 (interŝanĝas legaĵon kaj gazetojn en ĉiuj lingvoj kun ĉiulandaj samideanoj studantaj la Germanan aŭ interesiĝantaj pri Germanaj okazintaĵoj).

**Marktredwitz** (Oberfranken). — S-ro Adolf Stahl, L, Pl (kun inteligentuloj ĉiulandaj pri seriozaj vivaferoj).

**Marktredwitz** (Oberfranken). — S-ro Oskar Ziegler, Buchhandlung, Pl, PM, bfl (speciale kun fraŭlinoj kaj komercistoj).

**Regensburg-Pfaffenstein 4½** (Bavario). — S-ro Ew. Mühleisen, Pl, L.

**Stuttgart.** — S-ro Hans Boening, Libanonstr. 45, PM, L (pri bahaismo, albumversoj).

**Stuttgart-Cannstatt.** — S-ro K. Ziegler, Hohenstaufenstr. 48/I, Pl.

**Stuttgart-Cannstatt.** — S-ro Karl Kress, Wiesenstr. 32 a, Pl, L (kun negermanoj).

**Stuttgart-Cannstatt.** — S-ro Ernst Fischer, Pfeiferstr. 7, Pl (ankaŭ kun specialistoj en litoplumoj).

**Weinböhla.** — Gejunuloj de la Esp. kurso. A. Sohrmann, instruisto, Kronprinzenstr. 5 (kun eksterlandanoj).

### Hispanio

**Barcelona.** — S-ro Agusteno Ferrer, 1, Asturias, PK (kun ĉiuj landoj).

### Italio

**Arona** (Lago Maggiore). — S-ro F. Perucchetti, Pl, bfl (kun ĉiuj landoj).

**Pisa.** — S-ro Frosini Frosino, studento, 5, via dei Mille, Pl, L, PM (kun ĉiuj landoj).

**Udine.** — S-ro Giovanni Della Savia, 11, via di Toppo, Pl, bfl.

### Jugoslavio

**Kragujevac** (Serbio). — S-ro Petro Stojan, instruisto matematika, la gimnazija, Pl, bfl, L (pri lingvaj demandoj, indeŭropa pralingvo, teorio de Esp.).

### Nederlando

**Amsterdam.** — Lernantoj de Esp. kurso. Adreso: P. de Ridder, Javastraat 136/II, Pl, L.

**Haarlem.** — S-ro Anthon Bakels, studento, Postbox. (Pri orientalismo, nur kun orientanoj kaj personoj studantaj lingvojn orientajn. Pri revol. socialismo kaj anarĥismo kun kleraj laboristoj kaj studentoj.)

**Hengelo.** — S-ro G. van Heek, Steynstraat 72, Pl, L (pri plej diversaj aferoj precipe kun spertaj Esp-istinoj).

**Hengelo.** — S-ro J. Haak, C. F. Storkstraat 19, Tuindorp, Pl, bfl (kun ĉiuj landoj).

**Hengelo.** — S-ro J. G. Mantel, Deldenerstraat, Pl, bfl (kun ĉiuj landoj).

**'s-Hertogenbosch.** — La klubo Esp. petas de alilandaj samnoj informojn pri kluba vivo. Adreso: F-ino A. Lutkie, Ortheusstraat 20.

**Enschede.** — S-ro G. P. de Bruin, Alleeweg 9 (kun ĉiulandaj revoluciemuloj).

**Enschede.** — S-ro J. G. Verveld, Lipperkerkstraat 203, dudekjara, Pl, L (speciale kun fraŭlinoj pri seriozaj vivaferoj).

**Zwolle.** — S-ro J. Kromme, fervojoficisto, Molenweg 168, PM (kun ĉiuj landoj), Pl (prefere stacidomoj, monumentoj k. t. p., sed ne fantaziaj).

### Norvegio

**Trondhjem.** — S-ro Ragno Rian, Övre Mollenberg 70, Pl, bfl (kun ĉiuj landoj).

### Polio

**Lodz.** — S-ro F. Waksman, Zavadzka ul. 22, L (kun alilandaj sekretarioj de Esp. kaj komercaj fakaj societoj).

**Lodz.** — S-ro J. Chimoviĉ, Dluga 90, Pl, L (aĉetas Esperantaĵojn).

**Lodz.** — Lodza Esperantista Societo, Dluga 90, aranĝas la 22 novembro 1919 leter- kaj poŝtkart-vesperon, L kaj Pl estas atendataj el ĉiuj landoj. Al ĉiuj oni respondos.

**Warszawa.** — S-ro Adolfo Oberrotman, Krakowskie-Przedmiescie 10, sendas al ĉiuj siaj antaŭmilitaj korespondantoj koran saluton, renovigas la korespondadon pri gravaj temoj, L, Pl, PM (interŝanĝas fotografaĵojn, gazetojn, monerojn).

### Svedio

**Borgstena.** — S-ro A. Emanuelsson, 19-jara, Pl, L (kun la tuta mondo).

**Falun.** — S-ro Axel Holmström, Hyttgatan 46, salutas siajn nunajn korespondantojn kaj deziras koresp. kun sam-aĝoj en la tuta mondo, PK, Pl L.

**Gävle.** — Pastro Algot Törnquist, Hemlingby, Pl (de preĝejoj, sinagogoj, moskeoj ĉiulandaj).

**Oja Valtorp.** — S-ro Einar Wilson, PM, Pl, bfl (ankaŭ portretojn).

**Sandviken.** — S-ro Hugo Larsson, Charlottenberg 1, Pl, L.

**Sandviken.** — S-ro Fritz Sandberg, Karlberg 30, Pl, L.

**Stenstorp.** — S-ro Hugo Sköld, fervojisto, PM, Pl, L (pri radikalaj socialistaj temoj).

### Svisio

**Locarno.** — F-ino Bice Ganna, studentino, Pl, L.

**Locarno.** — S-ro Lanfranchi Antonio, instruisto, Pl, L.

**Locarno.** — S-ro Stefano Pedrazzini, propagandisto, Pl, L.

**Losone** (Ticino). — S-ro Camillo Gallina, instruisto, Pl, L.

**Lyss.** — S-ro Ernst Scheurer, Del. UEA, Pl, PM (prefere kun eksterеŭropanoj).

**Minusio** (Ticino). — F-ino Moruzzi Natalina, instruistino, Pl, L.

### Nord-Ameriko

**Brooklyn** (U. S. A., New York). — F-ino Adella C. Lincoln, 974, St. Mark's Ave., Pl, L (kun ĉiuj landoj).

**Metuchen** (U. S. A., N. J.). — S-ro A. S. Arnold, Box 36, PM (kun ĉiuj landoj). Havas 9000 diversajn por interŝanĝo. Tuj respondos.

**Mexico D. F.** (Meksiko). — S-ro M. C. Rodriguez, Apartado 139 bis, L, Pl, nur kun seriozaj Esp-istoj; interŝanĝas PM de la revolucio kontraŭ milit- kaj ruĝkrucaj. (Ne sendas unue, sed certe respondas.)

**Montreal** (Kanado). — S-ro T. A. Allan, c/o The Signal Engineer, Grand Trunk Ry, interŝanĝas dumovajn ŝakproblemojn kun ĉiuj, ankaŭ Pl kaj L. Li esperas, ke multaj mez-Eŭropanoj skribos.

**New Llano** (U. S. A., La.) — Llano Esperanto-Societo, Pl.

**New York** (U. S. A.). — S-ro Armand Coigne, 2633, Creston Ave. (dez. interkonatiĝi kun samideanoj, kiuj interesiĝas pri internacia asocio por psika enketado kiel helpantoj kaj avizantoj. Ne korespondas pri psikismo nek pri alia temo escepte la asocion. PK kaj PM kolektantoj ne ricevas respondon).

**Wahkon** (U. S. A., Minn.). — S-ro Pierre Parish, Consolidated School, Pl, L, PM (kun eksterlanduloj pri ilia respektiva lando).

### Sud-Ameriko

**Bahia Blanca** (Argentino). — S-ro Jose F. Carcereny, 172, Lavalle, PI, L.

**Buenos-Aires** (Argentino). — Esperanto-Grupo „Antaŭen", 2049, San Martin, Talleres F. C. S., L, PI, bfl, PM.

**Buenos-Aires** (Argentino). — S-ro Arsenio Enriquez, 1105, Defensa, PI, L.

**Buenos-Aires** (Argentino). — S-ro Angel J. Mazzuconi, 983, Strato Cochabamba, PI (kun ĉiuj landoj).

**La Plata** (Argentino). — S-ro Angel Tagliaferri, Strato 3/537—39, aĉetas, vendas kaj interŝanĝas PM kaj PK (kun ĉiuj landoj; dez. milit-PM laŭ katalogoj Yvert aŭ Galvez 1917 ĝis 1920).

**Lomas de Zamora F. C. S.** (Argentino). — S-ro J. Andres Cervello, PI, bfl.

**Talleres F. C. S.** (Argentino). — S-ro José Catalá, 2049, San Martin, PI, bfl, PM, L (kun ĉiuj landoj).

### Azio

**Bassein** (Burma). — Rev. W. Cronkhite, baptista misiisto el Usono, Box 10, PI, L (kun siaj antaŭmilitaj korespondantoj k. a. inkluzive gejunuloj kaj infanoj de ĉiuj landoj).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

**Tarifo:** Unu linio (= 10 vortoj) Fr. 0.40. Por tri enpresoj rabato da 10%. Por dek-du enpresoj 25%. Antaŭa pago.

**Anglaj Samideanaj.** — Mi studas la anglan lingvon kaj dezirus por perfektiĝo viziti Anglolandon. Mi petas pri informoj, kiu urbo estus plej konvena. F-ino Tonic Vamberova, Svatojanska ul. 681, Pardubice (Ĉeĥoslovakio).

**Ĉasistoj Esperantistaj.** — La redaktoro de la Germana revuo „Jäger und Schütze" (Ĉasisto kaj pafisto) serĉas tutmondajn kunlaborantojn, kiuj povus liveri al li Esperante verkitajn aŭ el fremda lingvo Esperanten tradukitajn artikolojn pri ekstergermanaj kaj eksterеŭropaj ĉasaj aferoj aŭ ĉasajn anekdotojn. En ĉiu eldono de la nomata revuo ankaŭ Esperanto estos propagandata. — „Jäger und Schütze" estas precipe internacia revuo kaj estas sendota en ĉiujn partojn de l'universo. Al interesuloj la redaktoro volonte forsendas ekzempleron. Skribu al S-ro Willy Burgsmüller, redaktoro de la revuo „Jäger und Schütze", Kreiensen (Germanio).

**Eldonistoj** sendu katalogojn kaj prospektojn, specimenojn de gazetoj kun liverkondiĉoj, tuj al la Esperanto-librejo, Oskar Ziegler K-io, Marktredwitz (Germanio, Oberfranken).

**Filatelistoj.** — Al ĉiu persono, kiu sendos al mi 50 aŭ pli malsamajn PM per rekomendita poŝto mi sendos saman kvanton en Argentinaj PM. Carlos Cervellon, Jefe de Correos, Temperley F. C. S., Argentino.

**Filatelistoj!** — Mi estas en rilato kun tre granda firmo, kiu konsentas liveri pogrande Polajn poŝtmarkojn kaj albumojn. Tre belaj kaj valoraj kolektoj. Kolekto po 5, 8 kaj 10 Fr., albumo 8 Fr., k. t. p. La valoro de tiuj poŝtmarkoj ĉiutage kreskas. Antaŭpago dezirata. Oni povas rilati per la C. O. de UEA. S-ro A. Oberrotman, Krak. Przedmiescie 10, Warszawa (Polio).

**Financa partopreno.** — Por fondo de la plej granda plezurentrepreno en la proksimo de Düsseldorf (plej bela urbo en Germanio) mi serĉas financajn partoprenontojn po almenaŭ 1000 Mk. Intereso certe 10%. Konstruloko eble senpage. Sendu Fr. 1.25 por elspezoj, kaj vi ricevos detalojn kaj familiportreton de Jos. Ippen, Elberfelderstr. 156, Hilden bei Düsseldorf (Germanio).

**Fundamento de Esperanto**, Slovaka eldono kun tradukaro de la ekzercoj. Prezo 2 Fr. S-ro Josef Popper, Gerometta ul., Zilina (Slovakio).

**Hebreaj Vegetaranoj** bonvolu konigi siajn adresojn al S-ro Nathan Chavkin, Bergmannstr. 7, München (Bavario).

**Holanda Pioniro** de 1910-11-12-14-15-16-17-18 (1913 elĉerpita) estas havebla en tre malmultaj kolektoj. Prezo nur unu guldeno (8 internaciaj respondkuponoj), kun afranko kaj rekomendo 1,30 guldenoj (11 internaciaj respondkuponoj) ĉe J. L. Bruijn, Paul Krugerlaan 37, 's-Gravenhage (Nederlando).

**Instruistoj** de infanaj kursoj, kiuj deziras korespondantojn por siaj lernantoj, bonvolu sendi sian nomon kaj adreson al redaktoro de „Esperanto Monthly", 218, Bruntsfield Place, Edinburgh, kiu presigos anoncon senpage.

**Kolektantoj de ĉiuspecaj objektoj!** — Oni intencas starigi kaj presigi tutmondan adresaron pri kolektantoj de ĉiuspecaj objektoj. Bonvolu do ĉiu kolektanto sendi poŝtkarte la jenajn deklarojn: Nomo, antaŭnomo, profesio, preciza adreso, objektoj kolektataj (detale), lingvoj de korespondado, eventuala bankkonto. La enpreso estos senkosta; la enskribo devigas al nenio. Pluaj informoj sekvos pli poste. Oni skribu senprokraste kaj tre legeble al S-ro Max Schrank, Kempten (Bavario).

**Kolektantoj.** — Mi kolektas la jenajn aferojn kaj dankas por proponoj: 1e bildojn de floroj kaj branĉoj; 2e bildojn de brodaĵoj; 3e gravajn artikolojn pri la Esp. movado; 4e komercleterojn. S-ro Julius Hefti, Heiligkreuz 59, St. Gallen (Svisio).

**Kooperativismo.** — La sekretario de la Esp. Kooperativa Ligo deziras ricevi literaturon pri kooperativismo en Rusa kaj aliaj lingvoj. S-ro A. H. Holt, 31, Old street, Newchurch M. C., Anglio.

**Migrantaj Kartoj.** — Mi sendas 12 belajn presitajn kartojn kontraŭ kvar internaciaj respondkuponoj. C. C. Goldsmith, 92 Douglas Road, Acocks Green, Birmingham, Anglolando.

**Poŝtmarko-kolektantoj.** — Por poŝtmarkoj de via lando mi sendos la saman kvanton de PM, provizora eldono de Ĉeĥoslovakio. Oni sendu per rekomendita letero. Rudolf Novy, Del. de UEA, Kladno 615 (Ĉeĥoslovakio).

**Poŝtmarkoj Polaj** kun surpreso „Poczta Polska", la Krakova eldono k. a. estas riceveblaj ĉe S. Grenkamp-Kornfeld, Jaslo (Galicio, Pollando). Pro la necertaj poŝtrilatoj mi povas konservi la menditajn.

**Skoltoj.** — Ni alvokas al ĉiuj skoltoj aliĝi al la Skolta Esperantista Ligo. Petu nian broŝuron „Propono pri Skolta Esperantista Ligo" de *Avoto*, prezo 4 pencoj afrankite. Havebla ĉe la provizora sekretario de S. E. L., 40, Oaklands Road, Bexleyheat, Kent (Anglio).

**Usonanoj.** — Vidaĵkartoj de Delftshaven rilataj al la foriro de la „Pilgrimfathers" el Holando (jaro 1676). Klarigo Angle. Kontraŭ respondkupono alsendota. F. Pakker, Reederijstr., Rotterdam, Nederlando. Pogrande 100 kartoj: 3,25 dol.

**Veto.** — Samideano vetas ion ajn kun ĉiu ajn, ke la lasta eltrovaĵo de Antido „Esperantido" ne estas lia lasta, malgraŭ liaj asertoj, ke li kiel kutime daŭrigos reformi sian projekton, ĉu gramatike, ĉu alfabete. Skribu sub „Veto", al la administrejo de „Esperanto".

**Vivoreformemuloj.** — La gepatroj de Germana 24-jara junulino deziras konatiĝi kun 30-jara vivoreformemulo, kiu intencas fondi propran familian hejmon kaj kies profesio eventuale ne malhelpus mastrumi sufiĉe grandan fruktoĝardenon en la kamparo. Leteroj sub „Esperanto" al S-ro Friedrich Ellersiek, Berlin S. 59.

## INTERNACIA KOMERCO

**Tarifo:** Unu linio (= 10 vortoj) Fr. 0.40. Por tri enpresoj rabato da 10%. Por dek-du enpresoj 25%. Antaŭa pago.
Anoncoj el la militintaj landoj estas denove akceptataj.

**Brodaĵoj kaj tolaĵoj.** — Oni deziras transdoni la reprezentadon de brodaĵoj de St. Gallen (broditaj sur tolo, kotono kaj silko), delikate laboritaj tolaĵoj kaj subtilaj, elegantaj salongarnaĵoj. Pagokapablaj reprezentantoj kaj aĉetantoj sin turnu al S-ro Julius Hefti, Heiligkreuz 59, St. Gallen (Svisio).

**Komercistoj, eldonistoj,** mi aĉetas kaj vendas interesajn kartojn aŭ aliajn artiklojn el la libro- kaj paperaĵbranĉo. Modeloj estas dezirataj: R. Pfennigwerth, libro-, paper-, kaj poŝtkartfirmo, Hirschfelde (Saksio).

**Komercistoj kaj industriistoj!** — Ĉu vi volas vendi viajn komercaĵojn kaj industriaĵojn en Italio kaj Sud-Svisio? Turnu vin al Ortensio Bianchi, komisiisto, Chiasso (Svisio), kiu havas seriozan kaj gravan klientaron.

**Kotonaj kaj lanaj ŝtofoj.** — Se vi serĉas komercrilatojn pri kotonaj aŭ lanaj ŝtofoj, bonvolu vin turni al la sekvanta konata adreso. Mi estas ĉiam preta informi Esp-istojn pri adresoj de bonaj Holandaj fabrikejoj de ĉiuspecaj artikloj. Antoon Winters, ŝtofkomercisto, Importo kaj Eksporto, Veghel (Nederlando).

**Ŝipposedantoj.** — La firmo Pestonjee Bhicajee, Keamari, Karachi, Hindio, deziras rilatojn kun Amerikaj kaj Japanaj ŝipposedantoj kaj reprezentadon de maŝinoleo, motorveturiloj kaj ĉiuspecaj artikloj.

**Teleroj kaj vazoj.** — Mendojn por manpentritaj vitraj teleroj kaj vazoj de plej alta artvaloro (precipe koloraj flormodeloj, se dezirate, ankaŭ kun Esperanto-emblemoj) akceptas D-ro Fritz Wicke, Del. de UEA Kaszbergstr. 40 I., Chemnitz. Prezo 15 Fr. Svisa valoro kaj pli alta laŭ deziroj. Pak- kaj sendkostoj aparte. Bonega plenumo kaj ekzakta pakado garantiataj.


## Oficiala Insigno de UEA




| | Pinglo | Butono |
|---|---|---|
| 1 ekzemplero | Fr. 1.50 | Fr. 1.75 |
| 12 ekzempleroj (kune mendataj) | Fr. 15.— | Fr. 17.50 |

Tiuj prezoj estas laŭ svisa valoro
Ili enhavas la afrankon kaj poŝtrekomendon

Mendojn oni sendu al: **Universala Esperanto-Asocio,** *Museumsstrasse 14,* **Bern** (Svisio)



Bildon de movado Esperantista, eĉ de nacia, ekonomia kaj politika vivo en la juna respubliko Ĉeĥoslovaka prezentas

## LA PROGRESO

monata gazeto Esp., en kiu kunlaboras ĉefaj Esperantistoj kaj multaj politikistoj Bohemaj. Ĝi aperas en gazeta formo 19×28 cm kaj kostas jare 6 Ĉeĥoslov. kronojn. Mendebla ĉe administrejo de *„La Progreso"* en Plzeň (Bohemio), aŭ S-ro Svitberto Degenkamp, en Utrecht, Betlehemweg 36 (Nederlando). — La red. de *„La Progreso"*, Plzeň, Bohemio, serĉas raportistojn pri nacia kaj politika vivo en ĉiuj landoj. Aliĝu!



**JAMES LEWIS & SON,**
5, Fenwick street, **LIVERPOOL** (Anglio)

**EKSPORTO**
**DE ĤEMIAJ PRODUKTOJ BRITAJ**

**Plumboksido (ceruso, minio, litargo), cinkoksido, sulfido, koloriloj, kupra sulfato, plej bonaj Anglaj markoj. Salamoniako, amoniaka sulfato, karbonato, acidoj k. c.**

**IMPORTO DE ĈIAJ MINERALOJ**

Oni bezonas agentojn en
Svisio, Italio, Skandinavio, Nederlando, Belgio kaj Portugalio.



☛ Jus aperis ☚

## EL LA PROKSIMA ORIENTO

*(De Ukrajnio ĝis Georgio)*
kun etnografia karto, de **Iv. H. KRESTANOV**

Tiu ĉi literatur-scienca verko konigas pri la geografio, historio, kulturo, popola karaktero, lingvo kaj literaturo, kaj aspiroj de la nesufiĉe konataj popoloj en la malnova Rusa imperio: Ukrajnoj, Litovoj, Blankrutenoj, Letonoj, Estonoj, Finnoj, Tataroj, Georgoj. Samtempe instrua legaĵo.

Prezo: **2.50 Fr.** Mendebla ĉe la aŭtoro: Sonnenbergstr. 11, Bern (Svis.).






## Firmo Atanas P. Kolev

Komerca reprezentanto

**Sofia,** str. Regentska 19, Bulgario

akceptas la ĝeneralan reprezentadon en Bulgario de ĉiuspecaj artikloj ☛ Plej bonaj referencoj



## THE ESPERANTO MONTHLY

Gazeto por Studentoj kaj Instruistoj
de la Internacia Lingvo
Angle kaj Esperante verkita

**Organo por la movado: Esperanto en la Lernejoj**

JARA ABONO: 2 s 6 d.

**British Esperanto Association,** 17, Hart St., London WC, 1.



**Importo, eksporto kaj vendo de maŝinoj kaj teknikaj artikloj**
**Patentoj kaj licencoj. — Reprezentoj en- kaj eksterlande**

**LOEPFE, LENZ & Kio.**
Seefeldstr. 67, **Zürich** (Svislando)



**B. E. S.-a**

## Adresaro de l'Esperantistoj

el ĉiuj landoj jam aperis kaj kostas **0.75 Fr.**, sv., afrank. Bezonega por ĉiu! — Societoj kaj vendejoj faru opajn mendojn kun rabatita prezo! — Mendu tuj ĉe:

**Bohema Esperanto-Servo, Moravany,**
Bohemio, Ĉeĥoslovakio.

# FRATOJ STORK & K-io, HENGELO (Nederlando)

**Liveras plej diversajn pumpilojn centrifugajn, vaporturbinojn, suker- kaj aliajn maŝinojn**

**Fabrikejoj kun pli ol du mil laboristoj / Petu katalogon kaj fotojn / Esperanto korespondata**

FIRMO J. HUYSMAN

**Komerca Reprezentanto**

**Vlissingen, Nederlando**

Sin rekomendas por la vendo de

**ĉiuspecaj artikloj**

**KOMERCISTOJ**

kiuj volas pro ĉesigo de blokado eksporti al Hungario komercajojn, nutrajojn, industriajojn, skribu tuj detalan proponon al Hungara Esperanto Servo Budapest VI, Hajos u. 15, II, 2. Negoca perado inter la grandaj firmoj kaj fabrikoj.

# LUCIFER

Densigilo por gumatuboj (velocipedoj) skatolo 1 Mk.
R. Pfennigwerth, Hirschfelde, Saksio, Germanio.

J. P. L. NIESTEN

St. Annastraat, 132, Nijmegen (Nederlando)
Komercisto pogranda
petas prezarojn de
**SKRIBILAROJ KAJ OFICEJ-ILAROJ**
(ankaŭ en Angla, Franca aŭ Germana lingvo)

# PROSOL

Leĝe patentita konservilo por plandledo. Mendu provan skatolon. 2 Markoj.
R. Pfennigwerth, Hirschfelde, Saksio.

## Librojn Germanajn kaj Esperantajn

(kiom nun haveblaj) liveras Esperanto-Verlag Friedrich Ellersiek, Berlin S 59. Oni demandu pri speciala propono.

**ELIOTT & ELIOTT, advokatoj**

**24, Lockyer Street, PLYMOUTH (Anglio)**
**Korespondas Esperante kun sia klientaro**

Ĉiu, kiu volas interrilati kun Estoniaj firmoj per Esperanto skribu tuj al firmo

**LEOPOLDO ALTMAN**

Importo kaj eksporto REVALO (Estonio), poŝtkesto 103

# „ESPERO"

Svisa eldonejo kaj librovendejo de Esperanto
LOCARNO, Poŝtfako 17,494

vendas lernolibrojn, vortarojn, Esperantajojn. Petu katalogon.

## Teksaĵoj por German-Aŭstrio!

Serioza, pagokapabla komercisto, fakulo por teksaĵoj, en Wien, akceptas la reprezentadon por German-Aŭstrio, de nur unuarangaj
**silkaĵo-, kotono- kaj katuno-fabrikoj**
en Svisio, Francio kaj Anglio. — Sendu proponojn sub „Tekso" al la anoncejo „GRAVA", Stempfergasse, Graz I, German-Aŭstrio.

**La Komitato por Komuna Komerca Lingvo en Lódz**

sin okupas per
perado de ofertoj, komercaj informoj de eksterlandaj firmoj por la Polaj komercistoj
Sin turni al Hon. Sekr.
I. HIMOVIĈ, Lódz, Polujo
Dluga 90. — Esperanto Societo

**Por propagandi Esperanton inter Hispanparolantoj**

nenio estas pli taŭga ol la verko **El Idioma Internacional Esperanto,** eldonita de la „Asociación Esperantista Argentina".
*Enhavo:* Propaganda parto. Kurso de Esperanto en 18 lecionoj. Generala Esperanto-Hispana vortaro. — *Prezo* (afrankite en ĉiuj landoj): 1 ekz. 0. 35 peso; 10 ekz. 2. 50 pesos; 100 ekz. 23 pesos.
Oni mendu al S-ro **Antonio Villa,** kasisto de la „Asociación Esperantista Argentina", 865, Belgrano, **Buenos-Aires** (Argentino).


PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO